**La 8-an de majo 1945, antaŭ 25 jaroj, la sovetaj trupoj kaj la aliancanoj liberigis Germanion de la faŝismo**

# BUCHENWALD

## Nacia memorejo por la rezisto batilantoj kontraŭ la faŝismo

Goethe, Schiller kaj Herder verkis en Weimar al la gloro de la germanaj homoj – al la bonfarto de la lando. Ne malproksime de Weimar troviĝas ankoraŭ alia loko, kiu konatiĝis en la mondo:

Buchenwald!

Ne ektimu de tiu ĉi nomo. Pensu pri la centmiloj, kiuj iris la vojon tien kaj ne revenis. Kiuj estis jenaj, turmentitaj kaj torturitaj, kiuj devis morti sur tiu ĉi kalvario?
Estis – homoj.
Kaj ankaŭ iliaj murdintoj estis homoj. Bedaŭrinde . . .
Tio estas la teruraĵo.
Kiam estas la kriptoj malsupre simbolo por la altecoj, kiujn povas atingi homa spirito, tiam estas la amastomboj supre atestantoj por la barbaraĵo, en kiu povas malmoraliĝi homa spirito.
Weimar estis simbolo por unu kaj la alia.
Buchenwald ne estas la plej kruela amasinternigejo de la faŝistoj. Treblinka en Polio estis pli malbona. Auschwitz estis pli malbona. Multaj estis pli malbonaj . . .
Buchenwald ne estis la sola amasinternigejo de la faŝistoj.
La Hitlerfaŝistoj tre paradis per la „stratoj de la gvidanto". Tiuj ĉi stratoj jam postulis multe da oferoj dum la konstruado. Sur tiuj stratoj estis transportita la esperema germana junularo en la morton. Sed neniu strato de Hitler postulis tiom multe da oferoj, kiel tiu, kiu gvidas de la landstrato Weimar-Sömmerda al la amasinternigejo. Ĝi estas pura, vasta strato, el betono: la strato de l'sango. Konstruita en la unua jaro de Buchenwald. En la tiama tempo neniu nombris la homoferojn, kiujn ĝi postulis. Oni mortis pro akcidento – malfortigeco – malbontraktado – arbitra mortigo.
La internigejpordego, solida germana arta laboro de forĝisto, portas la enskribon: AL ĈIU LA SIA. Kelkaj, kiuj venis de ekstere kaj devis trairi tiun ĉi pordegon, jam mortis, antaŭ ol ili konatiĝis kun la internigejo. Ĉiu de ili, vokita al tiu-ĉi pordego, preparis sin al sia morto. Al tiu-ĉi pordego, je kiu estis ligitaj la arestitoj, ili devis stari sen nutraĵo, sen la ebleco plenumi siajn necesojn, je tiu ĉi pordego ili staris tagon post tago, ĝis kiam ili mortis. Ili mortis antaŭ la okuloj de la internigejo. Dekmiloj tion scias, vidis tion kaj povas atesti tion.
Malantaŭ la internigejpordego troviĝas unu povis savi sin en la grandan internigejon. Sed ankaŭ la aliajn polojn oni komencis amasmurdi. Entute estis murditaj dum nur malmultaj monatoj 3 000 da poloj.
Doktoro Wagner, SS-kuracisto, estis „artamanto". Li venis 1941 al Buchenwald. Li venigis ĉiujn arestitojn kun tatuaĵoj, kaj rigardis kaj fotografis la tatuaĵojn. Tiuj ĉi inspektadoj de doktoro Wagner ĉiam finiĝis per la morto de la plej „interesaj" personoj. Li ordonis, ke la haŭto kun la bildo estu detirita de la mortintoj kaj kolektita.
La unuaj viktimoj estis transportitaj el la amasinternigejo tra la urbo de Goethe, Weimar, por forbruligi ilin en Erfurt aŭ en la krematorioj de aliaj grandaj urboj. Sed baldaŭ la kapableco de tiujĉi krematorioj ne plu sufiĉis. Tial la amasinternigejo Buchenwald bezonis propran krematorion.
Super la kameno de la krematorio en Buchenwald staris kelkmetrojn alta flamo, kiu lumis malproksimen en la landon, kaj ĉiuj, ĉiuj sciis, kion signifas tiu ĉi flamo.

> *En tiu ĉi horo de la renaskiĝo*
> *de la germana ŝtato*
> *memorigas la registaro de la*
> *Germana Demokratia Respubliko*
> *pri la milionoj da viktimoj*
> *de ĉiuj popoloj,*
> *kiuj devis doni*
> *sub la skurĝo de la hitlerfaŝismo*
> *kaj en nia popolo sendepende*
> *de ĉiu politika*
> *kaj mondpercepta ideo*
> *por ke ilia popolo vivu*
> *Ilia heroa ekzemplo devas plu vivi*
> *en nia junularo*
> *sian vivon*
> *Ili mortis,*

la apelaciejo. Ĉi tie okazis antaŭ ĉiuj okuloj la amasmurdado de la judoj kaj poloj; dekmiloj devis ĉi-tie rigardi, se kondamnitoj pendis ligitaj por la manoj je la pendigilo. Sur tiu-ĉi loko la arestitoj devis „punstari" kaj apude de ili kaj antaŭ ili kaj ĉie la kamaradoj malrapide falis teren. Iun mortigis la varmego, alian la malsato, ĉio fariĝis turmentilo sub la faŝistoj.
Grandaj veturiloj, normale tiritaj de pezaj ĉevaloj, estis jungitaj en Buchenwald kun 10–15 da arestitoj. La veturiloj, ŝarĝitaj kun ŝtonoj, trunkoj, kabloj, betonfero aŭ aliaj konstrumaterialoj oni nur povis tiri tra la arbara kaj malseka pejzaĝo, sub plej forta penado. Tre ofte la arestito devis kanti marŝkantojn dum tiu ĉi peza laboro. La komando „kantantaj ĉevaloj" estis rigardata en la internigejo kiel malrapida, sed certe mortiganta komando. Nur al la mortintoj por ĉiam defalis la tirŝnurego, kaj ĉiutage estis viktimoj.
En Novembro 1938 la faŝistoj kunpelis pli ol 12 000 da judoj el la tuta Germanio al Buchenwald, ilin preminte en kvin provizorajn barakojn. Ne estis sufiĉe da akvo kaj pano por vivi. Nombro de la arestitoj freneziĝis. Tiuj malfeliĉuloj estis mortbatitaj de la SS[1]).
Post la surprizatako de la faŝistoj kontraŭ Polio enmeze de la apelaciejo sur malfirma makadamaĵo estis starigitaj kvin grandaj tendoj, ĉirkaŭitaj kun duobla dorndrato. En tiun ĉi primitivan ejon la faŝistoj enpelis en Oktobro 1939 grandan nombron da polaj militkaptitoj kaj civiluloj. Inter la soldatoj troviĝis 104 kaptitoj, kiuj estis izolitaj interne de la sama ejo kaj malliberigitaj en barako. En daŭro de unu monato 103 da ili estis mortigitaj, dume nur

■

Homoj el ĉiuj klasoj de la popolo batalis kontraŭ la faŝismo por savi Germanion el la ungegoj de la Hitlerkrimuloj. Sub la plej malfacilaj kondiĉoj ili devis gvidi sian batalon, kaj multaj de ili perdis sian liberecon kaj la vivon.
Tamen, la rezistantoj restis firmaj sub la plej kruela teroro kaj la ĉiam minacanta hakilo de la ekzekutisto kaj daŭrigis eĉ en la pundomoj kaj amasinternigejoj sian batalon. La necedema sinteno de Ernst Thälmann estis ilia kuraĝiga modelo.
Tiel ankaŭ en Buchenwald komencis en somero 1942 la organizado de kaŝaj armitaj grupoj de la arestitoj. Fine de marto ekzistis 178 grupoj kun 850 batalantoj. Ili apartenis al 11 nacioj. Parto de ili estas registritaj kiel „internigeja ŝirmbrigado", „fajrobrigado" kaj „sanitaristoj". La armila ekzercado okazis laŭ firma plano.
La milita stabo donis la ordonon por la atako kontraŭ la gardejo kaj internigejbarilo je la 11-a de Aprilo 1945. La arestitoj de Buchenwald liberigis sin mem.

*(El samtitola kajero tradukis Erwin Schleusener †, batalinto kontraŭ la faŝismo)*

[1]) SS – mallongigo por la germana esprimo „Schutz-Staffel", malbonfamaj nigre vestitaj faŝistaj teror-taĉmentoj.

# La Hitler-a SS kreas al si muzeon

En la nordrejn-vestfalia industriurbo Wuppertal la legale agantaj tradiciaj formacioj de SS establis „muzeon de la armita SS", kiu laŭ publicitaĵoj de la SS-gazeto „La Volontulo" estos „unika en nia lando".

En la SS-organo „La Volontulo" oni raportas: *„Nur tre malmultaj el tiuj, kiuj preteriras la domon A, Deckenhäuschen 32 en Wuppertal-Elberfeld, povas diveni, kiuj trezoroj troviĝas en la loĝejo de nia kamarado Jost W. Schneider... Unu el la ĉambroj de la loĝejo kaj la subtegmentejo entenas la fundamentan fonduson por muzeo, kiu, kiam foje la tempo venos, estos unika en nia lando... Ĉiu aparteninto al nia trupo mirus, se li vidus ĉiujn tiujn objektojn, kiuj iame apartenis al lia vestaĵo kaj ekipaĵo. Manikstrioj de preskaŭ ĉiuj divizioj de la armita SS, ĉekolumaj distingiloj, samlandanecaj insignoj de la volontulaj divizioj de SS".*

En la subtegmentejo – *„oni preskaŭ inklinas kunklakigi la kalkanumojn antaŭ SS-grupestro kaj generalleŭtenanto de la armita SS, kiu sidas tie klinita super nia karto".*

La nordrejn-vestfalia landregistaro malakceptis protestojn de okcident-germanaj kontraŭfaŝistoj kontraŭ tiuj ĉi provokoj, rimarkigante, ke temas ĉi tie pri „privata afero". La viro laŭdire „faris tion nur por si mem". Al tio kontraŭas, ke Schneider estas estro de la „sekcio milithistorio-uniformoj kaj ekipaĵoj de la armita SS" kaj kiel tia publicis „serĉliston por trupmuzeo" en „La Volontulo". La SS-gazeto mem petis ĉiujn legantojn post la publikigo de la raporto pri la bruna kultejo: *„Subtenu la laboron de nia kamarado Schneider!"* – Do tute publika afero.

(El Panorama GDR, Trad. Dr. Karl Schulze)

# RECENZO

**Auschwitz** (Oświęcim) 1940–1945
*de Kazimierz Smoleń. Eldonis Ŝtata Muzeo en Oświęcim. Esperantigita laŭ la 4-a pola eldono kompletigita kaj plivastigita de mag. Alojzy Turek (Ato).*

Surbaze de situaj skizoj de la koncentrejoj Auschwitz (Oświęcim) kaj Birkenau (Brzezinka) indikantaj ankaŭ la objektojn viziteblajn kiel muzeaĵojn, la aŭtoro gvidas la leganton tra la unuopaj blokoj kaj ĉambroj de la koncentrejoj, tiamaniere gvidante lin samtempe tra la historio de tiuj ĉi koncentrejoj ek de ilia establo ĝis la liberigo fare de la Ruĝa Armeo. Per tiu ĉi vagado loka kaj tempa la leganto ekhavas profundan kaj animskuan impreson pri la teruraj suferoj de la malliberuloj kaj pri la inferaj metodoj aplikitaj tie flanke de SS por la korpa kaj psika turmentado de la malliberuloj, por ilia ekspluatado profite al la nazistaj kapitalistoj kaj por ilia finfina mortigado. Sed la leganton ankaŭ impresas la heroeco, la anima grandeco de la homoj batalintaj ne nur pro la konservado de sia vivo kaj pro sia liberigo, sed ankaŭ pro la defendo de sia homa digno. Tio ĉio estas prezentata al la leganto per stilo senpatosa, pure raportanta, efikiganta la nurajn faktojn, kiuj estas substrekitaj per multaj fotojs parte faritaj de la SS mem kaj per eldiroj de transvivantaj atestantoj, inter ili la iama malliberulo kaj nuna prezidanto de la pola ministra konsilantaro Jozef Cyrankiewicz. Specialan gravecon havas la ofte cititaj eldiroj de la iama komandanto de la koncentrejo, Höss, donitaj de li antaŭ la tribunalo, poste prijuĝinta liajn krimojn. Tiamaniere antaŭ la leganto estiĝas bildo ege impresa kaj plastika pri la krimoj tie faritaj kaj pri la homoj ilin farintaj kaj ilin suferintaj.

Pro la impreseco de la prezentata materialo la libro povas rezigni pri ĉiu pritakso politika aŭ morala de la fenomeno „Auschwitz" aŭ entute „koncentrejo faŝisma". Altrudiĝas per si mem la konkludo, ke estas nepra tasko de la homaro preventi la reaperon de tiaj fenomenoj.

La esperanta traduko estas klara kaj facile komprenebla, kvankam parte iom peza. Frapas la atenton la troa uzo de la artikolo (ekz. „La plimulto estis lokita en la koncentrejon por *la* nedifinita tempo") kaj la nekutima uzo de kelkaj vortoj (ekz. nadlo anstataŭ pinglo, svetero, averaĝe). Sed tio malutilas nek al la legebleco nek al la legindeco de la libro.

*Dr. Karl Schulze*




*La domo de Jost Schneider en Wuppertal-Elberfeld, muzeo de SS.*
Foto: Zentralbild



*En la faŝisma deportejo Ravensbrück murdiĝis 92 000 virinoj, patrinoj kaj infanoj. La „patrino-grupo Ravensbrück", kreita de prof. Fritz Cremer.*
Foto: Zentralbild

# GENOCIDO

## Krimoj kontraŭ la homeco

Krimoj kontraŭ la homeco estas difinitaj laŭ la artikolo 6 c de la IMT – statuto: Murdo, ekstermo, sklavigo, deportacio aŭ aliaj malhomecaj agoj, faritaj al iu ajn civila loĝantaro antaŭ aŭ dum la milito; persekuto pro politikaj, rasaj aŭ religiaj kaŭzoj.
Konkretigante kaj pluevoluigante tion la Genocid-Konvencio de 1948 – baze de spertoj pri la faŝismo antaŭ kaj dum la dua mondmilito – malpermesas la mortigon, la fizikan damaĝon kaj la subfoson de la ekzistadkondiĉoj celantajn al kompleta aŭ parta ekstermo de nacia, etnika, rasa aŭ religia homgrupo. (Art. II de la „Konvencio pri malebligo kaj puno de popolmurdo.) La menciita konvencio postulas la punon de tiaj agoj.
Por la jura kaj la morala prijuĝo de la agoj de USA kontraŭ Vjetnamio – konsiderendaj kiel krimoj kontraŭ la homeco, respektive kiel genocido – estas grava la kono de la motivoj. Por tiu celo ĉi tie estu citata eldiro de Bernhard Full, profesoro ĉe la „Katedro por internaciaj rilatoj" en la Harvard-universitato, kiu en 1965 deklaris: *„La ĝisnunaj spertoj montras, ke en revolucia milito la subteno flanke de la popolo estas unuaranga faktoro. Sed tio ne ekskludas la eblecon, evoluigi tutnovajn kontraŭrevoluciajn metodojn, kiuj amortizos per teknikaj kaj taktikaj novevoluaĵoj la efikon de la subteno fare de la popolo. Ĉiukaze tiuj ĉi opinioj dum la eksperimento en Sudvjetnamio larĝe estas konsiderataj . . ."* (citita laŭ „Isvestija" de la 4-a de novembro 1965)
Tio signifas per koncizaj vortoj: Se iu popolo ne libervole disiĝas de la revolucio, oni devas ĝin ekstermi, por ke mortu kun ĝi la revolucio. La spuro de tiu ĉi popolmurdado, praktikata de USA en Vjetnamio, estas karakterizita per la uzado de toksgaso, napalmo kaj amas-detruaj armiloj; per deportacio kaj murdado de virinoj kaj infanoj, kruela torturado de la kaptitaj batalantoj de la Liberiga Fronto kaj ilia amasa murdado. La direktoro de la Meroy College en Novjorko, William Pepper, kalkulis, ke proksimume 250 000 infanoj en Sudvjetnamio estas mortigitaj kaj proksimume 750 000 vunditaj. (kp. la januar-eldonaĵon de „Revue Ramparts" 1967) Ĝenerale la plejmultnombraj viktimoj troviĝas inter virinoj kaj infanoj (laŭ kalkuloj el kelkaj provincoj dum la tempo de marto 1965 ĝis aŭgusto 1966: 67 % de la mortigitoj kaj 84 % de la vunditoj).
Ekde 1961 en Sudvjetnamio toksaj kemiaĵoj en pli vasta amplekso estas uzataj. Parte ili efikas kontraŭ la sano kaj la vivo de la homoj, parte kontraŭ la vegetaĵaro. Kontraŭ la homoj la usonanoj uzas CS, CN, DNOC, 2,4 D kaj Adamsit. De nelonge oni observas ankaŭ la uzadon de „BZ" (apartenas al la halucinogenoj). Herbicidoj estis uzataj en la tielnomataj „senfoliigaj agadoj". Milionoj da tunoj de tiuj herbicidoj estis disĵetataj aŭ disŝprucigataj.
La uzado de toksaj kemiaĵoj kontraŭ vivularo (homoj kaj bestoj) kaj vegetaĵaro rezultigis perdojn je homoj kaj dombestoj en Sudvjetnamio. La grundfekundeco estis nuligata. Malfavorigaj efikoj al la klimato atendendas. Kaŭzite de la kombinita uzado de herbicidoj kaj napalmo ekzistas norde de Saigon, apud Da Nang kaj aliloke en Sudvjetnamio regionoj, kiuj dezertiĝis.
La toksitaj terenoj de jaro al jaro kreskas:

| | |
|---|---|
| 1962 | 11 000 da hektaroj |
| 1963 | 300 000 da hektaroj |
| 1964 | 500 000 da hektaroj |
| 1965 | 700 000 da hektaroj |

En 1965 150 000 personoj suferis je diversgradaj toksrezultatoj sekve de tiu tokso-disĵetado.
Plua kaj aparte abomena aspekto de la kemia milito estas la uzado de toksgasoj.
Nguyen Khanh, unu el la multnombraj ĉefoj de la Saigon-a marioneta reĝimo, fanfarone konfesis, ke Saigon jam de la komenco de 1964 posedis toksgasojn (laŭ „Reuter", 22-a de marto 1965). La unua grava krimo, dum kiu gaso uzatis, okazis la 25-an de januaro 1965 kontraŭ la vilaĝo Phu Lac en la provinco Phu Yen. La vilaĝon oni kovris per eksplodkaj napalmbomboj. Por devigi la loĝantojn, forlasi la subterajn ŝirmejojn, oni uzis gasbombojn. Tiumaniere neniu loĝanto saviĝis de la efikoj de la bomboj kaj grenadoj. Ĝis hodiaŭ tiu ĉi kombino de toksgasoj kaj eksplodgrenadoj por ekstermado de la civilloĝantaro en Sudvjetnamio estas praktikata.
La ano de la esplorkomitato pri usonaj militkrimoj en DRV, Truong tan Phat, raportis al nia delegitaro la 11-an de februaro 1968 pri la farita dum jaroj provo de USA, pereigi la viv- kaj ekzistadbazojn de la sudvjetnama loĝantaro kaj neniigi la etikajn-moralajn bazojn de la popolo por rompi la liberecvolon de la vjetnama popolo. El lia raporto evidentiĝas, ke la usonanoj agas kontraŭ la loĝantaro per mezepokaj turmentmetodoj, pliperfektigitaj per „modernaj" teknikaj rafinaĵoj.
La homojn oni devige evakuis el la vilaĝoj. Vilaĝoj kaj kampoj estis pereigataj, kaj oni aliloĝigis la loĝantojn en tielnomitajn „strategiajn vilaĝojn", kiujn oni pli poste nomis „vilaĝoj de fuĝintoj" aŭ „vilaĝoj de la nova vivo".
Dekmiloj fariĝis viktimoj de kruelaj turmentadoj. Detranĉitaj mamoj, mutilitaj genitaloj, detranĉitaj oreloj kaj nazoj, elŝiritaj langoj, kvaronigitaj beboj estis la rezultatoj de kutimaj turmentmetodoj. Nia studdelegacio vidis la 11-an de februaro en Hanoi filmon pri la turmentadoj de kaptitaj FNL – batalantoj, kiun filmis okcidentlandaj filmreporteroj. Tiu ĉi filmo estas emocia dokumento pri la krimoj de la usona armeo, faritaj kontraŭ la homeco en Sudvjetnamio.

Dokumentaĵo de la Vjetnamio-komitato en GDR 2/1969 trad. W. Hofmann – CR –

# NAPALMO

Napalmo fariĝis nocio, kun kiu trudiĝas al la memoro bildoj pri dismorditaj vizaĝoj, korpoj, brakoj, gamboj de vjetnamaj infanoj. John Takman, sveda kuracisto, venis al la konkludo, ke ne sufiĉas la konscienca turmento ligita kun tio. La mondo devas ekscii, kio estas napalmo kaj kiu negocas per tiu ĉi terura detruilo.

„Preskaŭ neniam mi konis sendormecon. Sed ... en la soleco mi ofte vekiĝis nokte kaj devis pensi pri la vjetnamaj vilaĝoj, kiuj ĝuste en tiu ĉi momento estis celoj al la artilerio de la Sepa Militŝiparo kaj al la napalmbomboj, fosforbomboj aŭ globaj bomboj de la usona aerarmeo", skribas John Takman. Li ne volis kaj ne povis silenti, kaj tiel estiĝis la libro „Napalmo". El ĝi oni ekscias per ekspertoj, ke malantaŭ la formuloj kaj nomoj $NP_1$, $NP_2$, „Supernapalmo" kaŝiĝas detruilo, por kies „pliperfektigo" oni laboris dum jardekoj.
La facile bruligebla materialo, kies plej gravaj eroj estas benzino kaj aluminiaj sapoj, dismordis la homan karnon ne sufiĉe profunde kaj malrapide, kaj ĝi estis miksata kun aliaj substancoj, ĝis kiam ĝi estigis temperaturojn ĝis 3 000 gradoj, plubrulis sur akvo kaj neĝo, ĝis kiam nek kirasŝtalo nek fero kontraŭstaris ĝin. La libro de John Takman devigas pripensi, kia estis kaj estas tia morto por vjetnamaj infanoj, virinoj, maljunuloj, viroj en Ben Tre kaj multnombraj aliaj urboj kaj vilaĝoj.
Kio do estis la biblia Sodom kaj Gomorrha kompare al Ben Tre en napalmpluvo?, oni demandas sin, kiam oni eksciis per John Takman, kio estas napalmo. Kaj oni demandas sin, kiaj homoj estas tiuj, kiuj „surmerkatigas" ĉi tiun mortigan produktaĵon? Ankaŭ al tio la libro de Takman havas respondon. Ĉi citas usonajn monopolojn kaj entreprenojn kaj donas indikojn – tiom kiom trafiltriĝas malgraŭ sekretigaj disponoj – pri iliaj profitoj en la napalmnegoco. Unu el multaj de tiuj napalmproduktantaj entreprenoj estas la Nopco Chemical Co., 60 Briad Street, Newark, kiu en la unua duonjaro 1965 plialtigis siajn profitojn je 90 procentoj dank' al la napalmkonjunkturo.
Ne estas sekreto, ke la okcidentgermana registaro apartenas al la plej volemaj kaj plej aktivaj helpantoj de la usonanoj en ilia milito kontraŭ Vjetnamio. Kiesinger, Brandt kaj aliaj plurfoje manifestis sian solidarecon kun Usono en tiu ĉi demando („La federacia registaro treege altestimas la usonan kontribuon al la defendo de la libereco en tiu ĉi parto de la mondo", tion deklaris la nuna ĉefministro en aŭgusto 1967 rilate la usonan Vjetnamio-politikon). La usona flanko responde atestis al la federacia respubliko, ke ties kontribuo rilate Vjetnamion estas „la plej granda post tiu de Usono" (Averell Harriman).

Tamen la okcidentgermana registaro provas ŝajnigi sin senkulpa, kaŝiĝi malantaŭ „humaneca helpo", kiam oni postulas de ĝi klarigon pro ĝia subteno al la usona agreso. Ekzistas multaj pruvoj pri la Bonn-a kunkulpo je la sangoverŝo en Vjetnamio, ĉu laŭ ciferoj pri militistaj helpadoj por Saigono, ĉu pri la pormilitaj kreditoj por Washington en formo de la kompenso de devizoj. Sed pli informa ol ĉiu nombro eble ŝajnas esti la eksperimento, kiun realigis la okcidentgermana verkisto *Günter Wallraff*.
Ŝajnigante sin kemifabrikanto, kiu evoluigis speciale malmultekostan procedon por produkti konsistan parton de la napalmo, sed pro konsciencaj kaŭzoj timis akcepti grandajn komisionojn de la usona armeo, li konsultis 23 ekleziulojn kaj teologojn. 19 el ili pli malpli kuraĝigis lin akcepti la negocon, kvankam ili sciis pri la teruraj efikoj de la napalmo. Unu el ili motivigis sian kuraĝigon per tio, ke ja temas ankaŭ pri la demando „komunismo kaj demokratio" kaj ke la usonanoj reprezentas la demokration. Ne estis voĉo de blindigita unuopulo, sed reflekso de klimato, en kiu konscio pri kontraŭkomunisma misio kaj „libera entreprenisteco" estas faritaj leĝo, de klimato, en kiu gazeto kun milioneldono, la „BZ" de Springer, skribis sur kulmino de la eskalado: „Finfine senkompromisa milito, kiu ankaŭ ne plu haltas antaŭ fabrikoj, havenoj, irigaciaj instalaĵoj kaj akvobaraĵoj."
Sed estas ankaŭ aliaj opinioj – ili estu prezentitaj per la voĉo de Prof. Gollwitzer el okcidenta Berlino. Li deklaris: „Oni ne povas esti demokrato, ne levante sin kontraŭ la usona Vjetnamiopolitiko kaj ĝia imperiisma deveno. Oni ne povas esti kristano kaj silenti pri la murdoj en Vjetnamio." Tiuj ĉi germanoj laŭtigas sian voĉon, ĉar, cerboj en servo de la agresantoj elpensas detruajn armilojn kontraŭ vjetnamaj virinoj kaj infanoj. Por ili estas kuraĝigo, ke civitanoj de la alia germana ŝtato, de GDR, en konformeco al la leĝoj kaj etik-moralaj normoj de sia ŝtato, disponigas sian krekapablon al la servo de la vjetnama popolo. Unu ekzemplo el multaj: Sciencistoj de la popolpropra entreprenejo Jenapharm evoluigis ŝprucigeblan kuracilon kontraŭ pernapalmaj brulvundoj. Estas simbole por la solidareca sento de la junularo en GDR, ke junaj laboristoj de popolpropra entreprenejo plurfoje laboris senpage, por aldone liveri kalisterkon por la vjetnama tero dezertigita per usonaj bomboj. Milionoj da GDR-civitanoj helpis al la vjetnama popolo en formo de mon- kaj objektdonacoj, ili liveras sangoplasmon kaj kompletigas per individua agado la solidarecajn aktivecojn efektivigatajn sur ŝtata nivelo.

(El „Berliner Brief" Nr. 6/1969)
Trad. Dr. Karl Schulze, Berlin)

– CR –

*Napalmo, la skurĝo de la infanoj. Dro Louis Fieser, la inventinto de Napalmo: „Mi ne havas iujn konsciencriproĉojn, nur ĉar mi inventis napalmon. Mi laboris pri kemia problemo kaj ripetus tiun, se la registaro tion postulus de mi".*
Fotos: Zentralbild

Napalm – die Geißel der Kinder

Verwüstet durch 2000 Grad Hitze

Gespenstisch: Na

Augen klagen an

NEUE ILLUSTRIERTE REVUE

Dr. Louis Fieser, Erfinder des Napalms

„Ich habe keine Gewissensbisse, nur weil ich das Napalm erfunden habe. Ich arbeitete an einem chemischen Problem und würde es wieder tun, wenn die Regierung es von mir fordert"

# SON MY

Nixon nomis la masakrojn de Son My „devojiĝo de unuopuloj" – Dayan nomis la amasmurdon de Abu Zaabal „tragika eraro". Tio estas la taktiko de la imperialismaj agresoroj, se la monda publiko ilin respondecigas pri tio.
Sed iliaj militoj estas aro de tiuj „devojiĝoj" kaj „eraroj", etendiĝanta de Lidice kaj Oradour ĝis Son My kaj Abu Zaabal.



*Viktimoj de Son My. La usona arme-fotografo Ronald Haeberle fotis la masakron de Son My (Marto 1968). Plia pruvo pri la genocida milito de USONO kontraŭ la vjetnama popolo.* Foto: Zentralbild

## Anna Seghers

Membro
de la Tutmonda Packonsilantaro

Ĉu estis murdo ordonita? Ĉu estis murdo sen ordono? Ĉu tio okazis tute indiferente? Ĉu pro plezuro pri murdado? Ĉion tion ni ne scias tute ekzakte. Eble estis alie ĉe la unuopulo. Ĉiuokaze ili ĉiuj ĉeestis, kaj oni ne devas allasi, ke la puno ne atingos ilin. Pri tio garantias ni, kiuj ankoraŭ vivas.
Verŝajne la sento, ke ili iun tagon devos retiriĝi el la lando sen venko, estis ligita kun la sento, ke tiu ĉi lando apartenas al homoj kun alia haŭtkoloro. „Ili ne estas negroj – kiel hejme sed io malbenite simila. Esence ankaŭ ili ne estus ĝustaj homoj. Oni malprave nomus ilin homoj." Pro tio, pensis al si tiuj, kiuj komencis murdi, estus ĝuste trakti ilin tiel, kiel la nazioj faris tion en la dua mondmilito. Tial ankaŭ ĉi tie oni obeis sen konsciencaj skrupuloj al la ordono laŭtlegita de kapitano. Kaj la kapitano senkonscience enkapigis al siaj subuloj la ordonon, „kiu venis de supre."
Mondampleksaj demonstracioj devas paroli, kie la konscienco de la kapitano silentis. Ankaŭ ŝtormo en la usonaj urboj, ŝtormo en la aliaj ŝtatoj de la mondo ne plu povas revivigi la mortintojn. Sed ĝi povas akre averti la ordonobeantojn, ke ili ekhavu timon, se ne iun konsciencan timon, tiam minacantiam mortotimon, post kiam ili kulpis pri precipe kruela krimo kontraŭ la humaneco.



*VO THI LIEN, 12 jara, unu el la malmultaj transvivintoj de la masakro de Son My, inter pioniroj.*

## Hyman Lumers, Usono

Membro de la Nacia Komitato de KP de Usono

# Son My - la Lidice de hodiaŭ

La bruta sangverŝado de Son My ne estis krimo staranta sole. Ĝi ne estis hazarda ago laŭ ordono de sadisma leŭtenanto de la armeo. Kaj ĝi ankaŭ ne estis faro kontraŭa al la militpolitiko de Usono.
Male, la malkovro de tiu ĉi unuopa hombuĉado nur konfirmas la realan karakteron de tiu ĉi milito en ĝia tuta krueleco – de eksterma milito kontraŭ la popolo de Vjetnamio.
Temas pri milito, en kiu – kaj tio dekomence – decidan rolon ludis la amasmurdado inter la civila loĝantaro. Son My estas esprimo pri la karaktero de tiu ĉi milito, same kiel Lidice estis esprimo pri la karaktero de la milito kondukita de Hitler.
Kie ni devas serĉi la respondeculojn por tiu ĉi krimo? Certe ne inter la plenmano de usonaj soldatoj, kiel Nixon volas kredigi nin. Ne, male en la Blanka Domo, en la Pentagono, en la usona ministerio por eksteraj aferoj kaj en aliaj altaj oficoj registaraj, kiuj kondukas tiun ĉi kriman militon. Ni trovas ilin en la vicoj de la usona financkapitalo, pro kies profitoj kaj pro kies potenco tiu ĉi milito estas farita.

# Du germanoj en Vjetnamio

Ambaŭ ili estis en Vjetnamio. Ambaŭ ili venis el po unu germana ŝtato.
Sed jen – jam necesas precizigi – la „de kie" kaj la „kien".
Ĉar:
La unu venis el la Federacia Respubliko Germanio kaj vojaĝis al Sudvjetnamio;
La alia venis el la socialista Germana Demokratia Respubliko kaj vojaĝis en la socialistan Vjetnamion.
Sed ne estas sole tio, kio diferencigas ilin. Pli ankoraŭ ol la devenaj – kaj celaj landoj, tio estas ilia agado, kiu disigas ilin tutege, jes, kiu igas ilin fariĝi al simbolaj figuroj por la absolute mala sinteno de la du germanaj ŝtatoj al Vjetnamio.
La unu – tio estas senskrupula murdisto: la 28jaraĝa Dierk Piffke el Munkeno (= München). Antaŭ kvin jaroj li elmigris al USONO. Kvankam ankoraŭ havante la okcidentgermanan civitanecon li estis rekrutigita kiel multaj aliaj federaciaj civitanoj kaj flugtransportita al Sudvjetnamio. Li estis ano de la la Aera-Kavaleria-Divizio, kiu fifamiĝis kiel unu de la plej kruelaj unuoj de la usona armeo, kaj tial li suferigis dum jaroj sudvjetnamajn liberigbatalantojn, iliajn edzinojn kaj infanojn. Piffke estas speciale kruela „killer" (= murdisto). Pri tio atestas liaj ses usonaj militordenoj kaj ankaŭ liaj militopoŝtaj leteroj. En du de ili – publikigitaj en la okcidentgermana ilustrita gazeto „Quick", estis skribite:
*„Ni traserĉis la vilaĝon; plejparte malgrandaj argilaj kabanoj kun pajlaj tegmentoj... Ni hazarde renkontis maljunajn geedzojn. Unu el ni pafis sur ilin, ja pro enuo aŭ kiel iu, kiu iras ĉasi leporojn. Li depafis de la maljuna viro la piedfingrojn kaj ankoraŭ fieriĝis pri tio. Kelkaj ridis... Depost tagoj ni estas en kolera batalo. Kampo kovrita per kadavroj. La malbonodoro estas naŭza. Ni troviĝas nur kelkajn kilometrojn de la kamboĝana landlimo..."*
La alia: Medicina konsilisto Prof. Dr. A. K. Schmaus, ĉefkuracisto de la ĥirurga kliniko en la Berlina malsanulejo Friedrichshain kaj membro de la Vjetnama Komitato de GDR. Li jam kelkfoje restadis en la socialista Vjetnamio. De 1956 ĝis 1958 li helpis ĉe la ekkonstruo de la ĥirurga kliniko de Hanoi. 1966 kaj 1967 li ree flugis en la Demokratian Vjetnamian Respublikon kaj transdonis medikamentojn, sangoplasmon kaj medicinajn instrumentojn, kiujn oni aĉetis el la enspezo de la agadoj de solidareco faritaj per la GDR-civitanoj. En Januaro de pasinta jaro li apartenis al tiu GDR-registara-delegitaro, kiu subskribis en Hanoi la trian konvencion pri plua helpo sur la kampo de la sanigado. Dum tiu ĉi vizito Prof. Dr. Schmaus ankaŭ faris kontrakton de amikeco inter „sia" Berlina malsanulejo kaj „sia" Hanoi-a hospitalo „Viet-Duc" (= vjetnama-germana amikeco). Tiu hospitalo estas konstruita kaj ekipita per la helpo de la GDR. La interkonsento enhavas ekzemple, ke vjetnamaj kuracistoj estos plu kvalifikataj per la malsanulejo Friedrichshain, kaj ke oni sendos medikamentojn kaj medicinajn instrumentojn al Hanoi.

(El „DDR-Revue" 2/1970
Trad. Ernst Dietrich



*Dum restado en la Demokratia Vjetnama Respubliko la membroj de delegacio de la ministero por saneco de GDR ankaŭ vizitis la hospitalon Viet-Duc en Hanojo (=„Vjetnama germana amikeco"). Ĝi estas konstruita kun la helpo de GDR. Dum la vizito transdonis la ĉefkuratisto de la ĥirurgia kliniko en Berlin-Friedrichshain, Profesoro Dro Albert Schmaus (dekstre) neprege necesajn medikamentojn.* Foto: Zentralbild



Ein Deutscher in Vietnam

QUICK

„Auf meinem Stahlhelm steht: ‚Lieben und leben'. Aber ich schrie: ‚Macht keine Gefangenen, erschießt sie alle!"

„Ich stand schußbereit vor dem Tunnel. Heraus kam eine junge Frau. Sie war halb erblindet. Ihr Kind kroch auf allen vieren."

**5. September 1965 (an Bord)**

Liebe Eltern! Schon drei Wochen auf diesem Kahn. Ich habe inzwischen gelernt, daß man auch ohne Bier leben kann. Am nächsten Wochenende sollen wir in der Bucht von Quin Nhou landen. Gestern befanden wir uns 8050 Meilen von Charleston (dem Einschiffungshafen am Atlantik, die Red.) entfernt. Traf auch einige Deutsche. Einen Kölner und einen Ulmer. Ver-

**24. September 1965**

Wir durchsuchten das Dorf; meist Lehmhütten mit Strohdächern; die herrliche bunte Fassade eines Tempels, von einem Hakenkreuz gekrönt. Wir stießen nur auf ein altes Ehepaar. Einer von uns schoß auf sie, wohl aus Langeweile, oder wie jemand, der auf Hasenjagd geht. Er schoß dem alten Mann die Zehen ab und war noch stolz darauf. Andere lachten. Ein Sa-

*Germano en Vjetnamio (Dierk Piffke) „Sur mia kasko skribitas: ‚Ami kaj vivi.' Sed mi kriis: ‚Ne faru kaptitojn, ĉiujn mortpafu!'" „Mi staris antaŭ la tunelo, pafpreta. Elvenis juna virino. Ŝi estis duone blindiĝinta. Ŝia infano rampis sur ĉiuj kvar."* Foto: Zentralbild

# Malgraŭ israelaj agresoj-ekonomiaj sukcesoj en la arabaj landoj

Post la militista malvenko en junio 1967 Israelo atendis ankaŭ politikan kapitulacion el Kairo. La planintoj de la agreso kalkulis, ke plej malfrue meze de la jaro 1968 la malvenkon devus sekvi ekonomia rompiĝo en UAR.
La ekkonstruo en UAR estis akompanata de komplikaj ekonomiaj kaj financaj problemoj per samtempe plifortiĝanta imperiisma ekonomia milito. En la financjaroj 1964–1966 ŝanceliĝis la deficito de la ekstera komerco ĉiujare ĉirkaŭ 150–200 milionoj da egiptaj funtoj. La deficito de la pagbilanco ne estis pli malalta.
La israela agreso ne nur estis konceptita kiel militista-politika atako, – kiel baldaŭ montriĝis –, sed ankaŭ kiel kulmino de la ekonomia milito kontraŭ UAR, ĉar ĝi ege akrigis la malfacilaĵojn. Ĝi forrabis de UAR siajn plej gravajn valuto-fontojn – la ŝipadon de la Suez-kanalo kun jara enspezo de 230 milionoj da dolaroj, la oleajn fontojn en Sinai kaj la turismon.
Konscia agado kontraŭ ekonomia kolapso tial estis unu el la gravaj defendaj taskoj por UAR kaj sia nekapitalisma evolua vojo. Prezidanto Nasser tial ĉiam denove direktis la rigardon de la popolo al la ekonomia rezista fronto. La laboruloj en industrio kaj agrokulturo respondis per plifortigitaj laborstreĉadoj, ili akceptis oferojn kaj limigojn de la aĉetpovo. La registaro stimulis la akceladon de la eksporto, plibonigis la kredit- kaj materialprovizadon de la ŝtataj entreprenoj, liberigis parte eĉ la eksportagadon kaj plivastigis la efikagadon de la privata sektoro. Aliflanke estis reduktitaj la ŝtataj eksterlandaj elspezoj, nur la plej necesa estas importita, lokaj rezervoj mobilizitaj. Tiamaniere unua-foje en la financjaro 1968/69, en la plej juna historio de Egiptio, la Nil-lando sukcesis, ke la eksporto estis pli alta ol la importo.
Unu el la ĉefaj faktoroj por tiu ĉi stabiligo estas la plialtigo de la eksporto. En ambaŭ jaroj depost junio 1967 ĝi estis duoble tiom alta, kiel la ĝenerala kreskado de la produktado. Limigo de konsumado sur la interna merkato, plialtigitaj areoj kaj rikoltoj por „valuto"-eksportproduktoj de la agrokulturo – kotono, rizo kaj cepoj – havis sian parton por tiu ĉi eksportaltigo. Sed ne malpli la fakto, ke multaj novaj produktejoj komencis labori kaj per tio helpis redukti la importojn kaj aliflanke pli altigis la oferton de eksportvaroj. La produktado de oleo kreskis depost 1967 de 6,5 milionoj tunoj al 17 milionoj tunoj po jare, kvankam la fontoj de Sinai falis en la manojn de la agresantoj. La malkovro de novaj oleaj kampoj en la Okcidenta Egipta Dezerto instigis la UAR-registaron investi plej grandan sumon dum la venonta kvinjara plano en tiu ĉi branĉo de la popolekenomio. La ŝtal- kaj fero-kombinumo de Heluan nun plukonstruiĝos al unu el la plej potencaj industrigigantoj de la Afrika Kontinento. La laboroj ĉe la Assuan-baraĵo staras antaŭ la finkonstruo. Sole en la buĝeta jaro 1968/69 la industriproduktado kreskis je ĉirkaŭ 12 %.
Tiu ĉi paca evoluo tute ne plaĉas al la agresantoj, kiuj profitavide deziras forigi la progresemajn reĝimojn en la atakitaj arabaj landoj per konstantaj militistaj kaj aliaj agoj. Unu el la ĝis nun plej militkrimaj israelaj atakoj okazis per de Usono liveritaj „Fantom"-aeroplanoj. La bombado de la metalfabriko en Abu Zaabal estis konscia akto de la psikologia milito entreprenita de Israelo por renversi progresemajn arabajn registarojn. Sed la rezulto estis tute kontraŭe. En arabaj landoj la vendredo estas la libera tago de la semajno. 80 murditaj UAR-anoj estis la oferoj de la israela masakro de Abu Zaabal kaj dum vendredo post tiu ĉi israela militkrimo centmiloj da araboj iris sur la stratojn de Kairo por demonstrii al prezidanto Nasser – kaj al la mondpubliko – ke ili ne lasas sin ektimigi. Kontraŭe, montriĝis plifortigita preteco de la amasoj por batalo kontraŭ la agreso kaj kontraŭ la personoj kaj fortoj, kiuj staras malantaŭ la agresado.
Tradicie la eksterlandaj ekonomiaj rilatoj de Egiptio estis orientitaj al la kapitalisma mondmerkato. Post junio 1967 UAR komencis sin liberigi paŝo post paŝo el tiu ĉi tradicio kaj turnis

*Brutece traktataj estas la arabaj civiluloj en la okupitaj terenoj (El la okcidentgermana Revuo „Neue Illustrierte")*
Foto: Zentralbild





*Detruita fabriko Abu Zabaal ĉe Suez. Tie oni fabrikis ŝtalbetonaĵojn por domoj. La israelaj agresoroj surprizatake murdis 70 laboristojn.*
Foto: Zentralbild

sin al kooperado kun la afro-azia mondmerkato kaj speciale al la socialisma. Depost 1967 la interŝanĝo de varoj kun socialismaj landoj kreskis rapide. Ĉar ĝi okazas laŭ la principo de kontrakto pri reciproka liverado de varoj, UAR ricevis la eblecon pagi per siaj eksportoj la importon de produktiloj aŭ varoj por konsumado. 1968/69 UAR 70 % el siaj eksportoj liveris al landoj, kun kiuj ekzistas tiaj kontraktoj.
Ankaŭ en rilato al kreditoj kreskis la Egipta socialisma kooperado. De la tutaj eksterlandaj kreditoj por UAR 60 % venas el socialismaj ŝtatoj, speciale el Soveta Unio. UAR uzas ilin por la ekkonstruo de sia industrio kaj repagas ilin longtempe per landaj produktoj. Per tio UAR fortigas kaj firmigas sian ekonomion, kreas krudmaterialan bazon por sia eksportindustrio kaj altigas sian sendependecon de la importo de krudmaterialo kontraŭ valora valuto.
La ekonomia „kolapso" ne venis. Tial imperiismaj monopoloj kaj ŝtatoj ekkonante la situacion klopodis per favoraj ofertoj regajni iamajn poziciojn, dum ilia anstataŭanto Israelo per konstanta agresado, devas zorgi, ke tia „helpo" estas bezonata.
Ankaŭ la Suria Araba Respubliko bone sukcesis sur la vojo al ekonomia sendependeco. Ekzemple ne nur la propra nafto-produktado dum lasta tempo kreskis tiom, ke ĝi nun ne nur kovras la bezonojn de SAR mem, sed 1969 jam povis komenci la eksporton de produktoj de la Suriaj oleo entreprenoj.
Apud la industria evoluo kompreneble ankaŭ en tiu ĉi araba lando la evoluo de la agrokulturo estas tre grava. Fino de la jaro 1969 kunvenis 600 delegitoj kaj gastoj en la universitato de Damasko, inter ili kelkcent kamparanoj el multaj vilaĝoj kaj kunlaborantoj de la Suria Ministerio por Agrokulturo. La decidoj de la konferenco montris sciencan antaŭrigardon kaj komprenon de la leĝoj de evoluo de agrikulturo, kiuj ankaŭ validas por la Suria Agrokulturo.
La terreformo nun finiĝis en Surio kaj per tio la epoko de feŭdismo. La konferencanoj decidis por la Suria Agrikulturo la vojon de koopera produktado kaj per tio komencis por la kamparanoj de SAR nova etapo de ilia historio. Komencis la konstruado de modela vilaĝo en la Eŭfrat-ebenaĵo kaj la projekto de Eŭfrat-baraĵo estas en konstruo.
Ankaŭ la Iraka Agrikulturo staras antaŭ grandaj taskoj, finigo de la terreformo kaj irigacio de 30 000 hektaroj da dezerto.
Plej grandajn agrikulturajn sukcesojn atingis ĝis nun sendube UAR. Depost la kontraŭfeŭda revolucio de 1952 la registaro sub gvido de prezidanto Nasser faris ĉion por pligrandigi la kultiveblajn areojn. Ĝis la fino de la buĝeta jaro 1968/69 346 500 hektaroj estis novplugita lando. Ĝis 1975 estos pluaj 199 000 hektaroj.
Nova etapo de ekonomia evoluo de arabaj landoj komencas nun pro la okazaĵoj de liberigo en Libio kaj Sudano en la jaro 1969. UAR, Libio kaj Sudano komencis konkretigi sian kunlaboron. Grava komenco estas la evoluo de la trafikvojoj inter la tri ŝtatoj. Antaŭ kelkaj semajnoj malfermiĝis linio de ŝipveturado inter Aleksandria kaj Benghazi, fluglinio Khartum–Kairo–Tripolis sekvos. La direktoroj de la naciaj flugasocioj studas proponojn de kunigo. UAR kaj Sudano esploras la eblecojn de kunligo de la Nil-ŝipveturado ĝis Khartum. Ellaboro de planoj por konstruo de strato apud la Nilo ĝis Khartum jam bone progresis.
Plua grava aktuala problemo estas la unuecigo de la ĝenerala klerigado. En tiu ĉi rilato UAR havas bonajn spertojn. Necesas tial, ke ĝi donas ampleksan helpon por Sudano kaj por la „arabigo" de la klerigada sistemo en Libio. UAR havas grandajn rezervojn de laborfortoj, dum en la aliaj ambaŭ landoj mankas speciale, spertaj teknikistoj kaj ekspertoj. Kiel „senprokrasta helpo" 570 egiptaj kuracistoj kaj medicinaj flegistinoj komenco de la jaro 1970 veturis por du jaroj al Libio.
Estas ne tro multe dirita: La videbla alproksimiĝo de UAR, Libio kaj Sudano havas profundajn efikojn al la proporcio de la fortoj en la Proksima Oriento kaj per tio efikas al la decido de la batalo inter la Araba Liberiga Movado kaj la Imperiismo. Dum la Arabaj Landoj deziras pacon laŭ la UNO-sekureca konsilantara rezolucio de novembro 1967 la militkrimaj gvidantoj de Israelo daŭrigas la agreson ankaŭ kontraŭ la volo de parto de la israela popolo. La frakcio de KP de Israelo postulis debaton en parlamento pri la teroratako al Abu Zaabal.
En propono al la tagordo ĝi konstatis, ke la pirata akto ŝokis la mondpublikon kaj ankaŭ larĝajn rondojn en Israelo mem. La de la militema registaro efektivigita plifortigo de la agresado ne nur minacas la Proksiman Orienton per nova verŝado de sango, ĝi danĝerigas ankaŭ Israelon. Tuja traktado de ilia propono en la parlamento necesus por haltigi la aventuran politikon de la registaro kaj devigi ĝin al plenumo de la rezolucio de Sekureca Konsilantaro de novembro 1967.
La Germana Demokratia Respubliko ankaŭ estonte subtenos la batalon de la Araboj por politika solvo de la konflikto kaj ankaŭ estonte subtenos la Araban Popolon de Palestino, kiu gvidas heroan kontraŭ-imperiisman naciliberigan batalon por la efektivigo de siaj leĝaj rajtoj.
La subteno de la arabaj popoloj en ilia justa batalo apartenas al la plej gravaj taskoj de la pacamaj kaj progresemaj fortoj de la homaro kaj tial ankaŭ de la esperantistoj el la tuta mondo. Ni deziras al la arabaj popoloj sukceson en la defendo kontraŭ la provokaĵoj de iliaj malamikoj kaj ĉe la ekkonstruo de ilia vivo en paco kaj bonstato. – CR –

# Du militoj: Kontraŭ Vjetnamio kaj kontraŭ la usonaj nigruloj

En mia lando, unu el la plej gravaj progresoj realigitaj dum la lastaj jaroj estis la kreskanta partopreno de la progresistaj tavoloj de la Liberiga Movado de l'Nigra Popolo en la batalo kontraŭ la usona imperiismo kaj por la senkondiĉa kaj unuflanka retiro de ĉiuj usonaj trupoj el Vjetnamio . . .
En Usono, ni diras, ke la regantaj klasoj de Usono nuntempe direktas du militojn – unu kontraŭ la vjetnama popolo kaj la alia kontraŭ la usonaj nigruloj en nia lando . . .
La subpremo kontraŭ la Nigruloj en Usono estas rasa, nacia kaj klasa. Ni estas 25 milionoj en Usono; 9 % el la usonaj familioj estas nigruloj. Tamen ni ricevas nur 5 % de la nacia enspezo. En 1967, la meza enspezo de l'Nigruloj atingis nur 59 % de l'meza enspezo de la blankuloj.
. . . Ni reprezentas 9 % de l'armefortoj sed nur 2 % de la oficiroj. El 295 000 Nigruloj soldatigitaj en la usona servo, en la tuta mondo, pli ol 20 % estas en Vjetnamio. Ĉefe kiel soldatoj de infanterio.
Kaj kiam ni, la Nigruloj de Usono, agadas por rezisti je tiaj perfortaĵoj, oni provas detrui niajn organizaĵojn, enkarcerigi niajn gvidantojn, kaj multaj el ni estis murditaj.
Pro tiuj motivoj kaj ankaŭ aliaj, la nigra popolo de Usono facile komprenas, ke la batalo de niaj vjetnamaj fratoj celas tiujn samajn objektojn, kiujn ni same deziras por ni-mem, kaj ke ambaŭ niaj popoloj batalas kontraŭ komuna malamiko, la usono imperiismo.
*Roscoe Q. Proctor (ĉe la mitingo de 12/2/70 en Parizo por la solidareco kun Vjetnamio).* – CR –



*Pioniroj el Rostock vendas memfaritajn objektetojn solidare al Vjetnamio*

## Solidareco kun Vjetnamio

La impertinenta daŭrigo de la krima agresmilito de Usono en Sudvjetnamio ne devas endormigi la lukton de pacamikoj. Tial denove kaj ĉiukaze ni demonstru kontraŭe kaj deklaru al niaj leteramikoj la verajn kaŭzojn!
Nia grupo kolektis dum la lastaj du jaroj 2186 protestsubskribojn kontraŭ la murda milito de Usono, kaj 35 civitanoj unuafoje donacis senpage sangon por vunditaj Vjetnamoj. Ni kreis propran solidarecan afiŝon, kies kopion vi apude vidas.
Ni petas skribi al ni multfoje kiel vi uzas Esperanton por la lukto pro paco kaj por progresa kulturmovado. Ni nepre respondos. En frata interligeco!
*Esperanto-grupo „Popolamikeco"*
*mane Kurt Heeg, 962 WERDAU, GDR, Ziegelstrasse 20*
– CR –

Foto: Kurt Heeg




*Jen „libera" usonano*



## Sen komento

Oni legas en „Bona Espero" nro 1/70, paĝo 8, organo de Sudafrika Esperanto-Asocio: „Eĉ la plej severaj kritikistoj pri nia lando ne povas ne rimarki la pacan kunvivadon de la diversaj rasoj."
paĝo 10: „Escepte de malplimulto, kiu transprenis la pens-kaj agmanieron de la blankuloj, la afrikaj nigruloj faras nur la nepre necesan laboron kaj cetere tute senĝene ĝuadas la vivon".

# Ĉiu-sekunde mortas unu homo!

Ĉiu-tage 80 000 homoj mortas sur nia terglobo pro malsato kaj mankanta medicina priservado. Tio signifas: Unu homo ĉiu-sekunde. UNO-organizo por nutrado kaj agronomio (FAO) konstatis, ke 375 milionoj da homoj nuntempe estas malsatmortantaj. Ankaŭ en latinida Ameriko antaŭ la pordoj de la plej riĉa kapitalista lando ĉiu-minute tri infanoj ĝis dekkvar-jaraj mortas pro malsatado. Kaj tio okazas en epoko disponiganta al la homaro ĝis nun neniam estintan evolu-eblecon. Tio estas la rezulto de koloniismo kaj neokoloniismo, kiu, subtenate de imperialistaj potencoj, aplikadas pli kaj pli kruelajn metodojn de ekspluato por subpremadi aliajn popolojn.

La koloniismo komencis sian regadon per ekstermo de tutaj popoloj. Al tio apartenas rabo kaj vendado de 100 milionoj da homoj kiel sklavojn ekde la 15-a ĝis 19-a jarcentoj. Ekzemple en franca Kongio en la jaro 1900-a oni taksis la loĝantaron je 12 ĝis 15 milionoj. En 1921 ĝi konsistis ankoraŭ nur el 2,8 milionoj. En la 17-a jarcento sur la afrika kontinento vivis kvinono de la tergloba loĝantaro. Tiu parto plimalgrandiĝis je dekono dum la koloniista regado. Dum la lastaj cent jaroj la imperialistaj potencoj okazigis 121 militojn kaj militarismajn pun-ekspediciojn, dum kiuj 3,3 milionoj da afrikanoj estis mortigitaj.

### Elpremitaj profitoj

Je la kostoj de la kolonioj la imperialistoj alproprigis al si dum la regado preskaŭ kvaronon de la nacia enspezoj de Hindujo kaj proksimume trionon de la nacia enspezo de Indonezio. La gajno el la kupro-minejoj de Nordrodesio sumiĝis je 2 000 procentoj en la jaro 1937-a. Kaj el la nafta regiono de la meza oriento USA profitis 7 779 milionojn da dolaroj laŭ la UNO-statistiko devenanta el la jaro 1967-a. La investoj por tiuj landoj sumiĝis nur je 748 milionoj da dolaroj.

### Malsanoj kaj morteco

Unu el la plej teruraj sekvoj de la koloniista regado estas la krima neglektado rilate al porsana priservado de la loĝantaro. Tio kaŭzis, kiel raportas la tutamerika perioda gazeto por sanprotektado, ke en la landoj de latinida Ameriko 44 procentoj de la morteco koncernas infanojn aĝantajn ĝis 5 jaroj. Po 1 000 enloĝantoj la nombro de mortoj estas 22 en Afriko, 18 en Azio, 10 en Eŭropo kaj 9,3 en Usono. La meza vivo-aĝo en la plej multaj landoj de Azio, Afriko kaj latinida Ameriko konformas kun tiu en Eŭropo el la 17-a kaj 18-a jarcentoj. Kvankam gravaj epidemioj furiozas en tiuj landoj, tie troviĝas katastrofe malmultaj kuracistoj. Ekzemple en Indonezio estas nur unu kuracisto por 30 000, en Nigerio por 31 000, en la ŝtatoj de centra Afriko por 25 000 enloĝantoj. En Usono unu kuracisto priservas nur 305 homojn.

### Analfabetismo

En la koloniisme subpremataj landoj oni konscie malsuperigis la klerecon. Eĉ ĝis nun la sekvoj estas konstateblaj. Ekzemple en Angolo sekve de la portugala koloniismo ankoraŭ nun 97,3 procentoj de la loĝantaro estas analfabetoj. En Mocambique tiuj estas 98,7 procentoj. En Afriko ĝenerale 80 ĝis 85 procentoj de la loĝantaro estas analfabetoj. Inter 100 000 enloĝantoj meznombre nur 7,5 personoj estas intelektuloj.

### Koloniismo nov-maniera

Post la dua mondmilito pli ol 70 ŝtatoj atingis, ke ilia sendependeco estis agnoskita. Sekve de malgrandiĝo de la kapitalista mond-merkato la imperialismo pli kaj pli multe staras antaŭ novaj problemoj de kapital-eksporto kaj de esplorado por novaj debit-eblaĵoj. Tiurilate ĝi pliakrigas sian neokoloniisman politikon, kiu celas ligi la subevoluintajn landojn kiel liverantojn de krudmaterialo al la de kapitalista mondekonomio, ĉe kiu la senrajtigita laboristaro restadu. Tio signifas ekspluaton kaj subpremadon de junaj nacioj en la teknike altevoluiĝinta jarcento, kiuj en sia evoluo estas ĵetataj malantaŭen kaj kondamnitaj al malsatado, malsano kaj aliaj turmentoj de la koloniismo.

### Ekspluatego de la subevoluintaj landoj

La popoloj de la novaj ŝtatoj ricevas por sia laboro pli kaj pli malmulte. La plimalboniĝo de la negocaj interrilatoj kaj aliaj faktoj estigas maljustaĵojn, kiel ekzemple jene: La ŝtato Kameruno povis aĉeti 2 700 metrojn da teksaĵoj aŭ 1 200 kilogramojn da cemento por unu tuno da kakao en la jaro 1960-a. Nuntempe ĝi ricevas por la sama kvanto da kakao nur 800 metrojn da teksaĵoj aŭ 430 kilogramojn da cemento. Fine tio signifas por la loĝantaro pli malmulte da salajro kaj pli malmulte da nutraĵoj. Tiu-kaŭze, laŭ publikaĵo de UNO-Ekonomia Komisiono, la nutraĵkonsumo statas en la subevoluintaj landoj je 20 procentoj sub la ekzistadminimumo.

### Paradoksaĵo de la 20-a jarcento

La novaj ŝtatoj urĝe bezonas fakajn specialistojn, sciencistojn, teknikistojn, kuracistojn ktp. La laboruloj lernigitaj en tiuj landoj ne restas enlande, sed ili estas forloge dungataj de la imperialistoj, kiuj „aĉetas cerbojn". Pri tio kelkajn ekzemplojn: De 1961 ĝis 1965 transloĝiĝis 28 714 fakuloj el latinidaj amerikaj landoj en Usono-n.

En latinida Ameriko troviĝas 80 medicinaj lernejoj. Post la absolvo de la studado en tiuj institutoj tiom multaj kuracistoj iras al Usono, kiom 20 tiaj lernejoj klerigas. USA profitas el la ŝparitaj elspezoj por la klerigo de propraj fakuloj rektan materian avantaĝon, kiu samvaloras la „helpon" donatan al la kleriga sistemo de tiuj landoj. Sed la landoj mem postrestas en sia evoluado, dum USA senĝene, senhonte gloras pri siaj dolar-profitoj ricevitaj per la neokoloniismo. Tiurilate la prezidanto de la amerika Societo International, Harvester klarigis: „Por ĉiu dolaro elspezita dum la lastaj kvin jaroj ekster Usono pro diversaj celoj ni ricevis 4,67 dolarojn.

El „Panorama DDR"
tradukis Erich Wald
– CR –

# La milionoj da mortintoj de l'imperiismo

6 600 000 000 000. Superas la imagokapablon de la normala homo, ekkapti ĉi tiun sumon. Matematikistoj aŭ astronomoj eble havas percepton pri ĉi tiu nombro. Tamen ĝi apartenas nek en la sferon de la supera matematiko, nek en la sferon de la astronomio. Ĝi estas – esprimite en dolaroj – la sumo de la perdoj je materiaj valoroj, kiujn la imperiismo prezentis al la popoloj de la tero: per grandaj kaj malgrandaj militoj, per neproduktivaj elspezoj por armeo, per ekonomiaj krizoj, per depresioj...

Ankoraŭ pli terura kaj preskaŭ ne esprimebla per vortoj estas la bilanco de homa sufero. Neniu el la ekspluatantoj-sistemoj regintaj dum la antaŭaj jarcentoj estas prezentinta al la homaro tiom da morto kaj pereo, kiom la imperiismo dum la sep jardekoj de sia ekzistado. En du de ĝi flamigitaj mondmilitoj estis mortigitaj pli ol 60 milionoj da homoj kaj 110 milionoj por la tuta vivo kripligitaj. Je epidemioj kaj malsanoj, kaŭzitaj de la milito kaj ĝiaj sekvoj, mortis dekoj da milionoj da homoj. Nemezureblaj estis la perdoj pro nenaskiĝoj kaj rapida kresko de morteco.

Kompare la nombro de la en antaŭaj militoj mortigitoj sur la eŭropa kontinento:

En la 17a jc. 3 milionoj da homoj
En la 18a jc. 5,2 milionoj da homoj
En la 19a jc. 5,5 milionoj da homoj

La nombro de la mortigitoj sole da armeanoj en la unua mondmilito sumiĝis je 10 milionoj, kaj de la kripligitaj je pli ol 20 milionoj. Dum la ses jaroj de la dua mondmilito pli ol 54 milionoj da homoj perdis la vivon, kaj 90 milionoj estis vunditaj, el ili 28 milionoj estis faritaj kripluloj. Du milionoj da virinoj, infanoj kaj gemaljunuloj ĉe flugatakoj en la postfronto perdis sian vivon.

**Detruoj fare de du militoj**

En la unua mondmilito estis detruitaj materiaj valoroj sume de 338 miliardoj da dolaroj. Per 4 000 miliardoj da dolaroj tiuj ĉi perdoj pli ol dekobliĝis dum la dua mondmilito. Sole en Sovetunio la materia damaĝo, kaŭzita per la detruegoj fare de la faŝistoj, sumiĝis je 500 miliardoj da dolaroj.

La partoprenintaj en la unua mondmilito imperiismaj potencoj kune elspezis je rektaj militkostoj 208 miliardojn da dolaroj. En la dua mondmilito elspeziĝis 1 380 miliardoj da dolaroj.

**Perdoj sekve de ekonomiaj krizoj**

La 20a jarcento havas 69 jarojn. Dekalkulante la militojarojn kaj la tempon tuj sekvantan, restas 53 relative pacaj jaroj. Dum 25 jaroj el ĉi tiuj 53 la plej granda parto de la imperiisma mondo estis frekventata de ekonomiaj krizoj; regis la plej granda fine de la 20aj, komence de la 30aj jaroj. Sep jarojn daŭris la ekonomia depresio post la krizo. Sole 21 jaroj estis markitaj per ekonomia prospero, kiu ĉefe estis stimulata per la senpera militpreparo.

Tiutempe la perdoj de Usono sumiĝis je 300 miliardoj da dolaroj kaj tiuj de la ceteraj kapitalismaj landoj je 400 miliardoj da dolaroj. La perdoj sekve de ekonomiaj krizoj, kiuj frekventis Usonon dum la jaroj 1948, 1954 kaj 1958, sumiĝas je 400 miliardoj da dolaroj.

La fakturo, kiun la popoloj prezentas al la imperiismo, sub la streko, montros sumon, kiu ege superas la imagokapablon de mezula cerbo:

6 600 000 000 000 $

*El Panorama DDR*
*trad. H. Rothe*

*La nomoj de la 80 000 viktinoj de la atombombo super Hiroŝimo sub ŝtona monumento. La danĝero de atommilito ne malaperis!*
Foto: Zentralbild



Anatolij Parpara

## Estu paco!

Eterna paco,
Jen plej bona la rimedo
Por la feliĉo
De iu ajn patrin'!
Samkiel sunradio,
Tiam sur Planedo
Karesus
La infan-rideto min.

(El la Rusa trad. Aleksandr Logvin)
– CR –



*De anglaj-usonaj aviadiloj sensence detruita Dresdeno. Antaŭ 25 jaroj, 35 000 homoj mortis.*
Foto: Zentralbild

La 23-an de oktobro 1967 publikiĝis la Ĝenerala Sekretario de la Unuiĝintaj Nacioj raporton pri la eblaj sekvoj el la apliko de nukleaj armiloj kaj pri la sekureco kaj la ekonomiaj konsekvencoj por ŝtatoj en kazo, ke ili akirus kaj pluevoluigus tiujn ĉi armilojn.
La sekvaj demandoj kaj respondoj rilate al la sekvoj de eventuala apliko de nukleaj armiloj baziĝas sur la raporto de la Ĝenerala Sekretario kaj konformas al ĝi laŭ enhavo kaj spirito.

# LA NUKLEARMILA DANĜERO

**Kiajn sekvojn havus la eksplodo de unu el la novaj nukleaj armiloj – de la hidrogena aŭ fuzia bombo?**
Studaĵo konsideris efektivan urbon kun iom pli ol unu miliono da loĝantoj, kiu disvastiĝas ĉiuflanken proksimume 8–10 kilometrojn (tio signifas, ke ĝi havas areaĵon de proksimume 250 km$^2$); ni supozu, ke ĝi estu atakata per unusola bombo, kiu havas eksplodforton de 1 megatuno TNT kaj eksplodas sur la tersurfaco. Konsiderante la indikojn de Hiroŝima kaj Nagasaki kaj ankaŭ la rezultojn de zorge preparitaj testoj de nukleaj armiloj, la bombviktimoj dividiĝus sekve:
Mortigitaj de eksplodpremo kaj fajro
270 000 personoj
mortigitaj de la radioaktiva precipitaĵo
90 000 personoj
vunditaj
90 000 personoj
(el tiuj troviĝus 15 000 personoj sur la teritorio de la radioaktiva precipitaĵo kaj estus tial elmetitaj al la radiado)
nevunditaj
710 000 personoj
(el tiuj troviĝus 115 000 personoj sur la teritorio de la radioaktiva precipitaĵo).
Proksimume unu triono el ĉiuj loĝantoj pereus per la eksplodpremo kaj la fajro aŭ per la dozo da radioj, ricevita dum la unuaj du tagoj. Trionmiliono da mortintoj – tio estas proksimume konforma al la nombro de la civilistoj, mortigitaj dum aeratakoj kaj en Germanujo kaj en Japanujo dum la tuta dua mondmilito.

**Ĉu ekzistas iuj esploroj pri tio, kiajn sekvojn havus atomatakoj kontraŭ malgrandaj ŝtatoj?**
Sveda studaĵo pri la sekvoj de atomatakoj kontraŭ svedaj urboj montris, ke atako, dum kiu oni uzus 200 armilojn – de 20 kilotunoj ĝis 200 kilotunoj da TNT energiekvivalento – postulus 2 ĝis 3 milionojn da viktimoj, t.e. 30 ĝis 40 procentoj de la ĉirkaŭ 7 milionojn nombranta tuta loĝantaro. Ĝi montris ankaŭ, ke la sveda industrio estus detruota je 30–70 procentoj kaj ke proksimume du trionoj de la laboristoj en la industrio estus mortige aŭ peze vunditaj. Tiu ĉi studaĵo eliris el tio, ke okazus relative granda atako, tamen ĝia forto konformas nur etan parton de la nukleaj armiloj, kiuj jam troviĝas en la atomarsenaloj.

**Kiajn sekvojn havus atommilito?**
La efikoj de totala atommilito, kie ajn ĝi ekestus, ne lasus sin limigi nur al la militantaj potencoj. La jam priskribita senpera neniigo same kiel la tuja kaj la plilongdaŭra mortige efikanta radioaktiva precipitado trafus ilin. Sed al la najbaraj landoj kaj eĉ al landoj en malproksimaj kontinentoj baldaŭ povus minaci la danĝeroj de la radioaktiva precipitaĵo, kiu, portata tra la aero kiel grandega nubo, povus fali teren en granda distanco de la eksplodloko. Almenaŭ en la sama duonsfero ekzistus longe daŭranta danĝero de radiado, kiu minacus malproksime loĝantajn kiel ankaŭ proksimajn popolojn pro la konsumado de nutraĵoj, havantaj sian originon en la radioaktive infektita vegetaĵaro kaj pro la ekstera priradiado, eliranta el precipititaj radioaktivaj eroj. Grandeco kaj karaktero de la danĝero dependus de la nombro kaj tipo de la eksplodintaj bomboj. Ĉe sufiĉa kvanto restus neniu lando sur la terglobo indulgita de biologie efikaj radidozoj. La loĝantaro de la terglobo suferus pro pli-malpli granda terdamaĝo.

**Kiel oni plej bone povas servi al la sekureco?**
La problemo de la stabiligo de la sekureco ne povas esti solvata per tio, ke la nombro de la ŝtatoj, posedantaj nukleajn armilojn, plimultiĝas au ke la potencoj, kiuj nuntempe disponas pri nukleaj armiloj konservos ilin. Tial signifus kontrakto pri nedisvastigo de nukleaj armiloj, kiel rekomendis la Unuiĝintaj Nacioj, grandan paŝon en la ĝusta direkto, se ĝi estus libere intertraktota kaj vere obeota; la samon one povas diri ankaŭ pri kontrakto pri la malpliigo de la nuntempaj atomarsenaloj. Sur la vojo al ĝenerala kaj plena malarmiĝo oni devas strebatingi la sekurecon de ĉiuj landoj de la mondo per likvido de ĉiuj provizoj je nukleaj armiloj kaj per malpermeso de la aplikado de tiuj ĉi armiloj.

El „Wissenschaftliche Welt"
tradukis Renate kaj Dieter Bernd
– CR –

# UNO kontraŭ b- kaj k-armiloj

## Pola iniciato aprobita

La Unua Politika Komisiono de la 23-a plenkunsido de UNO per 112 voĉoj kontraŭ neniu oponanto aprobis polan iniciaton rilate al malpermeso de l'aplikado de kemiaj kaj bakteriologiaj armiloj (b- kaj k-armiloj). Antaŭ ĉio oni per tio celas subteni la penadojn de la Ĝeneva Malarmiga Komisiono sekurigi per konkretaj agoj la striktan respektadon de la Ĝeneva protokolo el la 1925-a jaro pri la malpermeso de la aplikado de bakteriologiaj kaj kemiaj armiloj. La projekto de la rezolucio estis komune prezentita de Pollando kaj 22 aliaj socialismaj, neŭtralaj kaj okcidentaj landoj.
La neceseco de tiu ĉi ago de la Popola Respubliko Pollando karakteriziĝas per la fakto, ripete malaprobita en la ĉijara plenkunsido, ke Usono en sia agresa milito en Vjetnamio aplikas kemiajn armilojn. La rezolucia projekto preskribas, ke grupo de ekspertoj, enoficigota de la ĝenerala sekretario de UNO U Thant, ellaboros ekspertizan raporton pri la efikoj de eventuala apliko de bakteriologiaj kaj kemiaj armiloj. Konekse kun tiu ĉi celo oni ankaŭ apelacias al registaroj, naciaj kaj internaciaj sciencaj institucioj kaj organizaĵoj, kunlabori kun la ĝenerala sekretario de UNO en la preparo de la ekspertiza raporto.

# Pastoro Dro Martin Niemöller en la Monda Asembleo por la Paco en Berlin

Ni scias hodiaŭ, ke la homaro nur povos travivi la venontajn jardekojn, se ĝi komprenas, ke ni devas ne nur pensi kaj agi solidare sed ankaŭ devas solidare vivi kune kaj unu por la alia. Ni volas, ke la homaro transvivu, kaj tial ni volas pacon, kaj tial ni volas fari tion por la paco, por ke ĝi konserviĝu. Mi esperas, ke tiu penso vere venkos kaj sin esprimos mobiligante kaj ekagigantenin.

# Sekundoj ĝis la morto

## Gaso minacas Eŭropon

*Jen la komenco: inkuba sento, la palpebroj kvazaŭ pikiĝas kaj kaŭteriziĝas, spirmanko, troa ŝvitapero.*
*Poste: vomemo, vomado, kapdoloroj furiozaj – la spirado ĉesas – morto.*
La 8-an de julio de la 1969-a jaro sur Okinava 24 usonaj soldatoj estis venenigitaj de elfluinta gaso – nervvenena gaso. Monaton poste la usona senatoro Ribicoff informas en la senato: 100 infanoj sur Okinava malsaniĝis pro venena gaso.
Ankaŭ en Okcidentgermanio pliiĝas „misteraj akcidentoj".
Junio de la 1969-a jaro: Okaze de ekzerca manovro de okcidentgermana federacia armeo sur la milita ekzercejo Grafenwöhr la urboj kaj vilaĝoj Eschenbach, Thomasreuth, Trag, Apfelbach kaj Kotzenreuth estas dum horoj vualataj de densaj nebulaj nuboj. La blanka nebulo tra pordaj kaj fenestraj fendetoj enpenetras la loĝejojn. Ĝi provokas fortan spirmalkapablon. Kuracistoj konstatas inflamon kaj ŝvelon de la mukaj membranoj. Kaj sammonate: venenokatastrofo en la Rejno (Rhein). La fiŝaro estos likvidita por la daŭro de jaroj, nederlandaj esplorrezultoj pruvis, ke la veneno, kontaĝinta la riveron, devenas de la konzerno Hoechst, posteulo de IG, kiu jam dum kelkaj jaroj produktas kaj parte liveras al Usono kemiajn batalilojn. Jam tiuj ĉi malmutaj ekzemploj fulme encerbigas: NATO-nervvenena gaso minacas Eŭropon. Pro la morala premo, fare de la publiko, la iama okcidentgermana registaro komence de aŭgusto de la 1969-a jaro devis konfesi, ke kemiaj amaslikvidaj armiloj de Usono jam minimume dum 10 jaroj kuŝas sur okcidentgermana teritorio.
Venengasaj deponejoj troviĝas en la hesa urbo Hanau, en la banurbo Tölz (18 kilometrojn for de la aŭstria limo).
Venengasaj deponejoj troviĝas en Ŝlesvigo-Holstinio (Schleswig-Holstein), rekte ĉe la dana landlimo.
Kiaj danĝeroj per tio estas provokitaj ankaŭ por la loĝantaro de Nordeŭropo, sekva monstra kalkulo de usonaj ekspertoj evidentigas. Kemiaj armiloj estas dudekoble malpli kostaj ol nukleaj armiloj. La financaj rimedoj, elspezitaj por la bomboj de Hiroŝimo kaj Nagasako, sufiĉas por la produktado de tiom da kemia batalmaterio, kiom necesas por la likvido de la loĝantaro de 1 000 similaj urboj. Krom tio la milita valoro de la kontraŭnerva gaso estas rimarkinda ankaŭ laŭ alia vidpunkto: okaze de l'apliko de gaso atakanta armeo povas estingi la vivon de urbo ne kaŭzante iun ajn materian domaĝon.

**Komploto de kuiristoj de veneno**

Altefikaj nervvenenaj gasoj ne nur kuŝas en la deponejoj de la disvastigitaj tra la tuta mondo usonaj militaj teritorioj. Nervvenenaj gasoj troviĝas ankaŭ en la manoj de aventuremaj okcidentgermanaj militistoj. Laŭ NATO-dokumento MC 14/4 (milit-strategia koncepto pri fleksebla reago) la okcidentgermana federacia armeo estas kapabligenda al milita praktikado per kemiaj bataliloj. Per eldiroj de usona specialisto por b- kaj k-armiloj Hersh, antaŭ nelonge publikiĝis, ke jam depost jaroj la Bonna milita ministerio ricevadas altefikajn nervvenenajn gasojn el Usono kaj antaŭ nelonge denove mendis 40 kilogramojn da ili. Dek miligramoj de tiu ĉi gaso, solvita en kubometro da aero, sufiĉas por pereigo de homo en mallonga tempospaco. Usonokrome liveras obusojn kaj minojn kun venenaj materioj, same raketojn de la tipo MC-1, kies eksplodkapoj entenas 200 funtojn de la mortige efikanta gaso GB. Konekse kun tio la detalplano 14a de la okcidentgermana federacia budĝeto estas tre informiva. Ĝi indikas 42 100 000 okc. markojn por aplikaj kaj ekzercaj abk-materioj.
Antaŭ nelonge la okcidentgermana revuo „Frankfurter Rundschau" raportis pri la sekreta operacia plano 10-1, kiu projektas la utiligon de nukleaj, bakteriologiaj kaj kemiaj armiloj, en tuta Europo, „de Kaŭkazo ĝis Nordkapo, de la bordo de Atlantiko ĝis Turkio". Entute ekzistas pli ol 100 eŭropaj aplikoplanoj. Eĉ ses el ili rilatas la teritorion de GDR. Tio montras, ke la okcidentgermana monopola kapitalo

# Venenmiksejo de la imperiismo




*Okcidentgermanaj kemifabrikoj. Ili liveris senriproĉe venenon kaj venengasin por Hitler kaj ankaŭ hodiaŭ ne rezignas bonajn negocojn. La mistera fiŝmortado en la rivero Rhein pensigas.*
Fotos: Zentralbild

**Bertolt Brecht**

# La soldato de La Ciotat

Post la unua mondmilito ni vidis sur publika placo de la malgranda havenurbo sudfranca La Ciotat, okaze de foiro por festi la alakvigon de ŝipo, la bronzan statuon de soldato de la franca armeo, ĉirkaŭ kiu la amaso premiĝis. Ni alpaŝis pli proksime kaj malkovris, ke estis vivanta homo, kiu tie staris senmove en la varmega junia suno sur ŝtonsoklo, en terbruna mantelo, la ŝtalkaskon sur la kapo, bajoneton sub la brako. Liaj vizaĝo kaj manoj estis ŝmiritaj per bronza farbo. Li movis neniun muskolon, eĉ ne liaj palpebroj tikis.

Je liaj piedoj, apogita al la soklo, estis peco da kartono, sur kiu jena teksto estis legebla:

*La statuhomo*

*Mi, Charles Louis Franchard, soldato en la . . . -a regimento, sekve de tersurŝuto antaŭ Verdun akiris la neordinaran kapablon estadi tute senmova kaj konduti dum kiom ajn da tempo kvazaŭ statuo. Tiu ĉi mia arto estis ekzamenita de multaj profesoroj kaj nomita neklarigebla malsano. Bonvolu doni malgrandan donacon al familia patro sen okupo!*

Ni jetis moneron en la teleron starantan apud tiu ĉi tabulo kaj kapskuante pluiris.

Do, ni pensis, li tie staras, armita ĝisdente, la nedetruebla soldato de multaj jarmiloj, per kiu historio estis farita, li, kiu ebligis ĉiujn grandajn farojn de Aleksandro, Cesaro, Napoleono, pri kiuj ni legas en la lernejaj legolibroj. Jen li. Li ne ekmovas la palpebron. Tiu estas la arkpafisto de Ciruso, la kondukisto de la falĉiletarmitaj veturiloj de Kambiso, kiun la sablo de la dezerto ne povis definitive entombigi, la legiano de Cesaro, la lancrajdisto de Ĉingis-Kano, la sviso de Ludoviko XIV-a kaj la grenadisto de la unua Napoleono. Li posedas la kapablon do ne tiel neordinaran ne montri iun senton, kiam ĉiuj imageblaj detruiloj estas elprovataj ĉe li. Kvazaŭ ŝtono, sensenta (li diras), li estadas, kiam oni sendas lin al morto. Traborita per lancoj el la plej diversaj epokoj, ŝtonaj, bronzaj, feraj, puŝita de batalveturiloj, tiuj de Artakserkso kaj tiuj de generalo Ludendorff, distretita de la elefantoj de Hanibalo kaj la rajdistaj eskadroj de Attilo, frakasita de la flugintaj ercpecoj de la pli kaj pli perfektaj pafilegoj el pluraj jarcentoj, sed ankaŭ de la flugintaj ŝtonoj de la katapultoj, disŝirita de la pafilkugloj grandaj kiel kolombaj ovoj kaj malgrandaj kiel abeloj, li staras, nedetruebla, ĉiam denove, komandita en multnombraj lingvoj, sed ĉiam nescianta kial kaj por kio. La teritoriojn, kiujn li konkeris, li ne ekposedis, tiel kiel la masonisto ne loĝas en la domo, kiun li konstruis. Nek apartenis al li la lando, kiun li defendis. Eĉ ne lia armilo aŭ lia uniformo apartenas al li. Sed li staras, super si la mortpluvon de la aviadiloj kaj la brulantan peĉon de la urbmuroj, sub si la minon kaj la falfosaĵon, ĉirkaŭ si peston kaj batalgason flavkrucan, karna ingo por ĵetita lanco kaj sago, celpunkto, tanka koto, gaskuirilo, antaŭ si la malamikon kaj malantaŭ si la generalon. Nenombreblaj manoj, kiuj teksis al li la kamizolon, frapis la kirason, tajlis la botojn! Nenombreblaj poŝoj, kiuj pleniĝis per li! Nemezurebla kriado en ĉiuj lingvoj de la mondo, kiu spronis lin! Neniu dio, kiu ne benis lin! Lin, kiu estas infektita per la terura lepro de la pacienco, kavigita per la nekuracebla malsano de la sensentemo.

Kia tersurŝuto, ni pensis, estas tiu, al kiu li dankas tiun ĉi malsanon, tiun ĉi timigan, monstran, tiel treege infektan malsanon?

Ĉu ĝi eble, ni demandis nin, ne tamen estas kuracebla?

Trad. Dr. Karl Schulze (El „Kalendergeschichten")

# Kanguruo Kiel malvenkigi Esperanton: La neutralisma metodo

**Sur neŭtrala lingva fundamento rigidiĝas ĉio ĝis cemento.**

Jen kiel plej trafe travesti la versojn, kiujn la samideanoj degradis al himno.

Neŭtraleco, tiel ŝajnas, estas la plej alta principo de Esperantujo. Neŭtraleco rilate politikon, neŭtraleco rilate religion, rilate rasojn kaj eĉ seksojn (tondro! ankoraŭ ni ne estas hermafroditoj!).

Kiel longa daŭros, ĝis la lasta . . . ve! Mi devas diri, ĝis la unua komprenos, ke la neŭtraleco fine estos nia ruino! Konsentite, ke ekzistas aferoj, pri kiuj neniam ĉiuj akordiĝos, ĉar, kiel diras la francoj, estas malfacile kontentigi ĉiujn kaj sian bopatrinon.

Ĉar la Esperanto-movado estas plurisma socio, en kiu kunmiksiĝas la plej diversaj tendencoj, oni kredas, ke harmonio estas ebla nur sur la bazo de plena kaj absoluta neŭtraleco. Tiel multaj jam rigardis kiel delikton, se oni nur tuŝas politikan temon. Jen, kial en esperantorondoj oni parolas ĉefe pri interna ideo, pri stagnado de la kara lingvo kaj . . . maksimume pri la vetero.

Kontraŭ la grandaj problemoj de la hodiaŭa mondo oni restas indiferenta, ĉar „ili ja ne rekte koncernas nian aferon".

Kiom da filistreco kaj etburĝismo postrestis en la movadoj. La sola escepto estas tiu parto de la esperantistaro, kiu devenas de la tiel nomata: laborista movado, lastatempe tre senmova.

Kaj tamen la internideanoj forgesas, ke d-ro Zamenhof donis brilan ekzemplon de malneŭtraleco. En Ĝenevo li skurĝis

*(fino sur pĝ. 20)*

persistas ĉe siaj krimaj agresaj planoj. En densa kunkulpeco kun Usono ĝi organizas ampleksegan programon de la realigo de aneksaj celoj. Kaj en tiu ĉi programo biologiaj kaj kemiaj armiloj okupas fundamentan pozicion. Pro tio oni en Bonn ne postulas la forigon de la NATO-deponejoj por nervvenaj gasoj de la teritorio de Okcidentgermanio, kaj pro tio oni cetere daŭrigas la laboron pri evoluigo, eksperimentado kaj produktpreparo de amaslikvidiloj.

**Antaŭ ol realiĝos la pereo**

Jam nun la morto el la retorto ne nur minacas la okcidentgermanan civitanan loĝanteron. La insista apelacio de sveda ministro, sinjorino Alva Mydral, en la malarmiga konferenco, ke ĉiuj ŝtatoj ratifiku la Ĝenevan Protokolon de 1926, rezultas el la konscio, ke la stoko de NATO-nervvenenaj gasoj en la centro de Eŭropo minacas Skandinavion same kiel la aliajn ŝtatojn de la kontinento. La murdistaj aktivecoj de la okcidentgermana kaj usona imperiismoj devigas la popolojn al singardemo.

Komence de la UNO-plenkunsido de 1969 naŭ socialismaj ŝtatoj prezentis al la ĝenerala sekretario de UNO projekton de konvencio pri la malpermeso de evoluigo, produktado kaj konservado de kemiaj kaj bakteriologiaj armiloj kaj pri ilia likvido. Ĝi montras vojon, kiu povas preventi neimageblan inferon por la popoloj. *Renate Kalin*

El „Panorama GDR" trad.: H. Dost

La 100-a naskiĝtago de V. I. Lenin, kultura memortago de la Monda Packonsilantaro

# LENIN KAJ LA PACO

Prof. Dr. Oskar Hinckel

Kiel Lenin pluevoluigis ĉiujn problemojn el la verkaro de Marks kaj Engels, koncerne la socian progreson kaj la feliĉon de la homaro, tiel ankaŭ la pacoproblemon. Antaŭ 100 jaroj Marks prognozis kaj konfirmis, ke la alianco de la ĉiulanda laboristaro ekstermos la militon, ke la kapitalisman socion anstataŭigos la socialisma „kies internacia principo estos la paco". Jam en „Manifesto de la komunisma partio" Marks kaj Engels pruvis, ke kun la klasa antagonismo interne de la nacioj malaperas la malamika reciproka sinteno de la nacioj. Tio signifas, ke la batalo de la laborista klaso por la socialismo, kaj la paco, estas nedisigebla unueco, do finfine la socialismo venkos la militon.
Ke tiu unueco estas ne sole teoria sed praktike politika, tion klarigas la unua dekreto de la sovetpotenco, la „Dekreto pri la paco". Ĝin verkis Lenin, kaj li deklaraciis ĝin per parolado je la Dua Tutrusa Sovetkongreso la 8-an de novembro 1917. Komence de sia parolado Lenin diris: „La demando de la paco estas la plej aktuala, la ĉiujn emocianta demando de la nuntempo", kaj fine li konstatis: „La laborista movado venkos kaj ebenigos la vojon al paco kaj socialismo".
Du faktoj evidentiĝas per tio: La unueco de laborista movado, socialismo kaj paco, – kaj la unueco de la perceptoj de Marks, Engels kaj Lenin.

■

Lenin, pledinte por ĉesigo de militoj, rabado kaj perforto, por paco inter la popoloj, kiel unua ŝtatestro socialisma ellaboris la principojn de ekstera politiko, kiu celas la sekurigon de l'paco sub la konkretaj kondiĉoj de la ĵus estiĝinta, ankoraŭ juna socialisma, kaj de la maljuna kapitalisma sistemoj.
La fundamento, la naskiĝdokumento de la socialisma ekstera politiko estas la „Dekreto pri la paco". Per tiu ĉi dekreto, unuafoje en la mondhistorio, oficiala registara dokumento deklaras, ke la daŭrigo de l'imperialisma rabomilito estas la plej granda krimo al la homaro. En ĝi estas rifuzata la metodo de ultimataj elpremoj, kaj proponata al ĉiuj militantaj popoloj, komenci intertraktojn pri justa demokrata paco. En ĝi estas malaprobata la sekreta diplomatio, kaj postulata ke estu publicotaj la sekretaj konvencioj kaj abolicotaj ĉiuj punktoj pri anekso kaj kontribucio. Aliflanke la dekreto tekstas: „... sed ĉiujn punktojn, kiuj fiksas rilatojn de bona najbareco kaj ekonomiajn interkonsentojn, ni volonte akceptas, ilin ni ne povas rifuzi." Per tio Lenin jam skizis la principon de paca kunekzistado inter ŝtatoj kun diferencaj sociaj sistemoj. La dekreto, direktita ne nur al la registaroj sed ankaŭ al la popoloj por helpi ilin interveni en la demandojn de milito kaj paco, montras, ke komencis nova epoko en la batalo por paco kaj sekureco de la popoloj.
Estas laŭleĝe, ke la ŝtato, starigita de la laborista klaso, komencis tiun epokon, kaj efektivigis la batalon por la paco ek de la unua horo ĝis hodiaŭ pli kaj pli efike.
En majo 1918 Lenin atentigis al tio, ke la plej profundajn radikojn, kaj de la interna kaj de la ekstera politiko de la ŝtato, destinas la ekonomiaj interesoj, la ekonomia situacio de la regantaj klasoj. La ekonomia intereso de la laborista klaso en socialisma ŝtato konsistas en la pliboniĝanta kontentigo de ĝiaj materialaj kaj spiritaj bezonoj, atingebla nur per rapida pliigo de la labora produktiveco. Tio estas ne sole ekonomia sed ankaŭ politika problemo, ĉar ĝi koneksas kun la disvolviĝo kaj stabiligo de la proleta ŝtatpotenco, kiu planas, gvidas kaj ŝirmas la tutan evoluon. Ankaŭ estas tio ne sole nacia sed same internacia problemo, ĉar la stabiligo de la socialisma ŝtato favoras la batalon de la internacia laborista klaso kaj ĉiujn kontraŭimperialismajn potencojn.

■

Kiam en printempo 1918 temis pri la packontrakto de Brest, skribis Lenin: „Konservante la sovetpotencon ni donas al la proletaro de ĉiuj landoj la plej bonan kaj fortan subtenon por ĝia nekredeble malfacila, peza batalo kontraŭ ĝia burĝaro." Konsideri la ekonomian intereson de la laborista klaso estas internacia problemo, ĉar por la estigo de socialismo kaj komunismo necesas favoraj internaciaj kondiĉoj, inter ili antaŭ ĉio la sekurigo de la paco. Konsekvence la sovetŝtato – naskiĝinta en la Granda Socialisma Oktobra Revolucio – kaj poste ankaŭ aliaj socialismaj ŝtatoj, fariĝis la plej insistaj defendantoj de paco kaj sekureco de la popoloj. La laborista klaso subtenas la porpacan iniciativon de ĉiuj honestaj kontraŭuloj de militoj, egale, al kiuj klasoj kaj tavoloj ili apartenas.
La pacodemando estas ankaŭ hodiaŭ „la plej aktuala, la ĉiujn emocianta demando de la nuntempo", kvankam la nuna internacia situacio diferencas de la tiama. De la „Dekreto pri la paco" ĝis la multaj iniciativoj kaj aktivecoj de Sovetunio kaj aliaj socialismaj landoj por la sekurigo de l'paco kondukas rekta, konsekvence observata linio.
Ĝi videbliĝas en la proponoj, kiujn faris la ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto, celantaj konferencon de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj por trakti pri la sekureco de nia kontinento. Tiun linion konformas ankaŭ la „Pacapelo" de l'internacia interkonsultiĝo de la komunistaj kaj laboristaj partioj en Moskvo 1969. Ĝi vokas la popolojn de la mondo, ĉiujn homojn sendepende de iliaj konvinkoj kaj politikaj opinioj, al komunaj agadoj, por ke ili kontraŭ la atencoj fare de la imperialismo defendu kaj firmigu la pacon.

El „Berliner Brief" tradukis R. Rabenalt

## Episodoj el la vivo de Lenin

# Pri homoj kaj ĉevaloj

La plej ŝatata okupado de la plej junaj el la familio Uljanow estis la ĉevaletludado. Sin reciproke jungante per ŝnureto, ili kuregis en la granda korto kaj tra la promenejoj de la ĝardeno.
Ekipite per bastoneto Wolodja vokis al la antaŭ de li kuranta pli juna Mitja: „Nu antaŭen mia kara!" Poste oni ŝanĝis la rolojn. Malmulte kurinte kiel ĉevaleto Wolodja forĵetis la ŝnureton.

La pli juna pri tio indignis: „Ĉi tio ne estas permesata, ke la ĉevalo kuru for de sia estro!" La pli maljuna respondis ŝercante: „Por ke la ĉevalo ne forkuru oni devus ĝin trakti bone kaj doni al ĝi ion bonan nutraĵon. Ekzemple nigran panon kun salo.
Iutage la malgranda Wolodja promenis kun sia pli maljuna frato Alexander laŭ la bordo de Wolga. Kaj jen li vidis kuriozan bildon. Ĉifonvestitaj, barbaj homoj iris enjungitaj per dikaj kabloj laŭlonge de la bordo, kaj trenis grandegan ŝarĝŝipon: „Rigardu", vokis la knabo, „ankaŭ la plenkreskuloj ĉevaletludas!"
Alexander ne respondis. Kuntirinte la brovojn li seriozege rigardis la tragikan bildon. La vizaĝo de Wolodja nun ankaŭ serioziĝis. „Kiaj estas ĉi tiaj viroj?"
Li mallaŭte demandis. „Ŝiptrenistoj" respondis Alexander.
„Sed pro kio ili estas anstataŭigitaj kiel ĉevaloj?"
Sin preskaŭ ne plu majstrante respondis Alexander: „Se vi estos pli maljuna, vi certe komprenos."
„Post kelkaj jaroj, kiam Wolodja jam vizitis la gimnazion, li skribis stilekzercaĵon pri la temo:
„La ĉevalo, kaj la utilo, kiun ĝi alportas por la homoj".
La juĝnoto por ĝi ankoraŭ estas konata: „Kvin (tre bone)". Kelkaj de la instruistoj, leginte ĝin, poste rememoris, ke la stilekzercaĵo enhavis jenajn vortojn: „La ĉevaloj estas tre bonaj kaj ruzaj bestoj. Faciligante la homan laboron, ili alportas grandan utilon. Sed oni ne devas anstataŭigi ĉevalojn per homoj".

(Tradukita el „Krokodil" Hans Jahn)



Eŭgen Fomin (1910–1942)

## LENIN

Ĉion konis li, komprenis ĉion.
Landon detruitan kaj ĥaosan
Li rekreis pere de l'genio
En palacon firman, grandiozan.

Kaj florados land' eterne juna,
Lando tiel bela, tiel fama, –
Frukto de l'inspiro lia suna,
Kreo de la pens' kaj vorto flama!

El la ukraina: A. Logvin

# La bela vulpo

Lenin tre ŝatis la ĉasadon, sed li povis nur malofte iri ĉasi, ĉar por tio ne estis tempo. Certe la mankanta praktiko estis ankaŭ la kaŭzo por tio, ke li kelkfoje maltrafis. Sed per tio li ne lasis al si fuŝi la plezuron.
Kiam post malsano li feriis por resaniĝo, kamaradoj invitis lin partopreni vulpĉason. Estis meze de la vintro, je bela frosta tago.

Estis ĉaso kun flagetoj. Ruĝajn flagetojn oni starigis en la neĝon ĉirkaŭ la arbaro, en kiu la vulpo kuŝis. Poste ĉiu ĉasisto okupis sian lokon. Vladimir Iljiĉ staris malantaŭ grandega pino. De malproksime aŭdiĝis bojado de hundoj. Tiam unuopa pafo krakis tra la arbaro. Lenin staris en embusko, la pafilon en la mano. Ĉirkaŭe fariĝis silente. Probable la vulpo jam transglitis en alian parton de la arbaro. Birdo transflugis super la kapo de Vladimir Iljiĉ, ĝi tuŝetis iun branĉon de la pino, tiel ke la neĝo senbrue pudriĝis malsupren. La malpezaj neĝeroj falis, malrapide rondflugante.
Estis tiel bele kaj silente en la arbaro.
Sed subite malantaŭ eta piceo juna montriĝis la vulpo. Singarde ĝi ĉirkaŭrigardis kaj etendis la kapon antaŭen, verŝajne por flari. Ĝi havis belegan densan felon longharan. Aparte bela estis la grandega tufa vosto. Kiam ĝi movis tiun, mil ruĝaj fajreroj tembrilis en la suno.
Vladimir Iljiĉ ne povis esti vidata de la vulpo. Ĝi aŭskultis, batante ĉe tio per la vosto kaj timeme ĉirkaŭrigardante. Ĝi flaris la spuron de homo.
En tiu ĉi momento leĝera ekblovo de vento levis la flageton apud Lenin. La vulpo ektimis kaj kuregis returne. Sed jam maljuna ĉasisto alkuris kaj ĉagrene kriis ion al Lenin. Mallevinte la pafilon, Vladimir Iljiĉ staris trankvile.
„Kial vi ne pafis? Vi ja havis ĝin antaŭ la pafilo, Vladimir Iljiĉ!"
Lenin ridetis kaj diris: „Mi sentis pro ĝi kompaton. Ĝi estis tiel bela."

El „Historioj pri Lenin" de A. Uljanov kaj A. Kononov

Trad. Dr. K. Schulze

*La prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro, Walter Ulbricht respondas je demandoj de ĵurnalistoj:*

# La suvereneco en ambaŭ germanaj ŝtatoj

Parolante pri la kalumnioj de la ordo ĉe la ŝtatlimo de GDR, Walter Ulbricht diris:

„Ĉiu orda ŝtato havas ordon ĉe sia ŝtatlimo. Tiu ordo estas fiksita per la gvidantaj ŝtatorganoj. Tiu ordo povas esti tre diversa, depende, ĉu kun la koncernaj najbaroj ekzistas bonaj aŭ malbonaj rilatoj. La ordo ĉe niaj limoj nur povas ĝeni tiun, kiu deziras la likvidon de la ordo por povi entrepreni revenĝpolitikon kaj sabotadon. Por la sinjoroj revenĝistoj la t.n. muro estas tre ĝena. Pri tio mi tute sincere volas diri:

La efektiva muro ja jam estis starigita per la Kontraktoj de Parizo. Tiuj kontraktoj konstituis okcidentan Germanion kiel apartan ŝtaton en la NATO kaj cementis la disigon de Germanio. Post kiam ili kreis por si sekurecon en okcidento per la Parizaj Kontraktoj, sinjoro Adenaŭer kaj la regantaj grupoj en okcidenta Germanio opiniis, ke nun povus komenciĝi la ofensivo kontraŭ GDR, la demoralizo de GDR kaj la organizado de la kontraŭrevolucio. La 30-an de junio 1960 en Bundestag (FDR-parlamento) okazis debato pri la problemo Germanio, ĉe kiu la socialdemokrata estraro transiris al la pozicioj de CDU (Krista Demokratia Unio), kaj plene subtenis la revenĝpolitikon de la tiama CDU-registaro. Samtempe registara oficiala komisiono eldonis la Grizan Libron pri la efektivigo de la kontraŭrevolucio en la Germana Demokratia Respubliko. En tiuj Grizaj Libroj ĝis en la detaloj estas klarigite, kiel ekzemple la gekamparanoj de la Germana Demokratia Respubliko devus esti „liberigitaj" de sia grundo laŭ la interesoj de la grandbienuloj, kiuj vivas en okcidenta Germanio, kiel la laboristoj devus esti „liberigitaj" de siaj popolpropraj fabrikoj, kiu transprenos la elektrouzinojn, kiuj kapitalistaj asocioj faros tion ktp. Oni opiniis, ke GDR per la spekulado kaj demoralizo estus tiom paralizita, ke eblus al la Bundeswehr (ŝtata armeo) enmarŝi kun gaja muziko tra la Brandenburga Pordego (en Berlino). – Tiel tiam skribis konata okcidentgermana gazeto. Tio ne estas mia invento.

Ni tiam zorge ekzamenis la situacion, interkonsiliĝis kun niaj aliancanoj en Sovetio kaj aliaj ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto kaj decidis: Ni turnu nin al la laboristaro. Ni mem iris en la fabrikojn kaj diris al la laboristoj: Nun sufiĉas. Ĉu vi estas pretaj, ekbatali? La laboristoj en la fabrikoj respondis: Jes, ni estas pretaj. Tiam estis realigitaj la militaj preparoj por la sekurigo de la limo. La ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto konsentis, plene gardi la limojn de la Germana Demokratia Respubliko. Ankaŭ estis decidite, ke GDR respondecus pri la gardado de la limoj. Tiel estis farite. Jen ĉio.

Kiel bonfarta efikis tiuj paŝoj de sekurigo, pri tio povas rakonti ĉiu civitano de GDR. Kaj vi mem povas konvinkiĝi, kiom progresis de tiam GDR."

(Interkrampaj klarigoj de l'tradukinto L. Schödl)

# PRI „GERMANIO"

Kelkfoje iuj parolas pri iu „Germanio" tiasence kvazaŭ ĝi ankoraŭ ekzistus kiel unueca ŝtata organiziĝo. En Okcidenta Germanio oni oficiale parolas pri „Germanio", kvankam celante nur la okcidentgermanan Federacian Respublikon.

„Germanio" estas – historie vidite – tre variebla politika kaj geografia nocio. Mi ĉirilate tute ne volas komenci kun la mapo de Germanio en la tempo de la Sankta Romia Imperio de Germana Nacio aŭ kun la napoleonaj militoj. Sole depost 1914 Germanio jam estis modifinta kelkfoje sian formon.

Kiel konate ekzistis depost 1871 Germana Regno, kiu estis elvastigita pli poste al „Grandgermana Regno" de la germana imperiismo nazikaraktera.

Tiu Germana Regno pereis kun siaj hitleraj armeoj en la fajro de l'Dua Mondmilito. Post tio la venkintaj ŝtatoj kreis diversajn okupaciajn zonojn. La USA-imperiistoj kaj la reakciaj fortoj de Okcidenta Germanio disŝiris 1949 la germanan nacion kaj la lastajn kunligojn, kiuj partetempe ankoraŭ ekzistis inter la okupaciaj zonoj – aŭ devus esti ekzistintaj laŭ la Konvencio de Potsdam. Ili kreis okcidentgermanan imperiisman separan ŝtaton en la de ili submetitaj areoj, la „Federacia Respubliko Germanio". Ĝi estis kreita por restaŭri almenaŭ en la okcidentaj okupaciaj zonoj la potencon de l'monopola kapitala, de l'ŝtatmonopola kapitalismo kaj de l'militarismo por uzi ĝin kiel batalpotencon kontraŭ la socialismo kaj la socialismaj ŝtatoj.

Tiun rolon ludas la okcidentgermana ŝtato ĝis hodiaŭ, aplikante kelkfoje tiujn, kelkfoje jenajn metodojn en la batalo kontraŭ la socialismaj ŝtatoj.

Nun jam 20 jarojn ekzistadas la Germana Demokratia Respubliko kaj la Federacia Respubliko Germanio kiel suverenaj, sendependaj unu de l'alia, ŝtatoj, internacijure agnoskitaj. Iliaj interrilatoj tute ne povas ésti rigardataj aŭ nomataj „engermanaj rilatoj" vidalvide al la baza diverseco, ja kontraŭeco de iliaj sociaj sistemoj. Bonn uzas tiun esprimon, por demonstri per tio sian arogon je sola reprezento kaj sian pretendon je submeto de GDR. Alfronte de tiu progresinta disevoluo ankaŭ estas iluzie, se oni volas konstrui iun fantazian komunan tegmenton – eble simile al la Sankta Romia Regno de Germana Nacio – super la unua germana ŝtato de paco, la GDR, kaj la okcidentgermana Federacia Respubliko, kiu estas sub la potenco de militarismaj kaj monopolkapitalismaj fortoj.

Tial hodiaŭ *„solvo de la Germanio-problemo"* – en la senco de la brulaktualaj taskoj de l'politiko por paco kaj sekureco en Eŭropo – povas esti nur la starigo de regulita paca apudvivado inter GDR kaj FRG, surbaze de ilia plena samrajteco kaj reciproka internacijura agnosko.

Tio hodiaŭ estas la esenco de la „Solvo de l'Germanio-problemo".

*(La prezidanto de la ŝtata konsilantaro de GDR, Walter Ulbricht, sur la 12. plenkunsido de la Centra Komitato de Socialisma Unuiĝinta Partio Germana, 14. 12. 1969).*

# Nova Prezidanto de la Popolparlamento de GDR

# Gerald Götting

*Post la morto de Johannes Dieckmann elektis la Popolparlamento de GDR Gerald Götting je la 12a de Majo 1969 sia nova prezidanto.*

En Halle/Saale li naskiĝis je la 9a de Junio 1923. Ĉe la „Latina", la fama gimnazio en la fondaĵo de Francke, li estis ekzamenita kiel abituriento, kaj je ĉe filozofia fakultato de la Martin-Luther-Universitato en Halle li enmatrikuliĝis kiel studento post la dua mondmilito. Samtempe li estiĝis membro de la Kristana-Demokrata Unio de Germanio (CDU). Lia kristana konscio pri responso instigis lin al politika agado kaj kondukis lin al la flanko de tiuj fortoj kiuj jurligiĝis por la progreso, kies plej alta celo estis la batalo por la konservado kaj garantiado de la paco kaj la amikeco kun ĉiuj popoloj. Per lia aktiva kaj konvinka politika agado baldaŭ konatiĝis en la CDU lia nomo kiel tiu de gvida reprezentanto de la juna generacio.

Komune kun Otto Nuschke li decidige kunlaboris en la redaktado de la politikaj principoj de CDU, unu el la kvin partioj de GDR, kaj en ĝia evoluo al partio, kiu sukcese kunformas la konstruadon de la socialismo en GDR. Je la 3a de Majo 1966 li estis elektita kiel prezidanto de la Kristana-Demokrata Unio de Germanio.

Lia multflanka kaj multafera agado, lia aktivemo kaj lia riĉeco de ideoj, la forto de lia oratirado, la klara parolo de la verkaĵoj kaj libroj publikigitaj de li kaj ne lastavice la konfido, kiun li vaste akiris en la demokrata publiko de la respubliko same kiel eksterlande, faris Gerald Götting unu el la gvidantaj politikuloj de Germana Demokratia Respubliko.

Dum la kvindekaj jaroj li estis Vice-prezidanto de la Popolparlamento. Kiam en 1960 estis formita la Ŝtatkonsilantaro, la Popolparlamento elektis lin anstataŭanto de la Prezidanto de la Ŝtatkonsilantaro. Tiun funkcion li plennumas de tiam. Lia agado koncernas ne nur GDR mem. Li gajnis multajn amikojn ankaŭ en eksterlando. Multaj vojaĝoj lin kondukis kaj en la Eŭropajn landojn – Svedujon, Aŭstrujon, Finnlandon, Svisujon – kaj ankaŭ al Hindujo, Afriko kaj Sudameriko. Kiel speciala ambasadoro de la Prezidanto de la Ŝtatkonsilantaro, kiel membro de registaraj aŭ Popolparlamentaj delegacioj, kiel reprezentanto de GDR dum internaciaj kongresoj kaj konferencoj, ĉiam kaj ĉie li akiris simpation kaj konfidon por la pacon kaj amikecon celanta politiko de Germana Demokratia Respubliko.



La publican agadon de Gerald Götting atestas multespecaj artikoloj kaj traktatoj en jurnaloj kaj gazetoj de en- kaj eksterlando. Ekstraktoj el liaj paroladoj kaj artikoloj aperis en tri volumoj: „La kristano diras jes al socialismo", „La kristano ĉe la konstruo de socialismo" kaj „Kristana kunresponso en socialismo". Pri siaj diversaj vojaĝoj al Afriko li raportis en kvar libroj eldonitaj de li:

„Renkontiĝo kun Albert Schweitzer", „Sorthoro de Afriko", „Lando sub la Kilimanĝaro" kaj „Vizito en Lambarene".

Trad. Dr. P. Ruff

# Malpli da kriminaldeliktoj en GDR

La kontinueco karakterizante la ŝtatan kaj socian evoluon en GDR koncernas ankaŭ la justican sferon. Depost la jaro 1950 eblis, malpliigi la krimecon je pli ol la duono. 1950 estis registritaj 230 263 krimoj, sed 1968 nur ankoraŭ 100 126. Tiu falanta tendenco estas karakteriza por la evoluo de la krimkvoto en GDR.

La malpliigado de la krimeco en GDR unuflanke estas la rezultato de kreado kaj evoluado de la socialista sociordo, aliflanke de aktiva kunlaboro kaj preteco de la civitanoj, estimi la regulojn de la socialista komuneca vivo kaj pledi por plenatentado de la socialista juro.

Jam ekde 1960 estis komencata, transdoni malgravajn krimojn por konsiliĝo al la konfliktkomisionoj en la uzinoj. Tiu evoluado estis daŭrigata per formado de arbitraciaj komisionoj en la urboj kaj komunumoj. La sociaj tribunaloj tre meritiĝis ĉe kontraŭbatalado kaj evitado de krimoj. Ili konsilas pri krimoj kontraŭ la socialista kaj persona proprieto, korpdifektoj kaj krimoj kontraŭ labor- kaj sanecprotekto. Dum la jaro 1968 ĝis 50 % de la kriminalaj kazoj estis traktitaj de la sociaj tribunaloj.

La sukcesoj de la sociaj tribunaloj, en kiuj kunagas pli ol 250 000 civitanoj, inter ili 84 000 virinoj, jam delonge forigis komencajn dubojn de kelkiuj civitanoj pri la valoro de tiaj komisionoj. Sed la progresoj en la batalo kontraŭ la krimeco ankaŭ rezultas el la senpera kunagado de civitanoj ĉe la juĝejaj kriminalprocesoj. Sociaj akuzantoj kaj defendantoj, la partopreno kaj la deklaroj de reprezentantoj el sociaj kolektivoj en la definitiva termino kaj transpreno de garantioj flanke de sociaj kolektivoj koncerne kondamnitoj estas esprimo de aktiva kunlaboro civitanflanke ĉe ĉiuj ŝtataj kaj sociaj aferoj. Ilia partopreno ebligas pli bonan analizon de la krimula personeco, decidi pri la por la koncerna kazo plej konvenaj juĝejaj rimedoj kaj antaŭ ĉio profilakte labori por estonte eviti krimojn.

La profilakto de krimoj ĉiam pli estas ĉefmetodo por kontraŭbatali la krimecon. Tio plene konformas la sencon de la socialista konstitucio de GDR artikolo 90, esprimante la kontraŭbatalon kaj evitadon de krimoj kiel komunan taskon por la tuta socio, ŝtato kaj ĉiuj civitanoj.

El – Panoramo GDR – Tradukis Elsa Gruhle



(daŭrigo de paĝo 15)

la masakrojn de Bialistok'o, kaj kiam eksplodis la milito, li sin turnis al la diplomatoj ... por citi nur du ekzemplojn. Kaj hodiaŭ oni silentas kontraŭ la militoj en Proksima Oriento, Nigerio kaj Vjetnamio, kaj unu landa asocio eĉ rifuzis alpreni klaran starpunkton pri naciismaj tendencoj en sia ŝtato. Pro neŭtralismo oni klopodas eksigi ĉefdelegiton, ĉar li peras abonojn por „Paco" (kia krimo!); aliflanke, oni ne hezitas vigle reklami la ruĝan svingobiblion. Eĉ oni ne kuraĝas recenzi papan enciklikon, ĉar ĝi ja ne estas neŭtrala. Politikajn eldonaĵojn oni prefere nur mencias, ja ne juĝos aŭ eĉ laŭdos. Sed ian kaĉan tradukon aŭ ftizan originalaĵon oni prihimnas. Kaj eĉ pri internaj problemoj oni preferas neŭtralan solvon, ekz. inter la lingvo-uzo de Zamenhof kaj ies privataj lingvaj sensencaĵoj.
Tiel enfermante sin en sia esperanto-movado oni miras, kiam poste oni eterne postlamas. Ne mirige, movado sen klaraj konceptoj pri la hodiaŭa mondo ne meritas pli. Iam oni neŭtrale konstatos, ke ĝi pace formortis.
La devizo „For la neŭtralismo!" validas hodiaŭ, validas pli ol iam. Nur klaraj konceptoj kaj vasta spirito povas nin ankoraŭ savi.
(Tiu ĉi artikolo aperis en la somera kajero 1969 de „Lumo", presorgano de Kanada Esperanto-Asocio, kaj en la Migranto, No. 43 (1969), oficiala ligilo de la esperantistaj naturamikoj.)

– CR –

# Studentoj kundecidas

Kun 17 000 gestudentoj la Teknika Universitato en Dresden apartenas al la plej grandaj politeknikaj lernejoj en Eŭropo. La registaro de G D R investis ek de la jaro 1949 por la evoluigo de tiu klerigejo proksimume 200 milionojn da markoj. De tiam forlasis proksimume 22 000 absolvintoj la teknikan klerigejon en Dresden. Hodiaŭ ili laboras kiel gvidantaj funkciuloj en la entreprenoj kaj institucioj de G D R.
La rapida progreso en scienco kaj tekniko postulas novajn, pli modernajn instrumetodojn. Hodiaŭ en Dresden estas efektivigata plano de koncentrado kaj profiligo de instruaj kapacitoj por ke estu realigotaj pli alta intenseco de instruado kaj redukto de la lerntempo de kvin al kvar jaroj. Tiu ĉi transformado estas ne nur afero por la responsaj profesoroj kaj docentoj, ankaŭ la gestudentoj havas konsiderindan rajton je kundecido. En la sekcio por socialisma entrepren-ekonomio pluraj kolektivoj de gestudentoj ellaboris modelon por la inĝenier-ekonomia kvalifikado. Sub la gvido de spertaj altlernejaj instruistoj ili esploris la reciprokan influon, la tempe harmonian interakordon kaj aliajn parametrojn de la nova instruprogramo.
Por la plibonigo de la baza studado valorajn proponojn faris komisiono por studplano, kiu konsistis el gestudentoj de la sekcio kemio. Antaŭe tiuj proponoj estis pere de murgazeto prezentitaj al pridiskuto inter la gestudentoj. Tio montras, kiel la gestudentoj mem kundecidas pri la estonta kvalifikado.
En ambaŭ plej altaj gvidkolegioj, subtenantaj la rektoron per konsiloj, la Socian kaj la Sciencan Konsilantarojn, ankaŭ pluraj reprezentantoj de la gestudentoj kunlaboras kaj partoprenas en ĉiuj gravaj decidoj. En la diskutado pri la altlerneja reformo, proponita de la Ŝtata Konsilantaro de G D R, partoprenis proksimume 10 000 gestudentoj. Multajn valorajn proponojn ili faris, ekzemple la aliigon de la ekzamena sistemo kaj plibonigon de la kultura vivo en la universitato. Pruvoj por tio, ke la gestudentoj en G D R responskonscie praktikas siajn demokratiajn rajtojn.

El „Panorama DDR" tradukis R. Burmeister

# En la lernejo ĝi komencas

**Sciindaĵoj pri la jungeneracia programo de GDR – sporto**

La nova, de la loĝantaro 1968 per referendumo konfirmita konstitucio, montras en pluraj paragrafoj ĉi la publikan signifon de la korpa kulturo. Unu el la principoj, laŭ kiu la sporto estas akcelata en GDR diras, ke oni jam frue devas krei la daŭran bezonon.
Jam en la unuaj instruhoroj oni konigas al la lernantoj, ke sporto estas ĉeffako. Du horojn en la semajno (ek de la 4-a ĝis 6-a klaso estas eĉ tri) oni instruas ĝin laŭ moderna, pere de multaj praktikistoj kreita instruplano. Tiu ĉi instruplano estas tre fleksebla.
Sed la sporta instruo nur estas unu flanko. Ĉiun infanon oni instigas krom tio du aŭ plurfoje semajne posttagmeze trejni. Krom la lerneja sporta unuiĝo ekzistas por ĉiu infano la ebleco sporti en infansekcio de iu entreprena sportkolektivo, tiun sportan stilon, kio al ĝi plaĉas.
En la lernejoj oni ĉefe flegas malpezatletikon, gimnastikon kaj kelkajn pilkludojn. Dume la entreprenaj sportkolektivoj okupas sin apud la menciitaj sportstiloj kun specialaj sportaj disciplinoj, kiel remado, biciklado, boksado, ĵudo kaj aliaj.
Antaŭ kelkaj jaroj oni kreis la „Spartakiadan movadon". Ĉi tiuj spartakiadoj estas konkuradoj por infanoj kaj gejunuloj, kiuj en ĉiuj sportaj fakoj okazas. Por klarigi jen ekzemplo: 7-an de junio 1969 „Subdistrikta Spartakiado" en subdistrikto Osterburg ĉe Magdeburg. 2 000 infanoj de la 11 000 kandidatoj atingis la kvalifikon por la konkuroj.
En la pilkludaj sportfakoj ankoraŭ la 4 lastaj partoprenantoj el ĉiuj aĝgrupoj ĉeestas, en la malpezatletikon kaj ĉe la naĝado oni devis superi normojn. Tion atingis en tiu ĉi subdistrikto 760 junaj malpezatletoj kaj 260 naĝantoj.
Ĉiun duan jaron travivas Berlin centrajn spartakiadojn. La 3-a okazos kun 13 000 patoprenantoj en Berlin, la ĉefurbo de GDR, somere 1970. La publiko havas grandan intereson por tiu ĉi okazintaĵo. Kvankam ne en ĉiuj sportfakoj, ekzemple futbalo aŭ bicikla sporto, la spartakiada movado atingis samgrandajn sukcesojn, kiel en naĝado aŭ en la malpezatletiko, – aŭ – se ankaŭ en kelkaj sportfakoj kiel glacihokeo aŭ skermado la tradicioj ankoraŭ estas tro junaj por atingi la necesan amassportan larĝecon, tamen la sukcesa voje de GDR-sporto, okupinta la trian lokon laŭ landoj en Mexiko, pruvas la grandan signifon de la sport-programo por la junuloj en GDR. Necesas ankaŭ substreki, ke ĉiuj sukcesoj lastlaste kaŭzas en la aktiveco kaj komprenemo de la socialista sociordo de GDR.

El „Panorama GDR" trad. Klaus Urban

Rudolf Hahlbohm

# EDUKO DE ESTONTAJ CIVITANOJ

Ĉiujare dum printempo okazas en la Germana Demokratia Respubliko unikaj festoj dediĉitaj al la dekkvaraĝuloj. Estas la adoleskaj festoj, dum kiuj pli ol kvarono miliono da geknaboj, faras voton, konfeson al ilia ŝtato kaj poste estos akceptataj en la socion de la plenaĝuloj, kiel junaj civitanoj.

Ilia preparo kaj sinpreparo al la estonta vivo kaj civitaneco kaj al la voto estas longdaŭra procedo, dum kiu ili konatiĝas kun estanteco kaj estonteco de socialisma socio. Ili spertas la konstitucian realecon, ili ekscias pri la revoluciaj tradicioj de la germana popolo, pri la batalo de la laborista klaso, kiu rezultis la unuan laboristan kaj kamparanan ŝtaton de la germana nacio. Ilia eduko okazas en la spirito de humanismo. Ĉefaj formoj de la preparigaj lecionoj estas rigardo kaj travivo. Ili bazas sur konoj akiritaj dum la lerneja instruado kaj okazas krome, ekster la lerneja instruado. Organiza fundamento de tiu ĉi socia evento estas la honoroficaj komisionoj por adoleska festo. La komisiono en la lerneja regiono konsistas el pedagogoj, gepatroj, aŭtoritatuloj, laboristoj, komisiitoj el fabrikoj kaj sociaj organizaĵoj. Tiuj ĉi kolektivoj transprenas la socian taskon gvidi la tutan procedon, projekti la lokan programon, organizi lecionojn, vojaĝojn kaj festojn.

La adoleska festo ne signifas finon de la lerneja instruado. En la Germana Demokratia Respubliko estas devige por ĉiu infano, vizitadi dek jarojn la „Politeknikan Superan Lernejon". Sed la gelernantoj de la oka klaso atingas periodon maturigan, dum kiu la plenaĝiĝo pliforte rimarkiĝas, la interesoj plimultiĝas kaj la maturigaj lecionoj donas al ili respondon pri estiĝantaj demandoj kaj problemoj. La dekkvaraĝuloj transpaŝas, sojlon inter infaneco kaj junuleco, ili ricevas propran legitimilon kaj novajn rajtojn kaj devigojn. Tial okazas la adoleskoj-festoj ka ilia preparo dum tiu periodo estas grava kaj necesa por ĉiu junulo.

Je la unua de Septembro, la „Tago de la Mondpaco", komencas por la gelernantoj en la Germana Demokratia Respubliko denove la instruado, post dumonata ferio. Samtempe komencas la eksterlernejaj lecionoj preparigaj al la adoleska festo, laŭ la programo zorgeme preparita per la komisiono dum la pasintaj monatoj kaj prikonsilita kun la gejunuloj.

La unua okazaĵo estas la inaŭguro, ĉeestas la gelernantoj kaj iliaj gepatroj. Ili ekscias detale pri la programo pretigita kaj konatiĝas kun la gvidantoj de la grupoj, kaj la oratoro de la adoleska festo. La inaŭguro estas enkadrita per artaj prezentaĵoj de la geknaboj.

La nun sekvantaj aranĝoj variaj konsistas ekzemple el rigardoj de produktejoj kaj centroj de la socialisma konstruo. La gelernantoj faras vojaĝojn, diskutadas kun laborbrigadoj, kun reprezentantoj de ŝtato, kulturo, scienco, ekonomio aŭ tekniko. La konatiĝo de la humanismaj tradicioj kaj perspektivo helpas al ili pli bone kompreni ilian propran evoluon kaj trovi fiksan pozicion en la vivo.

Dum tiu ĉi ampleksa programo, la partoprenantoj pliprofundigas sian lernejan scion, per personaj kontaktoj kun la vivo, kompletigante sian sciencan mondkoncepton.

Kulmino estas la fina festo, eminenta socia solenaĵo. Tiu ĉi festo okazas en la monatoj Marto, Aprilo aŭ Majo, partoprenas la gepatroj, parencoj kaj instruistoj de la geknaboj. La festo okazas en centro de publika atento, kunprogramas artistoj de alta nivelo. Dum tiuj ĉi dimanĉoj la maturec-festoj reliefas la publikan vivon en la loko. Tipa paso de tia festo estas jena: La geknaboj eniras en solena procesio la jam plenigitan salonon kaj eksidas en la unuaj vicoj. La scenejo estas feste ornamita per floroj kaj flagoj. Arta programo komencas, muziko, kantado, poemoj. Centro de la festprogramo estas la parolado de la oratoro, eminentulo el la socia vivo, ekzemple urbestro, direktoro de uzino, ministro, artisto, sciencisto ktp. Li akceptas la solenan voton de la gejunuloj antaŭ la ĉeestantoj. Tio estas kulmino de la festo. Poste la gejunuloj ricevas sur la scenejo bukedojn, gratulojn, dokumentojn kaj librojn. La programo daŭriĝas kaj finas per la nacia himno kaj eliro de la gejunuloj. Hejme poste sekvas la familia festo.

La voto de la gejunuloj tekstas:

„Karaj junaj amikoj!

Ĉu vi esta pretaj, kiel junaj civitanoj de nia Germana Demokratia Respubliko, komune kun ni, fidele al la konstitucio, por la grandioza kaj nobla afero de l'socialismo labori kaj batali kaj estimi la revolucian heredaĵon de la popolo?

Do respondu: jes, ni promesas ĝin!

Ĉu vi estas pretaj, kiel fidelaj gefiloj de nia laborista-kaj kamparana-ŝtato, strebi al alta klereco kaj kulturo, al majstreco de via fako, obstine lerni kaj disponigi viajn tutajn scion kaj kapablon al realigo de nia humanisma idealo?

Do respondu: jes, ni promesas ĝin!

Ĉu vi estas pretaj, kiel indaj membroj de la socialisma socio ĉiam agi en kameradeca kunlaboro, reciproka estimo kaj helpo, kaj ĉiam unuigi vian vojon al individua feliĉo kun la batalo por la feliĉo de'l tuta popolo?

Do respondu: jes, ni promesas ĝin!

Ĉu vi estas pretaj, kiel veraj patriotoj pliprofundigi la firman amikecon kun la Soveta Unio, fortigi la fratligon kun la socialismaj landoj, batali en la spirito de la proletaria internaciismo, savi pacon kaj socialismon kontraŭ ĉiu imperiisma atako?

Do respondu: jes, ni promesas ĝin!

Ni aŭdis vian voton, vi elektis altan kaj noblan celon. Solene ni akceptas vin en la grandan socion de la laboranta popolo, kiu sub gvidado de la laborista klaso kaj sia revolucia partio, konkorda je volo, konstruas la evoluintan socion socialisman en la Germana Demokratia Respubliko."

Similajn adoleskajn ceremoniojn festas multaj popoloj diversforme depost praaj tempoj, laŭ praa rito de la homaro. Sed en sia moderna formo ĝi originis en Germanio. Naskiĝis je komenco de nia jarcento en klasbatalo de la laborista klaso kontraŭ la kapitalisma sociordo. Tiu ĉi tradicio estas renovigita en la Germana Demokratia Respubliko antaŭ dekkvin jaroj kun nova humanisma kaj socialisma enhavo.

Hodiaŭ ĝi estas parto de la unueca socialisma kleriga kaj eduka sistemo kaj grava evento en la vivo de ĉiu juna homo en la Germana Demokratia Respubliko. En tiu ĉi reliefigita formo ĝi estas unika fenomeno socia, sole en GDR.

Albert Jaritz

# La vivo de la judoj en GDR




*Fiŝmiraĵoj de faŝistoj kaj antisemitoj en okcidenta Germanio (Bamberg). La surskriboj: „Venkon, judo for!" kaj „La Gvidanto. Ĉi tie ripozas porka judo."*
Foto: Zentralbild

La mildaj juĝoj de okcidentgermanaj tribunaloj kontraŭ la murdistoj de centmil judoj, la malhonorigado de judaj tombejoj kaj antisemitaj fipentraĵoj en la Germana Federacia Respubliko estigis eksterlande la impreson, ke la antisemitismo ĝis hodiaŭ estas hejme inter la germanoj. Tiu ĉi juĝo nur parte estas rajtigita, ĉar ekzistas pruvoj pri principe alia rilato inter germanoj kaj judoj. Post la teruraj travivaĵoj de la judoj en la hitlera Germanio tio ŝajnas preskaŭ nekredebla, sed estas senduba fakto: En la Germana Demokratia Respubliko ekzistas nenia antisemitismo.
La juda komunumo en la lando ne estas tre granda, apartenas al ĝi 1 300 anoj. La nombro de la judaj civitanoj vivantaj en la GDR estas ege pli alta, ĉar multaj el ili ne estas komunumanoj. La loĝantara statistiko de la GDR ne informas pri tio, one neniam kaj nenie estas demandata, ĉu oni estas de juda deveno aŭ ne. La infanoj estas edukataj tute sen rasmalamo.

**Punegoj por SS-murdistoj**

Antisemitismo kaj rasmalamo estas krimaj deliktoj. Laŭ la artikolo 6 de la konstitucio de la GDR tia sinteno estas punata kiel krimo. La SS-ekzekutistoj, kiuj ne sukcesis eltiriĝi de la justeco per fuĝo al la GFR aŭ eksterlanden, jam en la unuaj jaroj post la milito estas ege punitaj. Kiu sukcesis kamufliĝi kaj estis malkovrata pli malfrue, kiel la KZ-kuracisto Fischer el Auschwitz, la gardisto Wachholz el Theresienstadt kaj la SS-murdisto Bloesche el la varsovia Ghetto, ne povis savi sin de sia justa puno. En la GDR, kie ne estas preskripto por naziaj- kaj militkrimoj, tiuj ĉi tri amasmurdistoj en la lastaj jaroj ricevis mortpunon.

**La GDR subtenas la persekutitojn de la nazia reĝimo**

La plejmultaj judaj civitanoj de la GDR havas la rajtstaton de „persekutitoj de la nazia reĝimo" kaj ĝuas same kiel la sub Hitler persekutitaj kristanoj, komunistoj kaj aliaj antifaŝistoj – laŭ la leĝaj destinoj – apartajn avantaĝojn materialajn, aldonajn feriojn kaj alian.
Inter la civitanoj de juda deveno en la GDR estas altestimataj universitatprofesoroj, juristoj, artistoj, verkistoj, politikistoj kaj ĵurnalistoj. Al tiuj apartenas, nur por nomi kelkajn, la teatrointendanto Wolfgang Heinz, la verkisto Stephan Hermlin, la verkisto kaj scenaraŭtoro Kurt Stern, la orkestro Helmut Koch kaj multaj aliaj. Multe da judaj burĝoj aktive kunlaboras en la popolaj reprezentantaroj, estas anoj de partioj kaj amasorganizaĵoj, studas aŭ laboras en la memelektita profesio – do, ili tutsame vivas kiel la aliaj civitanoj en la GDR. Malhonorigadoj de judaj tombejoj, kiel konstante okazas en la GFR, en la GDR estas neimageblaj.
Anstataŭante por la opinio de multaj tie ĉi estu citata tiu de la estro de la juda komunumo de Berlino, Heinz Schenk, kiu ankaŭ aktive kunlaboras en la packonsilantaro de la GDR: „En tiu ĉi lando ni konstruas, ni, kiuj post la plej teruraj suferoj de la hitlera milito trovis nur ruinaĵon kaj cindron! Du jardekoj pasis depost la fondo de la GDR, kaj ĉu ĉiuj niaj imagoj plenumiĝis? Ho, jes, tre multe da homoj homiĝis! Modelaj edukadmetodoj formis la homojn unuavice al samrajteco, interpopola amikeco, humanismo, interna kvieto kaj paco. El tio rezultas la preteco por la akcepto de granda scio, kaj en la tekniko kaj en la kulturo aŭ scienco."

**La judaj komunumoj**

La ok judaj komunumoj estas kuniĝitaj en la asocio de la judaj komunumoj, kies sidejo estas en Dresdeno. La elspezoj por la rituala vivo de la rajte tute memstaraj komunumoj, same kiel la administraj elspezoj grandparte estas pagataj per subvencioj el la ŝtatbuĝedo.
Ĉar post la fino de la nazia reĝimo ne plu ekzistis sinagogoj, estis konstruataj novaj sinagogoj – en Berlin, Magdeburg, Erfurt und Karl-Marx-Stadt –, aliaj sinagogoj estis rekonstruataj. Hodiaŭ estas sur la teritorio de la GDR ok sinagogoj kaj unu preĝejo.
Kiel la sinagogoj, tiel estis detruitaj 1945 ankaŭ la judaj tombejoj. La ŝtato konsentis milionsumojn por rekonstrui ĉi tiujn memorlokojn en digna formo. Ankaŭ la konservrimedojn por ĉi tiuj tute en juda komunumposedo troviĝantaj tombejoj portas la ŝtatkaso.
Ĉiujare la 9-an de novembro, kiel tago de la admono, la loĝantaro de la GDR memoras pri la „kristala nokto". La 9-an de novembro 1938 la nazioj detruis la judajn sinagogojn en Germanio, detruis vendejojn kaj loĝejojn de judaj burĝoj, arestis kaj murdis multnombrajn judojn.
Antaŭ 1933, do antaŭ la komenco de la nazia potenco en Germanio, vivis sur germana teritorio 675 000 judoj, je la fino de la faŝista terorismo pli ol $^1/_2$ miliono el ili estis murditaj, en la unuaj jaroj de la nazia epoko 125 000 judoj povis fuĝi eksterlanden.
Estas ne plu multaj judoj sur germana teritorio. Sed la judaj civitanoj, kiuj en la GDR trovis sian hejmon, ne estas izolataj de la aliaj loĝantoj de tiu ĉi lando, ili estas civitanoj de ilia ŝtato same kiel ankaŭ ĉiuj aliaj.

El „Panorama GDR" trad. Heinz Stengel



*1939–1945 la sinagogo en la Rykestrato de Berlin estis degradita de la faŝistoj al ĉevalejo kaj meblejo. GDR disponigis 400 000 markojn por la rekonstruo de la sinagogo.*
Foto: Zentralbild

# GDR - LANDO DE LIBRO

*La agado de editejoj* ludas gravan rolon en la spirite-kultura vivo de GDR. Produktante ĉiujare 7 librojn kaj broŝurojn po persono de sia loĝantaro, GDR apartenas al la ŝtatoj kun plej alta libroproduktado. La edita politiko de la eldonejoj celas kontentigi la kulturajn bezonojn konstante kreskrantajn, laŭgrade de la sociaj postuloj kaj konforme al la kondiĉoj kaj necesoj de la scienco-teknika kaj de la kleriga revolucioj, kaj prizorgi la kulturan interŝanĝon al aliaj landoj. Tial la edita agado en GDR celadas komprenigi al la loĝantaro la riĉecon de la germana literaturo pasinta kaj nuntempa, same kiel popularigi la plej bonajn verkojn de la mondliteraturo ligitajn al humanismo kaj progreso. Ampleksa oferto de literaturo en ĉiuj partoj kaj fakoj estas disponebla por eduko, perfektigo kaj studado same kiel por sciencaj instruo kaj esploro.
Se ankaŭ nur per nombroj ne estas eble, mezuri la gravecon de la editista produktado en iu ajn ŝtato, tiuj tamen konvinkas per si mem: dum en 1949 estis edititaj 2 000 titoloj kun eldonkvanto entuta de ĉ. 33 milionoj ekzempleroj da libroj kaj broŝuroj, en 1952 estis edititaj ĉ. 3 900 titoloj kun eldonkvanto entuta de ĉ. 73 milionoj da ekzempleroj, kaj en 1968 la nombro de titoloj kreskis al pli ol 5 500 kaj rilate al la eldonkvanto de libroj kaj broŝuroj la limo de 100 milionoj estis konsiderinde superita.
En la eldonejoj de GDR en 1968 krome editiĝis 534 ĵurnaloj en 6 887 eldonoj. La tuta eldonkvanto de periodaĵoj ampleksis pli ol 437 milionoj da ekzempleroj.
La plej nobla devo de belartaj editejoj estas, favori *la nuntempan literaturon*, helpi la junajn socialistajn verkistojn en la majstrece-artista figurado de la realeca vivo, en la estetika prezentado de la reciprokaj rilatoj inter individuo kaj socio, en la kreado de bildoj pri socialismaj personecoj.
*La popularigo de la plej bonaj verkoj de eksterlanda literaturo* el pasinteco kaj nuntempo estas nedisigebla parto de la kultura politiko, kaj jam ĉiam la editista produktado en GDR sin dediĉas al tio. El entute 5 500 titoloj, aperintaj en 1968, 763 estas tradukoj el 41 lingvoj. Ĉi-tiuj 763 titoloj atingis eldonkvanton entutan de 13 milionoj da ekzempleroj. Ne malpli ol 540 tradukoj apartenas al la beletristiko.

Ekzemple dum la lastaj jaroj oni komencis aŭ daŭrigis la eldonon de kompletaj verkaroj respektive de elektitaj verkoj en novaj tradukoj, en kvalitoj eminente sciencaj kaj artistaj, de Puŝkin, Leo Tolstoj, Ĉeĥov, Balzak, Zola, Ŝekspir, Dikens, Mark Tvejn. Per serioj, kiel ekz. „Bibliothek der Weltliteratur", „Bibliothek der Antike" („Biblioteko de mondliteraturo", „Biblioteko de la klasika antikvo") aŭ „Sammlung Dieterich" („Kolekto Dieterich"), granda kvanto da unuopaj verkoj atingas egan disvastiĝon. Ĉe legantoj en GDR tre ŝatataj estas ankaŭ libroj de sovjetaj aŭtoroj kaj de multaj aŭtoroj el la socialismaj landoj. One editas ilin en konsinderinde granda kvanto.
La produktoj de la *arteditejoj kaj de la muzikeditejoj* gajnis rekonon tute en la mondo. Ekzemplo pri tio estas la enregistrigo de 154 reproduktaĵoj de VEB E. A. Seemann, Buch- und Kunstverlag (Ŝtata libro- kaj arteditejo) kaj de VEB Verlag der Kunst (Ŝtata arteditejo) en la mondkatalogon de UNESCO. La arteditejoj akcelas la socialisman realistan arton kaj informas la civitanojn de nia respubliko pri la arto de aliaj landoj.
La *fakaj kaj sciencaj editejoj* evoluigis sciencaj fakoj kaj por ĉiuj branĉoj de la politika ekonomio. Tiu ĉi sortimento etendiĝas ek de lernlibro kaj de scienca monografio ĝis popularscienca konsultlibro. Precipe signifa en tio estis por ni la baza esplorado en la ĉefaj branĉoj de la natursciencoj, ekz. matematiko, fiziko, kemio kaj biologaj sciencoj, kiuj decide helpas, krei la necesan antaŭon por la estontaj tekniko kaj produktado, antaŭ ĉio en la strukturdecidaj branĉoj de la politika ekonomio.
Internacian intereson precipe trovas verkoj el la fakoj ekkonateorio, psikologio, kibernetiko, libroj pri apliko de modernaj matematikaj metodoj kaj de elektronika prilaboro de informoj.
La alta kvalito de la enhavo kaj la bona ekipo de la editejaj produktaĵoj kaŭzas, ke oni ŝatas mendi *librojn kaj periodaĵojn el GDR en la tuta mondo.* Pli ol 100 000 librojn one eksportas ĉiutage de Leipzig al ĉ. 100 landoj, kaj kreskas, konstante la aĉetemo de eksterlandaj komercaj klientoj pri produktaĵoj de la editejoj.

El „Panorama GDR" trad. E. Mutschall

En la jaro 2000 liveros la atomenergio gajnota el la krudmaterialo uranio, proksimume kvaronon de la elektroenergio por la tutmonda konsumado. Jam en 1968 funkciis en la mondo pli ol 50 atomaj elektrocentraloj kun ĉirkaŭ 100 reaktoroj kaj instalita povumo de 12 000 megavatoj. Tio konformas proksimume al la nuntempa tradicia produktado de elektroenergio en la Germana Demokratia Respubliko, kiu sukcesis plialtigi la jaran konsumadon de elektroenergio post 1950 de 19,4 al 63,2 miliardoj da kilovathoroj. En 1936 estis produktitaj sur la teritorio de GDR nur 14 miliardoj da kilovathoroj de kurento.

# La atoma elektrocentralo Rheinsberg estas simbolo

La unua atoma elektrocentralo en la mondo ekfunkciis en 1954 en Sovetunio. Hodiaŭ 12 landoj posedas atomajn elektrocentralojn, inter ili, dank' al la helpo de Sovetunio, ankaŭ GDR, kiu en printempo 1966 komencis produkti en Rheinsberg elektroenergion kun instalita povumo de 70 megavatoj. De 1980 ĝis 1990 la atomaj elektrocentraloj en GDR produktos verŝajne same tiom da elektroenergio kiel ĉiuj tradiciaj elektrocentraloj kune ek de 1900 ĝis la nuntempo.
La atoma elektrocentralo Rheinsberg estas do simbolo por la scienc-teknika kunlaboro inter GDR kaj Sovetunio. Samtempe ĝi estas trafa pruvo por tio, ke la paca utiligo de la atomenergio estas tute ebla sur la bazo de regulitaj interkonsentoj. La kontrakto pri netransdono de nukleaj armiloj, kiun subskribis ankaŭ la registaroj de ambaŭ amikaj socialismaj landoj kaj kiun la deputitoj de la Popolparlamento kaj de la Supera Soveto intertempe jam ratifis, absolute ne estas do malhelpo al la paca pluevoluo kaj utiligo de la atomenergio.
Rheinsberg, same kiel Hiroŝima kaj Nagasaki, estas simbolo. Atomaj elektrocentraloj por la paca evoluo aŭ atombomboj por la pereigo de homoj – tio estas decidoj, kiujn hodiaŭ neniu en la mondo povas eviti.

El „Panorama GDR" tradukis R. Kaj D. Berndt

97 grandaj kaj malgrandaj teatroj en la Germana Demokratia Respubliko ludas ĉiuvespere antaŭ kritika, aplaŭdpret a publiko. Proksimume la duono el ili posedas proprajn orkestrojn kaj balet-teamojn.

En multaj teatroj oni flegas samtempe la dramon, operon, opereton kaj la muzikalon.

Momente ĉiujare la nombro de la teatrovizitantoj estas ĉ. 13 milionoj.

Al ĉiuj teatroj apartenas societoj de amikoj, tiuj estas grupoj de nefakuloj interesataj precipe je la teatro. Sur la programo de tiuj ĉi societoj staras interparoladoj kun artistoj pri la teatraĵoj kaj la repertuaro, komentarioj de scenaranĝoj, vizitoj de provoj k. t. p.

Tiel diversmanieraj estas la repertuaroj de la diversaj teatroj, tiel multeblaj estas ankaŭ la prezentmanieroj. La metodoj de Stanislawski kaj de Brecht estas sammaniere flegataj kaj pluevoluigataj. En GDR Brecht ankaŭ influis tiujn personojn, kiuj ne sentas sin ligataj al la epika teatro. Brecht, kiu apartenas al la plej ofte ludataj aŭtoroj, kunhelpis la akceptigon de pliprofunda trapensado de la formigo, de scienca labormaniero en la teatro kaj la alturno al la granda konscia teatra impreso.

# TEATROLANDO GDR

Momente pluraj teatroj ekstere de la ĉefurbo montras eminentan prosperon. En multaj urboj efikas eksterordinare talentaj artistoj. Multnombraj pli junaj reĝisoroj, kiuj lernis de Felsenstein, Brecht aŭ aliaj majstroj, fariĝis teatroestroj dum la lastaj jaroj aŭ laboras kiel reĝisoroj.

Multaj teatroj ne atendas, ĝis la perfektigitaj teatraĵoj alflugetas sur la dramaturgan tablon. Ekzemple la Germana Teatro submetis al diskuto pli grandan serion el nuntempaj dramoj. Teatraĵo el la konstrulaborista medio estis verkita post plurjaraj kontaktoj de kelkaj aktoroj al konstrulaborista brigado, ties membroj ankaŭ venis al pluraj provoj kaj diskutis kun la artistoj.

Brecht ofte parolis pri la evoluo de la rigardarto. Se hodiaŭ en la GDR nova publiko vizitas la teatrojn, ĉi tiu sukceso estas fondata per la multjara klopodo pri tiu nove edukita publiko.

El „Panorama GDR" trad. R. Masek



*„La prokrastiĝema kariero de Arturo Ui" de Bertolt Brecht. Wolf Kaiser, Hilmar Thate (en la fono) kaj Ekkehard Schall, kiu mondfame ludas la titolrolon.*
Foto: Zentralbild



*50 jara jubileo de granda aktorino. Helene Weigel en „La patrino".*
Foto: Zentralbild

# Profesorino Helene Weigel festis la 50-jaran teatran jubileon

Kiam Helene Weigel, nomita de siaj kunlaborantoj kaj multnombraj entuziasmaj amikoj de sia teatro „la ĉefino" aŭ „die Weigel", festis en septembro 1969 la 50-jaran aktoran jubileon, estis tio samtempe la datreveno de la 50-jara teatra historio, kies evoluo ne restis sen influo de la teatro de Brecht. Lia maniero prezenti teatraĵojn servis al pliperfektigo de du artoj, al dramaturgio kaj arto de spekti. Brecht skribis iam: „Nia teatro devas veki emon je ekkono, devas organizi plezuron je ŝanĝo de la realeco." Preskaŭ neniu alia interpreta metodo instigas ĉiun spektanton al enpenso tiel, kiel la teatro de Brecht.

Post la morto de Brecht en la jaro 1956 daŭrigis lian laboron, sub gvidado de lia edzino Helene Weigel la kolektivo, edukita de la eminenta dramaturgo. Estas ankaŭ la merito de la intendantino de la Berlina Ensemblo, kiu helpas al ĉiu kunlaboranto per ŝiaj multnombraj dum 50-jara teatra praktiko akiritaj spertoj, ke tiu teatro fondis dum oftaj internaciaj gastludoj sian reputacion tutmondan. Neforgesite estas ŝia reprezentado de la „Mutter Courage, Frau Carrar, Frau Flinz" aŭ „La Patrino" de Maxim Gorki. Estas ŝia tuta personeco kiun ŝi enmetas en siajn rolojn, kiu el la malgranda svelta persono sur la scenejo fariĝas impone granda aktorino. Ŝia kapablo gvidi la Berlinan Ensemblon montras sin ankaŭ en tio, ke neniu detalo estas por ŝi bagatela, kaj en la teatro sfero kaj en la vivo de ŝiaj kunlaborantoj.

Pro tio ŝi posedas grandan aŭtoritaton, pro tio ŝi ĝuas multe da respekto kaj simpatio flanke de ĉiuj.

Helene Weigel naskiĝis 12-an de majo 1900, edziniĝis 1928 kun Brecht, ludis ĉirkaŭ 1930 siajn unuajn Brecht-rolojn kaj elmigris kune kun Brecht en la jaro 1933, antaŭ la faŝisma diktaturo en Germanio. Ŝi ludis en Paris, Kopenhagen, en Usono kaj en Zürich. De post la jaro 1949 ŝi oficas kiel aktorino kaj intendantino de la Berlina Ensemblo, estas fondiga membro de la „Germana Akademio de l'Artoj en la Germana Demokratia Respubliko" kaj ricevis trifoje la Nacian Premion de GDR.

Kiam ŝi revenis kun Brecht al Berlin en oktobro 1948, skribis ĵurnalisto, ke Helene Weigel kun ŝia kaptuko estus aspektinta kiel „saĝa orientdevena princino". Eble tiam ŝi ridis pri tio, sed iomete ĝi estis la vero.

El „Panorama DDR" tradukis E. Würker



Bertolt Brecht

# LA DU FILOJ

En januaro 1945, kiam la Hitler-milito alproksimiĝis al sia fino, kamparanino en Turingio sonĝis, ke ŝia filo, estanta en la batalkampo, ŝin vokis, kaj irante duondorme en la korton, ŝi kredis vidi sian filon trinkante ĉe la pumpilo. Kiam ŝi alparolis lin, ŝi rimarkis, ke estis unu el la junaj militkaptitoj rusaj, kiuj faris devigajn laborojn en la bieno. Kelkajn tagojn poste, ŝi spertis strangan travivaĵon. Ŝi alportis al la kaptitoj la manĝaĵon en proksiman arbareton, kie ili elfosis arbstumpojn. Forirante kaj rigardante returne trans la ŝultro, ŝi vidis, ke la sama juna militkaptito, cetere malsaneta homo, turnis seniluziiĝinte la vizaĝon al la ladpoto kun supo, kiun iu donis al li, kaj subite tiu ĉi vizaĝo ŝanĝiĝis en tiun de ŝia filo. Rapidaj kaj rapide malklariĝantaj ŝanĝiĝoj de la vizaĝo de ĝuste tiu ĉi juna homo en tiun de ŝia filo ofte okazis al ŝi en la sekvaj tagoj. Poste la militkaptito malsaniĝis; li restis kuŝi en la tenejo sen flegado. La kamparanino sentis pliiĝantan deziregon alporti al li ion fortigantan, sed en tio ŝi estis malhelpata per sia frato, militinvalido, kiu estris la bienon kaj brutale traktadis la kaptitojn, precipe nun, kiam ĉio ekkonfuziĝis kaj la vilaĝanoj komencis timi la kaptitojn. La kamparanino mem ne povis ne opinii ĝuste helpi tiujn fihomojn, pri kiuj ŝi jam aŭdis terurajn aferojn. Ŝi vivis en timo, kion la malamikoj eble faras al ŝia filo batalanta ĉe la orienta fronto. Do ŝi ankoraŭ ne realigis sian duonan intencon helpi tiun ĉi kaptiton en sia forlasiteco, kiam iun vesperon ŝi surprizis grupon de la kaptitoj en la fruktoĝardeneto dum fervore kondukata interparolado, kiu okazis en la malvarmo eble por esti kaŝe farata. La juna homo kunstaris, febrotremante, kaj, probable pro sia speciale malfortiĝinta stato, ŝi plej profunde ektimis pro li. Meze de la ektimo nun ree okazis la stranga ŝanĝiĝo de lia vizaĝo, tiel ke ŝi rigardis en la vizaĝon de ŝia filo, kaj ŝi estis tre timigita. Tio profunde okupis ŝin, kaj kvankam laŭ sia devo ŝi raportis al sia frato pri la interparolado en la fruktĝardeneto, ŝi tamen decidis, nun kaŝe transigi al la juna homo la disponigitan ŝinkrestaĵon. Tio, kiel multaj bonaj faroj en la Tria Regno, pruviĝis ekstreme malfacila kaj danĝera. Ĉe tiu entrepreno ŝia propra frato estis ŝia malamiko, kaj ŝi ankaŭ ne povis esti certa pri la militkaptitoj. Tamen ŝi sukcesis. Sed ĉe tio ŝi malkovris, ke la kapitoj envere intencis sin liberigi, ĉar ĉiun tagon por ili kreskis la danĝero, ke oni forkondukus ilin okcidenten antaŭ al almarŝanta Ruĝa Armeo aŭ simple mortigus ilin. La kamparanino ne povis rifuzi kelkajn dezirojn klarigitajn al ŝi pantomime kaj per kelkaj germanaj vortpecoj de la juna kaptito, al kiu ŝia stranga travivaĵo ŝin ligis. Tiel ŝi lasis sin impliki en la prifuĝajn planojn de la kaptitoj. Ŝi havigis jakon kaj grandan ladotondilon. Strange la ŝanĝiĝo ek de tiam ne plu okazis; la kamparanino nun helpis nur la junan viron fremdan. Tiel estis por ŝi ŝoko, kiam iun matenon je la fino de februaro oni frapis al la fenestro, kaj tra la vitro ŝi ekvidis en la krepusko la vizaĝon de sia filo. Ĉi-foje estis ŝia filo. Li surhavis la ĉifonitan uniformon de la armita SS, lia trupunuo estis frakasita, kaj ekscitite li raportis, ke la rusoj estis for de la vilaĝo jam nur kelkajn kilometrojn. Lia hejmenreveno nepre devis resti kaŝita. Dum speco de milita interkonsiliĝo farita de la kamparanino, ŝia frato kaj ŝia filo en angulo de la subtegmentejo, oni decidis antaŭ ĉio liberigi sin de la militkaptitoj, ĉar ili eble jam vidis la SS-anon kaj ĝenerale farus supozeble eldirojn pri tio, kiel oni traktadis ilin. En la proksimeco estis ŝtonrompejo. La SS-ano insistis pri tio, ke la venontan nokton li logu ilin unuope el la tenejo kaj mortigu ilin. Poste oni povos transporti la kadavrojn en la ŝtonrompejon. Vespere oni donos al ili ankoraŭ kelkajn porciojn da brando; tio povas ne tro frapi ilian atenton, diris la frato, ĉar li kaj la servistaro jam dum la lasta tempo estis aparte afablaj al la rusoj por favore influi ilin ankoraŭ en la lasta momento. Kiam la juna SS-ano prezentis la planon, li subite vidis sian patrinon ektremi. La viroj decidis, neniukondiĉe lasi ŝin plu en la proksimecon de la tenejo. Tiel ŝi atendis la nokton plena de teruro. La rusoj ŝajne dankeme akceptis la brandon, kaj la kamparanino aŭdis ilin ebrie kanti siajn melankoliajn kantojn. Sed kiam ŝia filo iris en la tenejon iom antaŭ la dekunua, la kaptitoj estis malaperintaj. Ili vespere ŝajnigis sin ebriaj. Ĝuste la nova afableco nenatura de la bienanoj konvinkis ilin, ke la Ruĝa Armeo certe estis tre proksima. – La rusoj venis en la dua duono de la nokto. La filo kuŝis ebria en la subtegmentejo, dum la kamparanino, kaptita de paniko, penis bruligi lian SS-uniformon. Ankaŭ ŝia frato estis ebriiginta sin. Ŝi mem devis akcepti kaj gastigi la rusajn soldatojn. Ŝi faris tion kun ŝtoniĝinta vizaĝo. La rusoj formarŝis je la mateno, la Ruĝa Armeo daŭrigis sian antaŭenmarŝon. La filo, ne findorminte, denove postulis brandon kaj esprimis la firman intencon trabati sin al la retrofluantaj armepartoj germanaj por batali plu. La kamparanino ne provis klarigi al li, ke plubatalado signifas nun certan pereon. Malespere ŝi ĵetis sin en lian vojon kaj penis korpe reteni lin. Li reĵetegis ŝin sur la pajlon. Ree rektiĝante, ŝi sentis timonŝtipon en la mano, kaj longe resvingante la brakon, ŝi terenbatis la furiozanton.

La saman antaŭtagmezon kamparanino kun fojnveturilo alvenis ĉe la rusa komandantejo en la plej proksima urbeto kaj transdonis sian filon, ligitan per porbovaj ŝnuregoj, kiel militkaptiton, por ke li konservu sian vivon, kiel ŝi provis klarigi al interpretisto.

El „Kalendergeschichten" trad. Dr. Karl Schulze

# Pli altaj laborrezultoj - pli alta vivnivelo

„La socialismo efikas fare de la ekzemplo!" Stimuliĝinte per ĉi tiu intuicio de Lenin, la laboruloj de Germana Demokratia Respubliko en la jaro 1969 denove plenumis imponajn farojn sur ĉiuj kampoj de la socia vivo.
Laŭ informo de la ŝtata centra administrejo por statistiko, la laborproduktiveco kompare al 1968 plialtiĝis je 8 procentoj. La industria produktado, atinginta 1968 jam 140,727 miliardojn da markoj, ankaŭ plialtiĝis je 8 procentoj. La plej altan alkreskon de 11,4 procentoj povis noti la elektroteknika/elektrona industri-branĉo. Sekvas la industri-branĉoj por prilaboraj maŝinoj – kaj veturil-konstruado kun 10,4 procentoj, kemia industrio kun 8,4 procentoj, minejekspluatado, metalurgio kaj kalioindustrio kun 8 procentoj, pezmaŝin- kaj instalaĵkonstruo kun 6,9 procentoj, nutraĵindustrio kun 6,8 procentoj kaj malpezindustrio kun 6,2 procentoj.
La spezo de eksterlanda komerco plialtiĝis je 13,1 procentoj, t.e. de 30,125 al 34 miliardoj da markoj. La kvoto de la socialismaj landoj en la eksterlandkomerca spezo de GDR sumiĝis je 72,6 procentoj. La eksterlanda komerco kun la junaj naciaj ŝtatoj, precipe kun la arabaj ŝtatoj pliampleksiĝis kaj altiĝis je 25,6 procentoj. En tio estas partoprenantaj ĉefe Araba Unuiĝinta Respubliko, Siria Araba Respubliko, Alĝerio kaj Irako. Plialtigita estas ankaŭ la eksterlanda komerco kun la kapitalismaj landoj Belgio, Okcidenta Germanio, Francio, Grandbritio, Italio, Nederlando, Svedio kaj kun la memstara politika unuo Okcidentberlino.

**87 plene aŭtomatigitaj produktejoj**

La altaj laborrezultoj de la laboruloj speguliĝas ankaŭ en la nacia enspezo, kreskinta dum la bilancjaro de 98,018 al 103 miliardoj da markoj. La investoj, plialtiĝintaj de 26,470 al 30 miliardoj da markoj utiliĝis precipe al la ĉefindustriaj branĉoj. Tion evidentigas la 87 plene aŭtomatigitaj produktejoj, kiuj fine de 1969 povis ekkomenci la produktadon. Kvazaŭ modelo por la majstrado de la scienco-teknika revolucio povas esti menciataj la uzino por produktado de laborilmaŝinoj en Magdeburgo, la uzino por produktado de lavmaŝinoj en la urbo Ŝvarcenberg kaj la Kablo-Kombinumo „Oberspree" en la ĉefurbo de GDR Berlino. Konekse al ĉi tio estu menciite, ke la ŝtataj elspezoj por esplorado kaj evoluigado en scienco kaj tekniko plialtiĝis je 22 procentoj, respektive al 3,6 miliardoj da markoj.
En la agrikulturo la ŝtata kvoto de bestaj produktaĵoj altiĝis je 2 procentoj, inkluzive kordbirdoj buĉotaj, je 13,5 procentoj kaj ovoj je 5,1 procentoj. La rikoltperdoj, estiĝintaj sekve de ekstremaj meteorologiaj situacioj faris 12 procentojn ĉe greno, sed ĉe olegrajnoj, terpomoj kaj sukerbetoj ankoraŭ pli altajn procentojn kompare al la jaro 1968. Por estonte pli bone esti gardota kontraŭ meteorologiaj rigoraĵoj, estas plialtigitaj je 30 procentoj la investoj por grundplibonigoj. La teknika ekipo de la Agrikulturaj Kooperativoj kaj Popolproprietaj Bienoj estas plue konsiderinde plibonigita.

**Pli altaj subvencioj por infanoj**

La bulteno de la Centra administracio por statistiko informas ankaŭ pri tio, ke la vivnivelo de la loĝantaro denove konsiderinde leviĝis. Fakte la monenspezoj de la laboruloj kompare al 1968 pliiĝis je 4 miliardoj da markoj, t.e. je 4,9 procentoj. La pagoj de premioj al laboristoj kaj oficistoj kreskis je 360 milionoj da markoj. Ekde 1-a de oktobro 1969 proksimume 470 000 familioj por sia tria infano ricevas ĉiumonate plialtigitan je 30 markoj subvencion (do nuntempe po 50 markoj). Rilate pensioj 1969 estas pagitaj 6,8 procentoj pli ol en jaro 1968. Kaŭze de la plibonigitaj vivkondiĉoj ankaŭ la pomalgranda vendiĝo plialtiĝis de 51,941 al 61,5 miliardoj da markoj, t.e. je 6,1 procentoj. Ĉe la plialtiĝinta vendiĝo la kvoto de la industriaj varoj faras 7,3 procentojn, la kvoto de nutraĵoj kaj ĝuaĵoj 5,3 procentojn. Nuntempe el ĉiu cent da mastrumoj 66 posedas televidilojn, 48 fridujojn kaj 48 lavmaŝinojn. La ŝpardeponoj pliiĝis je 289 markoj po unu persono el la loĝantaro.
La ŝtataj elspezoj por sanprotekto kaj socia asekuro, sumiĝintaj 1968 proksimume je 3,390 miliardoj da markoj, estas pliigitaj je 4,5 procentoj. Ĉi tiu sumo ne inkluzivas la pli altajn pensiojn. Se ankoraŭ en la jaro 1961 unu kuracisto estis zorganta por 1 170 loĝantoj, do nuntempe zorgas por nur 650 loĝantoj. La mortkvoto de suĉinfanoj malpliiĝis al 19,7 el 1 000 vivante naskiĝintoj. 24 procentoj el ĉiuj infanoj malpli aĝaj ol tri jaroj, estas lokigitaj en infanvartejoj, kaj 61 procento el ĉiuj infanoj de trijara ĝis lerndeva aĝo lokiĝis en infanĝardenoj.

**273 000 studentoj**

En la sistemo de la socialisma klerigado estas atingitaj pluaj sukcesoj. La nombro de la lernantoj, post fininta 8-a klaso transirintaj en la 9-an klason, plialtiĝis de 79 al 82 procentoj. En la universitatoj kaj altlernejoj 1969 proksimume 34 250 kaj en vesperaj lernejoj 50 500 studentoj komencis studadon. Entute en alt- kaj specialaj lernejoj nuntempe instruiĝas 273 000 studentoj. Tiurilate konsiderinde pliiĝis la kvoto de studentinoj. La profesian lernadon finis 153 200 lernantoj, inkluzive 71 100 lernantinoj. En la kvalifikado de plenaĝuloj plialtiĝis ĉefe la nombro de studantoj en alt- kaj specialaj lernejoj. La alvoko majstri la scienco-teknikan revolucion, estis akceptata de la laboruloj de GDR kun plena interkonsento kaj aprobo.

*Johann Domeyer*

El „Panorama DDR" tradukis W. Zimmermann



*Lenin-monumento de prof. N. Tomski, Leninplaco de Berlin (modelo)*
Foto: Zentralbild

# BERLIN - METROPOLO DE GDR

Berlin, la iama fiŝista vilaĝo, poste komercista urbo, princa rezidejo kaj fortikaĵoj, evoluis al unu el la plej grandaj industriaj urboj de la mondo. Post la detruo de la nazia reĝimo en 1945, Berlin estis unu el la plej ĥaosaj ruinejoj de la dua mondmilito.
Berlin, la ĉefurba kaj kultura centro de la Germana Demokratia Respubliko, estas verŝajne unu el la plej grandaj konstruejoj en Meza Eŭropo kaj evoluis dum la pasintaj du jardekoj al impona centro de la socialisma Germanio. La metropolo de GDR kovras preskaŭ duonon de la iama teritorio de Berlin, kies pli grava parto jam tuj post la milito surbaze de arbitraj decidoj de la ankoraŭ tie rezidantaj okcidentaj okupacipotencoj desplitiĝis el la tuto de la urbo. Ĝi hodiaŭ formas la memstaran politikan unuon Okcidenta Berlin. Ekde 1961 inter la metropolo de GDR kaj Okcidenta Berlin estas firma kaj sekura limo, kiu garantias la senĝenan konstruon de demokratia Berlin.

## La rekonstruo post la dua mondmilito

La detruaĵoj, kiujn la dua mondmilito en Berlin postlasis, estis grandegaj. La centro de la urbo konsistis je 60 procentoj el ruinoj. Sur la teritorio de la hodiaŭa GDR-metropolo estis 11 000 konstruaĵoj absolute, 5 000 parte detruitaj. 9 milionoj da kvadratmetroj de la loĝeja areo estis neniigitaj.
La rekonstruo de la urbo okazis laŭ kelkaj etapoj, kies unua enhavis la forigon de la neimageble grandaj amasoj de ruinaĵoj. La dua rekonstruetapo startis komence de la kvindekaj jaroj per kompleksa novformigo de kelkaj stratoj kiel ekz. de la impresa bulvardo Karl-Marx-Aleo kaj per konstruo de multaj loĝejdomoj ĉie en la urbo. Samtempe komencis la eksterordinare multekosta kaj komplika renovigo de historiaj monumentoj kiel la Brandenburg-a pordego, ŝtata operejo kaj de la avenuo „Unter den Linden" (Sub la tilioj), de la ruĝa urbodomo kaj multaj aliaj konstruaĵoj.
La nuna konstruetapo estas la plej ampleksa kaj plej signifa, kiu iam ajn okazis en Berlin. Sur areo de 800 hektaroj en la malnova ‚city' de Berlin kreskas centro laŭ plej modernaj vidpunktoj. Post la kompletigo de la centro la konstruado ondoforme disvastiĝos en la periferion.
La nova televida turo, 120 metrojn alta hotelo kaj aŭtomobila tunelo, kiu traboras la Alexander-placon, estas kelkaj el la novaj simboloj de Berlin. Samtempe kun tiuj konstrulaboroj okazas vasta transigo de stratoj, kiu devas ebligi pro la salte kreskanta nombro de motoraj veturiloj multfrekventeblajn ĉefstratojn kaj aŭtostarejojn kaj samtempe pli bonajn kondiĉojn por publikaj trafikiloj.

## Sep miliardoj pojare

Ĉefbranĉoj de la Berlin-a industrio estas la elektroindustrio la kemia industrio, la maŝinkonstruado kaj la konfekcia industrio. La pojara malneta produktado de la ĉefurba industrio atingas pli ol sep miliardojn da markoj, la kvoto ĉe la produkta volumeno de GDR estas sep procentoj. Berlin ne nur estas la plej granda urbo, sed ankaŭ la plej granda vilaĝo de GDR, se oni aplikas tiun nocion por la agrikulture utiligita areo, kiu per 270 kvadratkilometroj estas pli granda ol la fama insulo Elba, kie Napoleon travivis sian ekzilon.

## La rapideco de Berlin

La rapidemo de Berlinano estas jam vaste konata. Ĉiutage la publikaj trafikiloj estas uzataj de 1,65 milionoj da homoj. La plej grava poramasa trafikilo estas la elektra rapidtrajno (S-Bahn). La tramo veturas sur 22 linioj, omnibusoj kaj trolejbusoj sur 33 linioj, la metro (U-Bahn) estos plivastigata post fino de la superteraj altkonstruaĵoj.
Berlin posedas multajn vizaĝojn: ĝi estas industria urbo kun 650 uzinoj, ĝi estas urbo de artoj kun multaj teatroj, muzeoj kaj eldonejoj, ĝi estas refreŝiga centro kun multaj arbaroj kaj lagoj, kaj ĝi estas urbo de studentoj: La Humboldt-universitato kaj pluaj altlernejoj tiras same kiel fak- kaj inĝenierlernejoj ĉiujare dekmilojn da junaj homoj al Berlin. Sed antaŭ ĉio: Berlin estas la metropolo de prosperanta lando, la ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko.

El „Panorama GDR" trad. Dr. Hans Eichhorn

*Modelo de la Lenin-placo en Berlin. En la mezo de la placo la Lenin-monumento.*
Foto: Zentralbild



# La egalrajta viro en GDR

Vi ĝuste legis, la surskribo ne estas preseraro, jam el tute simpla kaŭzo: ĉiu medalo havas du flankojn.
Post multjarcenta subpremado de la virinoj en Germanio estas forigita la maljusto per la kreo de la GDR: la virino estas egalrajta.
Nombroj ĝenerale estas enuigaj, sed tamen eldirfortaj, kaj kelkaj ilustru la aserton. 76 % de ĉiuj virinoj en labortaŭga aĝo praktikas profesion, 27 % el ili disponas pri universitata aŭ faklerneja atesto, ĉiu dua civitano, kiu laboras en la socia ekonomio, estas virino. 153 virinoj estas membroj de la plej altranga parlamento de la GDR, ĉiu tria deputito de la lokaj parlamentoj estas virinoj, kaj 30 % de la membroj el la 5 partioj en la respubliko ankaŭ estas virinoj.
Malantaŭ ĉi tiuj faktoj nature ankaŭ kaŝiĝas problemoj, ĉar multfoje la virinoj devas interkonsentigi la edzecon, patrinecon, profesion aŭ studadon. La demando „Kiun rolon ludas la viro en ĉi tiu rondodanco?" pro tio tute ne estas tiel malĝusta vojo, kiel unuavide montriĝas.
Antaŭ 1945 la rajtoj kaj devoj de virino limiĝis je la mastrumado. La viro estis la zorganto aŭ la nutranto kaj kiel estro de la familio li devis decidi en ĉiuj gravaj aferoj. La sekvo de ĉi tiu fiksa divido de la taskoj, sankciita per la civila kodo, signifis generale por la virino metadon sub kuratelon kaj spiritan malriĉiĝon, por la viro fremdigon en edukaj aferoj kaj senhelpeco kontraŭ ĉiuj problemoj, kiuj evidentiĝis en la propra loĝejo. La viro, kiu dum malsano de la edzino eventuale eble povas boligi kafon, estis ne nur prirideta figuro en ŝercgazetoj sed realaĵo. Sed ĉi tiu tipo en GDR estingiĝis, precipe en la pli juna generacio; ĉar jam la familia kodo destinas, ke la geedzoj estas egalrajtaj, ke ĉiuj aferoj estas regulataj komune kaj ke ambaŭ estas respondaj por la infanedukado kaj por la gvidado de la mastrumo. Tradicioj nature estas tre daŭremaj, konfliktoj ne forrestos, publikaj diskutoj en la plej granda virina gazeto „Für Dich" (Por Vi) pruvas tion.
Kaj tamen ŝanĝiĝis la aspekto de la viraro en ĉi tiu lando. La amo al infano estas ekkonebla je gesto kaj mimiko ĉe juna viro same ĉe la virino. La sola patro, kiu post la morto de la patrino aŭ post eksedziĝo ricevas la zorgrajton pri la infanoj, tute ne ĉiam decidiĝas por enkonduko en infanasilon, sed li prizorgas kaj edukas memstare la infanojn. La viro, kiu akompanas siajn infanojn al kaj de la infanvartejo aŭ lernludejo apartenas frumatene aŭ posttagmeze al normaltaga aspekto.
Ankoraŭ antaŭ jaroj oni turniĝis al li, hodiaŭ li estas banalaĵo. En la atendejoj de la infan-kuracistoj ne nur virinoj vindas suĉinfanojn kaj aŭskultas la konsilojn de la kuracisto, sed ankaŭ viroj. Kaj en la gepatraj kunsidoj de la antaŭlernejaj kaj lernejaj institucioj la patroj same kiel la patrinoj ege pripensas la evoluon de siaj idoj.
Se nun la viro estas same egalrajta aŭ turmentata – iam kaj iam dependas de la vidpunkto – tiam nature ankaŭ la leĝo ne povas fari kurban vojon ĉirkaŭ la „krono de la kreado". Tiel ankaŭ en nomo de la labora kodo de la GDR ekzistas laborlibera tago ne nur por la junaj gefianĉoj, sed ankaŭ la viro ĝin havas okaze la akuŝiĝo de sia edzino. La laboranta viro estas liberigata de la laboro same kiel la virino, se estas necesa la flegado de malsanaj infanoj kaj la patrino ekz. troviĝas en malsanulejo aŭ pro aliaj kaŭzoj ne povas zorgi pri la infanoj. Sed ankaŭ ekzistas viroj, kiuj same kiel edziĝata aŭ virino kun infanoj kaj kun propra mastrumo povas resti hejme 1 tagon monate. Ĉi tiu pagata „lavtago" por la viraro certe ankoraŭ logas kelkan rideton, ĉar ĝi ankoraŭ estas escepto. Sed, ĉar egalaj devoj sekvigas ankaŭ egalajn rajtojn, eĉ tio nur estas demando pri tempo. Ankaŭ la „lavotago" de unusola patro estos parto de la ĉiutaga vivo. Oni eble nur ankoraŭ miros pri tio, ke ĝi kaŭzis mirigon.

El „Panorama GDR" trad. Otto Leichert



*Por ke la edzino havu pli da tempo, patro kaj filineto prizorgas la aĉetojn*
Foto: Zentralbild

*„Altiraĵo por la Berlinanoj iĝis la Urania-Horloĝo" ĉe Alexander-placo. Ĉi samtempe indikas la horon de ĉiuj ĉefhorzonoj. En la fono la hotelego „Berlin" (2 000 litoj post finkonstruo)*
Foto: Zentralbild

La novaj trajtoj de la Alexanderplaco en Berlin, de la plej populara kaj tradicia placo en la ĉefurbo de Germana Demokratia Respubliko, pli kaj pli konkretiĝas. La televida turo kun 365 metroj leviĝas super la nova 39-etaĝa hotelo „Stadt Berlin", kiu jam nun videbliĝas per blua eksteraĵo de ĉiuj bulvardoj, kiuj kondukas al Alexanderplaco. La komforta hotelo baldaŭ gastigos 2 000 tranoktantojn. La restoracioj ĉepiede de la hotelo jam ekstere estas pretaj. La konstruaĵoj por la elektra industrio, por la ŝtata centra administracio por statistiko kaj por la ministerio pri interna komercado jam nun estas krude pretaj. La plej granda magazenego de la lando estis krudkonstruita ĝis la 20-a fondjubileo de GDR, la 7-an de oktobro 1969. 20 000 kvadratmetroj da ŝtonplatoj, inter ili 3 000 kvadratmetroj ruĝetaj, kovras la Alexanderplacon, kiu estas traborita de tuneloj por piedirantoj, metro kaj aŭtomobiloj. Antaŭ vico da kaŝtaniarboj, kiuj devenas el la ĝardenoj de Sanssouci (Potsdam), invitas estonte inter Rathaus-Strato kaj Karl-Marx-Aleo benko, longa je 133 metroj al ripozo. Sur la kruciĝo Rathaus-Strato/Alexander-Placo estas muntita kolono, sur kiu ĉiu povas ekscii, kioma horo nunmomente estas en Wladivostok, New York, Honolulo, Bombay aŭ en iu alia loko de la mondo.

## Mondhorloĝo sur la Alexander-placo en Berlin



**Erich Kästner**

# Ĉarma vespero

Invitoj estas terura afero. Por la gastoj. La gastiganto almenaŭ scias, kiu venos en la domon kaj kio sur la tablon. Kontraŭe al mi, li scias, ke sinjorino Ruckteschel, mia najbarino je la maldekstra flanko, estas surda, sed tro vanta por konfesi ĉi tiun malgrandan malperfektaĵon. Kaj kion celas lia edzino, kiam ŝi, en malfrua horo, venas en la ĉambron kun la printempa ĉapelo de sinjorino Sendewein kaj flutas: „Ĉarma ĉapeleto, karulino mia! Do surmetu ĝin, por ke ni vidu, kiel ĝi aspektigas vin!", nu, kion ŝi celas, scias ankaŭ nur la gastiganto. La gastoj nur povas supozi ĝin. Kaj ekiri.

Ho, kiom bele estas sencele promeni, ne invitite de iu, tra la vesperaj vendejstratoj, ie konsumi porkogambajon kaj iom da biero kaj, maksimume, babili kun fremda homo pri la nova benzinprezo! Sed invitoj? Ne. Por tio la vivo estas tro mallonga.

Ekzemple ni prenu la inviton ĉe la geedzoj Burmester. Antaŭ tri semajnoj. Ĉarmaj homoj. Kleraj, akceptemaj por ĉio okazanta en la mondo, ŝatantoj de familia muzikado, nenio kontraŭ la geedzoj Burmester. Kaj ni sciis, kiu venos krom ni. Thorn, la eldonisto, kun lia edzino, do malnovaj konatoj. Ni estis akurataj. La „Martini" estis tiom nedolĉa, kiom tia trinkaĵo nur povas esti. Thorn rakontis kelkajn spritaĵojn, nek tro malnovajn, nek tro novajn, bonete digesteblajn. Lonjo rigardis min, kvazaŭ ŝi volus diri: „Kial vi nur estas kontraŭ invitoj?" Jes. Kaj poste la pordo salte malfermiĝis. Hundo enpaŝis. Ĝi devis klini sin. Tiom granda ĝi estis. Dana dogo, kiel ni eksciis. Lonjo pensis: „La amikoj de miaj amikoj estas ankaŭ miaj amikoj", kaj volis mankaresi la beston. Tiu mordintence ekfermis la dentojn klaksone. Kvazaŭ pendseruro. Bonŝance iomete neekzakte. „Estu singardaj!" diris la dommastro. „Neniuokaze mankaresi! Al D-ro Riemer tio preskaŭege estus kostinta dikfingron antaŭ nelonge. La hundo estas dresita kontraŭ viroj." Sinjorino Thorn, sidanta sur la sofo, diris palpebrumante: „Sed do ne kontraŭ virinoj." Ĉe tio ŝi, iom sintrude, ŝajnis esti farinta mangeston, ĉar jam la dogo, elegante kvazaŭ Hanoverana dresita ĉevalo, saltis per unu salto transverse tra la ĉambro kaj surteriĝis sur sinjorino Thorn kaj la sofo, ke ambaŭ krakis en ĉiuj kunkudroj. Sinjoro kaj sinjorino Burmester alrapidis por helpo, ĝemegante trenis sian karulon en la ĉambromezon kaj tenere riproĉis ĝin. Poste la gastiganto ĉenis la beston karan per mallonga ĉeno farita el ŝtalringoj. Ni singarde plenspiris.

Poste oni sciiĝis, ke la manĝo povas komenciĝi. Ni paŝis en la apudĉambron, en konvena distanco post la hundo, kiun sinjoro Burmester kondukis per la ĉeno. La supon oni povis manĝi sen ĝeno. Ĉar la dommastro ne ĝin manĝis. Kiam la kotletoj kun la florbrasiko en holanda saŭco estis surtabligataj, tio ŝanĝiĝis. Oni ne povas manĝi bovidkotleton firmtenante danan dogon. „Ne timu", diris sinjoro Burmester. „La besto estas dormema kaj tuj kunvolviĝos. Nur pri unu mi petas, – neniuj fortaj ekmovoj!" Ni manĝis kvazaŭ musetoj. Alpremante la orelojn. Apenaŭ kuraĝante maĉi. Tenante la kubutojn tute proksime ĉe la korpo. Sed la besto tute ne estis jam laca. Ĝi flaresploris nin de poste. Tre malrapide. Tre funde. Poste ĝi haltis apud mi kaj metis sian humide gajan muzelon en mian florbrasikon. La geedzoj Burmester elkore ridis, vokis pro freŝa telero, kaj mi demandis, kie oni povas lavi siajn manojn. Kiam, kelkajn minutojn poste, mi volis reiri el la lavejo en la manĝoĉambron, murmuregis en la koridoro. Tre murmuregis. Per tia murmurego anonciĝadas alikaze pli grandaj tertremoj. Mi do restis en la lavejo kaj rigardis la tualetaĵojn de la geedzoj Burmester. Kiam, post pliaj dek minutoj, mi denove volis klinke malfermi la pordon, ree murmuregis. Nu bone. Mi restis. Kombis min. Provis, kiel mi aspektas kun maldekstra hardislimo. Kun dekstra hardislimo. Brosis spireton da hargrasaĵo en la hararon. Post duona horo sinjoro Burmester frapis ĉe la pordo kaj demandis, ĉu mi ne fartas bone. „Certe, certe, sed via hundo ne ellasas min!" mi kriis mallaŭte. Sinjoro Burmester ridis sian freŝan, sinceran ridon virecan. Poste li diris: „Je tiu ĉi pordo la besto estas precipe avida. Pro la rompŝtelistoj. Kiel konate, rompŝtelistoj preferas la lavejojn por engrimpi. Kial, neniu homo scias, sed estas tiel. Venu, Cesaro!" Cesaro ne venis! Neniukondiĉe. Anstataŭ tio venis sinjorino Burmester. Kaj Lonjo. Kaj la geedzoj Thorn. „Vi kompatindulo!" kriis sinjorino Thorn. „La fruktsalato estis ĉiela!" „Ĉu mi rakontu al vi la plej novan spritaĵon?" demandis Thorn. Ŝajnis, ke nun, post kiam la hundo estis koncentriĝinta al mi, li havis plej bonan humoron. Kaj mi? Mi eĉ ne respondis. Sed ekverkis soneton. Krajonon mi ĉiam kunhavas. Papero ankaŭ ĉeestis.

Intertempe sinjoro Burmester sciigis al mi, ke li volas telefoni al la hundodresisto. Iam li frapis kaj diris, ke la viro bedaŭrinde estas en malsanulejo. Ĉu poste li ankoraŭfoje frapis, mi ne scias. Mi grimpis tra la fenestro bedaŭrinde iomete mallarĝa kaj situanta alte, saltis en la ĝardenon, tordis al mi la maldekstran piedon kaj lamis hejmen. Ĉis kiam mi trovis taksion. Monon mi kunhavis. Sed ne ŝlosilojn. Se mi antaŭe estus scinta, kio venus, mi estus surmetinta la mantelon, kiam mi iris en la lavejon. Tiel mi sidis finfine, ekstreme amariĝinta, sur nia ĝardenmuro kaj havigis al mi nazkataron. Kiam Lonjo veture alvenis kun miaj ĉapelo, ombrelo kaj mantelo, ŝi esplore rigardis min iomete zorge kaj mirigite. „Nu, nu", ŝi eldiris. „De kiam vi do havas hardislimon?"

Kiel dirite, invitoj estas terura afero. Mi lamas ankoraŭ hodiaŭ.

(Trad. Dr. Karl Schulze)

---

## Libroservo

SE VI VOLAS HELPI NIAN MOVADON . . .

Rezervu viajn libromendojn al libroservo de „Fédération espérantiste du Travail". Adreso: S-rino G. ROUX, 47-MONFLANQUIN (Francio). Grava stoko de libroj el Vjetnamio, Sovetunio, Germana Demokratia Respubliko, Laoso, k.t.p. . . Malaltaj prezoj. Ekspedas ĉiulanden. Informon kaj libroliston kontraŭ 1 int. respondkupono. Komprenoble, se via nacia MEM-peranto povas liveri la deziritajn librojn, prefere turnu vin al li. – CR –

Detlev Blanke

# Pri la historio de internaciaj planlingvoj

## 1. Internacia planlingvo – socia neceso

La lingvo kiel socia fenomeno estas la ĉefinstrumento por la realigo de la interhoma komunikado. La sociaj bezonoj estas la plej gravaj faktoroj, kiuj influas la lingvan evoluon. La estiĝo de nacioj el la diverseco de la triboj kaj gentoj kaj la formiĝo de ŝtatoj donis la bezonon por la evoluo, ofte konscia evoluigo, de nacia lingvo.

La giganta evoluo de la produktivaj fortoj, la fakto, ke la scienco iĝis unu el la ĉefproduktivaj fortoj – ni ja parolas pri la scienco-teknika revolucio en la industrilandoj – necesigas pli kaj pli la internacian kunlaboron sur ĉiuj ebenoj de la materia kaj socia vivo. Kvankam tiu bezono jam longe konatas, eĉ estis supraĵe sentita en la mezepoko, tamen hodiaŭ la raciigo de la internacia lingva interkomunikado estas jam ne plu ignorebla necesego. Nur sufiĉas rigardi la dokumentojn, eldonitajn de UNESCO pri tiu problemo[1]) kaj aliajn bazajn verkojn, eldonitaj dum la lasta tempo[2]). La ĝusta historia sinteno al la diversaj provoj de la planlingvaj kreaĵoj donas pli fundan komprenon pri la pozicio de la ekzistantaj plej gravaj planlingvoj aktualaj. Ne kontesteblas la fakto, ke de 100 planlingvanoj 99 adeptas al Esperanto[3]). La resto, efektive eĉ malpli ol unu procento, dividiĝas je *Ido, Interlingue* kaj *Interlingua* kaj ĉiam denove aperantaj (kaj certe – ontaj) kaj malaperantaj aliaj projektoj. Kiel ni rilatu al tiuj diversaj provoj de pazigrafioj (internaciaj skriboj) kaj planlingvoj[4])?

## 2. Pazigrafioj kaj planlingvoj – klasifo

Ŝparante al ni la pli detalan priskribon de la planlingvaj interesiĝoj de tiuj eminentaj filozofoj kaj sciencistoj[5]) kiel *René Descartes* (1596–1650), *J. A. Komensky* (1592–1671) kaj *G. W. Leibnitz* (1646–1716) ni povas klasifi la mondlingvajn sistemojn en *pazigrafioj* (universala skribo por ĉiuj) kaj *paroleblaj planlingvoj.* Pazigrafioj estas internaciaj sistemoj, konsistantaj ne el paroleblaj vortoj sed el signoj (ciferoj, figuroj, desegnoj, ideogramoj ktp.). Sistemo da signoj servas por la esprimo de la nocioj kaj la necesaj gramatikaj interrilatoj. Pazigrafioj do estas skriblingvoj, ĝenerale ne planitaj por parolo. Oni povas diferencigi 1. *simbolpazigrafiojn,* uzantaj internacie uzatajn kaj konatajn signojn (ciferoj, matematikaj simboloj k.s.) kaj 2. *ideografiojn.* Tio estas pazigrafioj, kiuj baziĝas je bildoj, desegnaĵoj parte priskribantaj la enhavon de la nocio kaj tial do esence similantaj al hieroglifoj (ekzemple egiptaj, ĉinaj). Tipa ideografio estas *Safo.*

La *paroleblajn planlingvo-sistemojn* oni povas dividi en du grandajn grupojn.

1. La *aprioraj sistemoj* (aŭ filozofiaj, logikaj lingvoj). Ili havas neniun komunan, laŭ la lingva materialo, kun la naciaj lingvoj. La vortoformoj estas arbitre elpensitaj kaj submetiĝas al abstrakta filozofia sistemo malfacilege alpropriĝebla (ekzemple la sistemo de Dalgarno, „Ro" de Forster).

2. La *aposterioraj sistemoj* baziĝas sur elementoj de naciaj lingvoj (leksiko, gramatiko). Nur aposterioraj sistemoj iam ajn ludis aŭ ludas rolon en la mondlingva movado.
   La aposterioraj sistemoj plue disdividiĝas en

a) klasikaj aŭ modernaj modifitaj (simpligitaj) lingvoj *„Latino sine lexione"; „Basic English").*

b) Planlingvoj de l'naturalisma tipo (transpreno de la „natura" kaj komplika leksiko nenormita el la naciaj, precipe okcidenteŭropaj lingvoj, malpli regula gramatiko ol ĉe 2c), ekzemple *„Interlingue", „Interlingua").*

c) Planlingvoj de l'skemeca tipo. *[„Esperanto", „Ido"]*

d) Miksitaj sistemoj de diversaj tipoj *(„Volapük")*

## 3. Pazigrafioj

a) *Simbolpazigrafioj* estis kreitaj de diversaj aŭtoroj verŝajne pro la influo de la internacie uzitaj arabaj ciferoj kaj matematikaj simboloj.
   Estu menciita kiel ekzemplo la projekto de A. Bachmaier (1852 en Munkeno). Ĉiu ideo estis markita per cifero. La gramatikaj indikoj signitiĝis per punktoj kaj streketoj. Ekzemple estu

   351 = la ideo „forto"; fortoj = $\underline{351}$; pli forta = $3\dot{5}\dot{1}$; fortis = $\overline{351}$

   fortos = ~~351~~

   Anstataŭ ciferoj ankaŭ uziĝis literoj. Eĉ post la mondmilito aperis simila projekto de Karl Obermair. Jen „teksto": JW, GIU, BAN – MAN IU AL. R' JR SU AJ. NIN UX. R' EVO SIY: UA JKR HTF. AZ

   (Post malmulte da korespondo kun via partnero vi vidos ke la kompreniĝo eblas facile kaj rapide)[6]).

   Kompreneble la encerbigo de tiuj signokombinoj estas eksterordinare malfacila. Fakte nur temas pri kodoj, kiel ili uziĝas en la nuntempo en la internacia hotelmenda servo: ekzemple signifas 20 212 09 110 01 04 899 00 04 961 02 141 538 Malmendu mian flugveturon al Nevjorko[7]).

b) *Ideografioj* kreiĝis verŝajne sub la influo de la ekkonoj pri la egiptaj kaj aliaj hieroglifoj kaj speciale la ĉina skribo. La ĉina skribo povas esti komprenata de ĉiuj ĉinoj, parolantaj la plej diversajn ĉinajn lingvojn (aŭ dialektojn) de nordo al sudo, oriento al okcidento. Sed parola interkompreniĝo ne plu eblas. La ĉinaj skribsignoj (ideogramaj) kompreniĝas ĉie en la lando, kvankam ili tute diverse elparoliĝas. Tiu principo, ja la baza principo de pasigrafio kiel internacia

skribo, malsame voĉtradukita en la mondo, iĝas pli reala en simila projekto kiel tiu de *J. Z. Näther* (1805)[8])



= atesto pri incendio.

La ideogramoj donas klare indikojn pri la celita afero (brulanta domo, letero, krajono, okulo). Estas strange, ke ankaŭ en la plej lasta tempo proponiĝas similaj sistemoj. Prof. *Andre Eckart* proponis *Safo:* Jen specimeno:

⋔ = domo
⋔⋔ = vilago
⋔⋔⋔ = urbo
X = laboro
XX = diligento
XXX = laborfervoro
ꟻ = viro
F = virino
♀ = infano
ꟻ♀F = gepatroj

(Safo estas tre grava por la persona korespondo)[9]).

Kaj la franca desegnisto *Jean Effel*[10]) ellaboris sistemon same influitan de la ĉinaj skribsignoj. Evidentas, ke ankaŭ tiuj pazigrafioj ne sufiĉas por plenvalora internacia lingva komunikado. La litera sistemo estas grandega homa invento. Uzo de ideogramoj por konstrui skribon internacie uzeblan sendube estus regreso, evidenta anakronismo. Tamen la internacia uzo de similaj ideogramaroj kiel indikiloj (poŝto, flughaveno, stacidomo, magazeno ktp.) certe eblus kaj oportunus. Sed ĉefas, ke nur lingvo parolebla, preciza, esprimriĉa kaj facile lernebla respondas al la nuntempa internacia bezono je lingva kompreniĝo.

### 4. Aprioraj planlingvoj

Sonigo de pazigrafioj estis parte provita kaj iaspeca transiro al la aprioraj planlingvoj. Estu menciita la kurioza sed sprita projekto de *J. F. Sudre „Solresol"* (1866)[11]). El kombino de la muziknotaj nomoj *do re mi fa so* ktp. li kreis nociojn, ekz. *do-re-do* = tempo, *do-re-mi* = tago ktp. La nocioj do estis elparoleblaj, kanteblaj (laŭ la muzika notvaloro) kaj kompreneble desegneblaj per muzinotoj:




= tempo

La nocioj estis eĉ pentreblaj per 7 bazaj koloroj kaj gesteblaj per 7 bazaj gestoj. La sistemoj aprioraj postulis kiel kondiĉon la klasifon de la ĉiu tiama scio en diversajn ĉef-kaj subkategoriojn. Tion jam provis Leibnitz. Kiel tipa ekzemplo estu menciita *„Ro"* de *E. P. Forster*[12]), kiu publikiĝis 1908 (kia anakronismo!) Jen b = ekzisto, materio; c = io reale ekzistanta, d = spaco.
Per kombino de literoj indikantaj pluajn subkategoriojn, oni ekzemple ricevas *bodac* – ĉielo, *bodaf* – nebulajo, *bodak* – kometo, *bodal* – planedo ktp.
Ellerni similan lingvon eĉ Forster ne sukcesis. Similaj lingvoprojektoj ignoras fundamentan homan ekkonon: La evoluo de la naturo kaj socio. Estas preskaŭ neebla enkadrigi en similan sistemon la konstante rapidiĝantan ekeston de novaj nocioj. La troŝarĝigo de la memorkapablo per similaj literkombinoj evindente ne estas utila por internacia lingvo.
Krome starigo, de simila sistemo dependas de la filozofia kompreno pri la mondo, kiu tre varias.

### 5. Klasikaj simpligitaj lingvoj

Post la malprestiĝigo de la *latina* kiel internacia lingvo de la sciencistoj ne mankis provoj, revivigi la latinan aŭ grekan lingvojn simpligante ilin, ĉar la komplikecoj de tiuj lingvoj ne povis esti neviditaj.
Cetere revivigon kaj modernigon de klasika lingvo por nacia uzo ni trovas en la *novhebrea*, parolata en Israelo, aŭ la *novgreka* parolata en Grekio. Kelkaj latinistoj volis, plisimpligante la lingvon neniel, nur novakceptigi la *latinan* kiel internacia, provante traduki la modernajn nociojn. Ekzemple *G. Henderson* tradukis „generalo" per *„militum tribunus"* aŭ *„miliono"* per *„decies centena miliis"* (= dek centoj da miloj)[13]). Tiuj ekzemploj parolu por si mem.
Provoj *simpligi* la klasikan latinon, ŝajnis pli realaj. *G. Peano* eĉ havis certan, kvankam efemeran sukceson kun *„latino sine flexione"* (1903). Mankis morfologio, ĉiuj gramatikaj rilatoj estis esprimitaj per la vortordo (kiel ĉefe en la ĉina, do izola lingvo). Jen specimeno: *„Problema de lingua internationale es proximo ad solutione. Lingua definito per maximo de internationalitate, non es lingua artificiale"*. (La problemo de internacia lingvo estas proksima al solvo. Lingvo, difinita per maksimumo de internacieco, ne estas lingvo artefarita)[14]).

### 6. Modernaj simpligitaj projektoj

La erao de la klasikaj lingvoj kiel internaciaj estas for. Realaj kandidatoj nur estas la modernaj naciaj lingvoj aŭ planlingvo. Plej konata projekto de simpligita moderna nacia lingvo estas *„Basic English"* (Odgen, 1930). „Basic" ne devenas de la angla vorto por „baza", sed estas mallongigo de „British-American-Scientific-International-Comercial".
La mallongigo jam indikas la destinitan por tiu lingvo celon. 850 plej necesaj anglaj vorto, sufiĉus, laŭ la aŭtoro, esprimi ĉiujn nociojn. T.e. 600 substantivoj, 150 adjektivoj, 16 verboj, la resto el aliaj vortkategorioj.
Ĉirkaŭskribo do anstataŭas klaran vorton: *to pay* (pagi) ekzemple fariĝis *to give mony for* (doni monon for)[15]).
Oni mem prijuĝu la precizecon de tiu ĉi angla! (en kiu oni tradukis, laŭdire, literaturajojn). La celoj de Basic, kiel ankaŭ de similaj aliaj provoj ekzemple por la franca (J. Giro: *„la français simplifié"*, 1892) aŭ la germana (Ostwald *„Weltdeutsch"* 1916) estis esence imperiismaj. Oni volis savi aŭ fortigi la poziciojn de tiuj naciaj lingvoj en la mondo. Tio speciale evidentiĝas ĉe Basic, kiun laŭ konsilo de W. Churchill, aĉetis la brita ŝtato por savi la senteble perdiĝantajn poziciojn de la angla kiel kolonia lingvo. 1963 oni devis konfesi la fiaskon de tiu projekto. Por la fremdlingva instruado Basic indikas interesajn metodikajn vojojn (minimuma vorttrezoro).
La pure imperiismaj celoj ankaŭ montriĝas ĉe la germanaj projektoj *„Wede"* (1915 de Baumann) kies karikature kripligita germana celis servi „por la lingva unuigo de la centraeŭropaj ŝtatoj kaj iliaj amikoj"[16]) kaj jen provaĵo de simila angla-germana miksaĵo *„Tutonish"* (E. Molee 1888) *„Dis sprak must bi so sein tutonish as mogli"*[17]) la ŝovinismaj motivoj de tiuj kreaĵoj videbliĝas speciale ĉe *Weltdeutsch* de Oswald (1916).
Rudolf Heß, intervjuita de la svisa ĵurnalisto Unger, ekzemple diris: *„Esperanto estas lingva salato, origininta el juda cerbo. Sed tio ne estas la sola obstaklo laŭ mia opinio. Germanio nun estas grandpotenco kaj ĝiaj ideoj kaj ideologio venkas post kaj post la tutan mondon, minimume Eŭropon. Sendube ni estos tiuj, kiuj iam organizos tiun kontinenton. Ni kompreneble tiam bezonas lingvon por tuta Eŭropo. Tiu lingvo estos la germana! Germanaj lingvosciencistoj kreis jam simpligitan lingvon, kiun ni baptis „Weltdeutsch", kaj kies vortaro plene sufiĉas por la kompreniĝo inter la popoloj. Tiu iom simpligita gramatiko kun 1 000 vortoj cetere estos la praktika bazo por ĉiuj tiuj, kiuj plene volas studi la germanan lingvon. Ni ne bezonas artefaritan lingvon"*[18]).

### 7. Planlingvoj de l'skemeca tipo

En tiu grupo, kies ĉefaj sukcesaj reprezentantoj estas Esperanto kaj Ido montriĝas la plej reala kompreno pri la bezono, celo kaj funkcio de internacia planlingvo. Tiuj projektoj ĉiuj montras pli aŭ malpli perfekte la realigon de jenaj principoj:

- internacieco de la vortaro
- ortofonetikeco (al unu litero respondu nur unu sono)
- normita gramatiko principe sen esceptoj
- krekapabla derivsistemo (aŭ kunmeta sistemo) en la leksiko.

Post Esperanto (1887) aperis tuta serio de „plibonigitaj" projektoj: *Ekselsioro* (1905), *Ido* (1907), *Antido* (1907), *„Mezvoio"* (1908), *Nuv Esperanto* (1910), *Lingvo Kosmopolita* (1913), *Esperido* (1920), *Federala lingvo* (1923) ktp., ktp.
Ili ĉiuj diferencas samgrade kiel eble unu parenca dialekto de l'alia.
Sendube eĉ estis inter ili parte veraj plibonigoj. Tamen, escepte de Ido neniu de ili signifiĝis.

### 8. Ido

Ido, kvankam ne plu ludanta ian esencan rolon en la mondlingva movado, meritas kiel iama ĉefkonkuranto de Esperanto priatenton. La francaj profesoroj *L. Couturat*[19]) (mondranga matematikisto, 1868–1914) kaj *L. Leau*[19]) iniciatis 1900 la fondon de *„Delegacio por Alpreno de Lingvo Internacia"*. Tiu internacia organizaĵo aŭ institucio (kvankam tre pseŭda) starigis al si la taskon, diskuti la diversajn planlingvo-projekton kaj elekti iun, por proponi al la mondo ties alprenon. Apartenis al ĝi i.a. tiel famaj lingvistoj kiel *Otto Jespersen* kaj *Baudouin de Courtenay*.
Pridiskutinte kaj esplorinte la projektojn de diversaj aŭtoroj la komitato de la „Delegacio" elektis principe Esperanton. Sed kun ŝanĝoj, proponitaj en la anonima projekto „Ido", kies ĉefaŭtoro estis la eksesperantisto L. de Beaufront[26]). La esperantistoj ne akceptis la „ŝanĝojn" kaj ekestis la fama skismo, kiu enkondukis fortan teorian batalon prilingvan inter Idistoj kaj Esperantistoj (kies sekvo, cetere, estas la apero de taŭga vortteorio de Esperanto, bazigita de René de Saussure, frato de la fama lingvisto Ferdinand de Saussure).
Parte pro fortaj financaj helpoj (duono de la Nobel-premio de la kemiisto kaj posta Idisto *W. Oswald*[20]) kaj partopreno de eminentaj lingvistoj sed – kompreneble – ankaŭ parte pro ŝajne lingvaj perfektiĝoj, Ido sukcesis krei al si sufiĉe fortan internacian eĉ laboristan movadon. Substrekendas, ke Ido sendube estas funkcikapabla planlingvo.
Kiuj nun estas la diferencoj inter Ido kaj Esperanto? La elekto de la radikoj iom devias en Ido kaj Esperanto (anstataŭ seĝo-*stulo*, fermi-*klozar)*. La ŝanĝoj en la gramatiko ne estas tro signifaj. Modifo de la finaĵoj (amikoj-*amiki*; paroli-*parolar*; parolu-*parolez* ktp.). Mankas la supersignoj, sed ekzistas literoj kiel q, w, x, z, y. Ido grave, eĉ *decide devias* de Esperanto *koncerne la vortfaradon*. En Esperanto sufiĉas 41 afiksoj (sen „ant"-, „at"- kpt.) por vortformi precize kaj elaste. Ido posedas 63[21]). La uzo de afiksoj en Ido estas ĉiam deviga, en Esperanto nur deviga, se tion postulas la semantiko[22]). Entute la vortformado de Ido estas pli komplika kaj rigida ol tiu de Esperanto[23]), ĉar Couturat, la logikisto de Ido, evidente ne ekkonis la avantaĝojn de la vortkunmeto de la naciaj lingvoj (pura derivo en Esperanto propre apenaŭ ekzistas), kiujn Zamenhof transprenis, ilin validigante por la tuta lingvo.
Alia kaŭzo por la malsukceso de Ido kuŝas en la daŭra reformado kaj „plibonigado" de la lingvo, kiu nur malrapide stabiliĝis, tute kontraŭe al Esperanto. Cetere, multaj eminentaj Idistoj forlasis la movadon, inter ili ankaŭ O. Jespersen, kiu 1928 publikigis propran projekton: *Novial*[24]). Hodiaŭ eble 3 aŭ 4 sensignifaj gazetetoj aperas en Ido. La Idomovado apartenas al la pasinto. Jen tekstspecimeno:
*„Lore ol elektis internaciona komitato di ciencisti, e linguisti partikulare kompetenta, qui, pos exameno di omna projeti ancien o recenta di linguo internaciona ante e dum 18 kunsidi adoptis fine Esperanto kun diversa modifiki"*[25]

(Tiam ĝi elektis internacian komitaton de sciencistoj kaj lingvistoj speciale kompetentaj kiuj, post ekzameno de ĉiuj projektoj, malnovaj kaj novaj, de internacia lingvo antaŭ kaj dum 18 kunsidoj, fine adoptis Esperanton kun diversaj modifoj).

### 9. La naturalistaj projektoj[27])

Grupo da planlingvistoj asertas, ke internacia lingvo estu kiel eble plej „natura". Sub „natura" ili komprenas la karakterojn de la okcidenteŭropaj, latinidaj lingvoj. Tio sekvigas, ke la vortoj estas transprenitaj el la eŭropaj lingvo, kune kun la komplika etimologia derivosistemo de tiuj lingvoj. La reguloj de la vortformado estas tre komplikaj kaj kontraŭdiraj. La vortderivo propre nur estas instruo pri la etimologio de la latinidaj kaj romanaj fremdvortoj kaj estas malfacile aplikebla por la aktiva vortformado. La akcento ne estas fiksa. Duoblaj konsonantoj eblas. La sonoj ne ĉiam havas la saman valoron. Resume, la projektoj de la naturalista tipo, ili tre similas inter si, estas facile legeblej por scianto de la romanaj lingvoj, eĉ pli bone ol esperantaj tekstoj. Sed la ellerno, la aktiva manipulo de tiuj lingvoj estas ege pli komplika kaj tial malpli alirebla por multaj homoj de la mondo. Aktuale la plej propagandita de tiuj planlingvoj estas *Interlingua* (A. Gode, 1951), krome *Interlingue* (1922, Edgar de Wahl) ankaŭ konata sub la nomo *Occidental*. La reakcia elito-teoria fono de tiuj projektoj, ĉu pri tio konscias ties adeptoj aŭ ne, bone ilustriĝas per eldiro de la aŭtoro de Interlingue mem, E. d. Wahl, kiu 1922 skribis en „Kosmoglott": *„Por mi estas klare, aŭ venkos la bolŝevismo kaj venkos la nova kulturo de Esperanto; aŭ bolŝevismo ne venkos kaj tiam triumfos la komplikaj naturaj lingvoj, kiuj konservos la elementojn de 2000 jara eŭropa kulturo"*[28]).
Interlingua ofte estas nomita la „lingvo de I A L A".
*International Auxiliary Language Asocion* (Internacia Helplingva Asocio) fondiĝis 1924 en USONO cele al ellaboro de taŭga internacia lingvo. La laborojn de tiu asocio komence partoprenis gravaj lingvistoj, inter ili *André Martinet*. Sed finfine pro malagordoj inter si, preskaŭ ĉiuj forlasis IALA. Interlingua tial fakte estas ĉefe la ellaboraĵo de unu sola, de Dr. A. Gode. Ĝi estas ankoraŭ pli komplika ol Interlingue kaj aspektas kiel ia nova Latino. En la *Adresario* de „Union Mundial pro Interlingua" 1964 listiĝis 357 adresoj (ekz. Belgio 3, Finnlando 2, GDR 4, Japanio 1, Soveta Unio 7). Inter ili estas multaj scivolemaj esperantistoj, ankaŭ la aŭtoro de ĉi-tiu studo. La lingvon vere parolas multe malpli ol 357.
Jen specimeno de Interlingua:
*„Le scientia incontra semper plus problemas que solmente cooperation directe inter le scientistas del mundo, pote solver."*[29])

(La scienco renkontas ĉiam pli da problemoj, kiujn povas solvi nur la rekta kunlaboro inter la sciencistoj de la mondo).

Kaj Interlingue:
*„Altestimat seniores! In li yeral jurnal de vor cité yo ha leet, que vu sercha un contorist, quel ultra li tenida de libres anc vell posser coresponder in Interlingue."*[30])

(Altestimataj sinjoroj! En la hieraŭa jurnalo de via urbo mi legis, ke vi serĉas kontoriston, kiu krom librotenado ankaŭ povus korespondi en Interlingue.)

### 10. Volapük

Tute nekutime *Volapük* estu menciita lastloke pro grava konkludo, tirebla el ties sorto. Ĝi estas reprezentanto de la miksitaj sistemoj. (miksaĵo el elementoj de aprioraj kaj skemecaj lingvoj).
Volapük fakte estas la historie unua planlingvo, kiu ludis tutmonde certan rolon. Kaj tio estas ege miriga fakto. Estas facile pruveble, ke jam antaŭ la apero de Volapük (1880) estis publicitaj lingve pli perfektaj projektoj. La kvankam etdaŭra kaj tamen relative granda sukceso de Volapük estas forta pruvo por la tezo de Cart: *„La demando pri lingvo internacia estas socia demando. Oni grave eraras, kiam oni penas solvi la demandon per simpla komparo inter diversaj lingvaj sistemoj: La moralaj, la ekonomiaj, la opiniaj kondiĉoj, kiujn pure lingvistoj aŭ filozofoj tro volonte juĝas flankaj elementoj de la serĉata solvo, estas, mi ne ne diras tiel gravaj, sed pli gravaj ol la nur lingvaj..."*[31])
La enkonduko de internacia lingvo estas afero, kiu treege dependas de sociaj faktoroj. Interlingvistiko tial ne povas ignori tiujn faktorojn. La aŭtoro de Vola-

pük, la katolika prelato *Martin Schleyer*, disponis pri grava aŭtoritato en la katolika mondo, estante redaktoro de en Eŭropo vaste legita katolika gazeto („Zionsharphe"). Li disponis pri financaj rimedoj kaj tiel povis eldoni la necesajn materialojn. Sed kio eĉ pli gravis, estis la intereso, la bezono je plifaciligitaj internaciaj kontaktoj, kiun estigis la evoluiĝinta kapitalisma sociordo. La nekontestebla ekdisvastiĝo de Volapük ne povas esti klarigita per lingvaj kvalitoj de tiu ĉi projekto. Kvankam havante tre ekzaktan kaj detalan eĉ relative senesceptan gramatikon, la leksiko estas tre malavantaĝa. Ekzistas superfluaj sonoj ä.ö.ü.), mankas gravaj kiel r (ĉar la ĉinoj, laŭ Schleyer, ne povus elparoli ĝin). Pro tiuj kaj similaj „kompromisoj" la vortoj, grandparte prenitaj el la angla kaj germana sed ankaŭ el aliaj lingvoj, kripliĝis ĝis nerekonebleco: Berg (germ. = monto) iĝis *bel*, year (angla = jaro) iĝis *yel*. *Volapük* signifas „mondlingvo" (el la angla worldspeak). El la vorto Portugal iĝis *Bodugän* ktp.

La volapukistoj mem, eĉ la aŭtoro, ne kapablis paroli sen vortaro. La evidentaj malperfektajoj de la sistemo pereigis la movadon fine de l'19-a jarcento. Jen specimeno:

(2-a strofo de l'germana kanto: „Vidis knab' rozeto"): *Pul täno*: „Blekob oli!/ lolili su enfel." / Lolil tän: „Spinob oli / olas oimemol obi / Obi ailjälöl." / O lolil, loli ledik, / O lolil su lufel.

[Diris knab': „Mi rompos vin / Rozon en herbejo!" / Diris roz': „Mi pikos vin, / Ĉiam vi memoros min, / Mi ne ĝin permesos." / Roz', rozeto, ruĝa roz', / Rozo en herbejo.]

## 11. Konkludoj

Aktuale oni parolas pri 800 ĝis 1 000 diversaj planlingvo-projektoj. Neeblas ĉiujn eĉ mencii. Pluaj aperos kaj malaperos. Konsciante, ke ekzistas projektoj lingve eble eĉ same bonkvalitaj aŭ iom pli bonkvalitaj ol Esperanto, restas la demando, kial ĝuste ĝi fariĝis relative sukcesa planlingvo, kun kiu oni ĝenerale identigas la problemon de internacia lingvo. Konsiderante la eldiron de Cart[31]) ŝajnas krome inter alie certe menciindaj jenaj faktoroj, kiuj grave kontribuis al la sukceso de Esperanto:

a) Zamenhof ellaboris – tio facile pruveblas – sistemon laŭ plene taŭgaj lingvistikaj principoj, kiuj garantias precizecon, facilecon kaj grandan fleksebleccon. Donante nur skizon de la lingvo, sed ne kompletan gramatikon aŭ vortaregon, li ne katenis la evoluon de la lingvo.

b) Zamenhof ĝuste konsciis pri la socia karaktero de la lingvo, kontraŭe al aliaj planlingvo-aŭtoroj, kaj frue rezignis ĉiujn aŭtorajn rajtojn. La parolantaro mem devas evoluigi la lingvon per praktika uzado.

c) Tre frue li eksperimentis per la lingvo, tradukante tre kapablopostulajn verkojn de la mondliteraturo. Zamenhof kaj aliaj bonaj aŭtoroj kreis modelojn, kiuj estas aŭtoritataj ĝis hodiaŭ. Tiu tradicio estas bone sekvata.

d) La cementigo de la lingvo per la deklaro pri netuŝebleco de la Fundamento, 1905, same kiel la multa modela literaturo, donis al la lingvo grandan stabilecon kaj tamen ne malebligis riĉan evoluon.

## 12. Fontoj kaj notoj

1) Scientific and technical translating, Paris 1957, UNESCO
2) Ekzemple:
   - Burney, Pierre: Les Langues internationales, Paris 1966
   - La Monda Lingvo Problemo, Mouton, Den Haag, Fakjurnalo, depost jan. 1969
   - Pei, Mario: One language for the world, New York 1961
   - Svadost, E.: Kak vozniknet vseobŝĉij jazyk?, Moskvo 1968
   - Wüster, Eugen: Internationale Sprachnormung in der Technik. 2. Auflage, H. Bouvier & Co., Bonn 1966
   - Bodmer, Frederik: Die Sprachen der Welt, Köln 1959
3) Interlingvistika Informa Servo, Flensburg, Marto 1964, pĝ. 2
4) Kvankam krom la cititaj la aliaj projektoj neniam transformiĝis al lingvo, ni tamen uzas pro simpleco la nocion „planlingvo".
5) Julius Glück: „La grandaj filozofoj kaj la Universala Lingvo", Purmerend 1937
6) Obermaier, Karl: Kleiner pasigraphischer Führer . . ., Salzburg, 1959 (?) pĝ. 14 (multobl.)
7) Waringhien, Gaston: Lingvo kaj vivo, esperantologiaj eseoj, La Laguna 1959, pĝ. 105/106
8) Pechan, A. Gvidlibro por supera ekzameno (II skizo de historio kaj literaturo de Esperanto) Budapest 1966, pĝ. 12
9) Andre, Eckhardt: Die neue Weltschrift Safo, Starnberg 1962, pĝ. 16
10) Elisabeth Hering: Rätsel der Schrift, Leipzig 1969, 219
11) fonto 8), pĝ. 14
12) Drezen, E.: Historio de la mondlingvo, EKRELO, Leipzig 1931, pĝ. 124
13) Drezen, E.: . . . pĝ. 136
14) Drezen, E.: pĝ. 137/138
15) G. P. de Bruin: Historia skizo de la internacilingva ideo Eld. Asocio de Laboristaj esperantistoj, Amsterdam (jaro ?), pĝ. 36
16) Drezen, E.: . . . pĝ. 144
17) Drezen, E.: . . . pĝ. 140
18) „La Ponto" Nro 112, 1949, pĝ. 5/6
19) Iliaj komunaj ĉefverkoj: „Histoire de la langue universelle", Paris Hachette 1903 „Les nouvelles langues internationales" Paris 1907
20) Stojan, P. E.: Bibliografio de internacia lingvo, Genève 1939, pĝ. 494
21) L. de Beaufront: Kompleta gramatiko detaloza de la lingvo internaciona Ido, Esch-Alzette (Luxemburgia) 1925
22) Komp. „der esperantist" Berlin, DKB, Nro 32/33, pĝ. 28 ff
23) Eugen Wüster (vd. 2) pĝ. 330
24) Jespersen, Otto: Eine internationale Sprache, Heidelberg, 1928
25) fonto 21) dua kovrilpaĝo
26) fonto 21) pĝ. 3 „Markezo L. de Beaufront, precipua autoro di Ido"
27) Vidu la bonegajn verkojn: W. Gilbert: Planlingvaj problemoj, La Laguna-Tenerifa 1962 Manders, W. J. A.: Interlingvistiko kaj esperantologio, Purmerend 1950
28) „Kosmoglott", Reval, 1922, nro 3, pĝ. 2
29) Currero, nove serie, nro 6/1969, Odanse (Danio)
30) Laŭ fonto 7), pĝ. 102
31) Vortoj de Profesoro Th. Cart, Jaslo 1927, pĝ. 29

– CR –

**Interlingvistikaj kaj esperantologiaj standardverkoj**

La prezentita skizo nur povis montri la ĉefajn trajtojn de la diversaj planlingvoj kaj projektoj. Por pli interesitaj esperantistoj ni donas ĉisekve la plej gravajn verkojn **(ne cititajn en la fontindikoj).**


**I. Pri la problemo de internacia lingvo ĝenerale kaj la diversaj provoj:**

1. Guérard, A. L.: A short history of the international language movement, London 1922, 268 pĝ.
2. Jacob, H.: On the choise of an common language, 1946
3. Jacob, H.: A planned auxiliary language, London 1952, 160 pĝ.
4. Monnerot-Dumaine, E. M.: Prêcis d'interlinguistique génerále et spéciale Libraire Medcime S. A. Paris 1960, 208 pĝ.
5. Kotzin, B.: Historio kaj teorio de Ido, Moskvo 1913, 142 pĝ.

**II. Bazaj verkoj pri esperanto kaj ties filologio (la esperantologio):**

1. Drezen, E.: Skizoj pri teorio de Esperanto, Leipzig 1929
2. „Esperantologio", Internacia revuo por la lingvistiko kaj bibliografio de Esperanto, Vol. I 1949/1955, Copenhagen, 256 pĝ. Vol. II/Nr. 1/Nov. 1959, Nr. 2/Julio 1961 (entute ĝis pĝ. 170)
3. Kalocsay, K./Waringhien, G.: Plena Gramatiko de Esperanto, Budapest 1935, 368 pĝ. (1-a eldono)
4. Kalocsay, K.: Lingvo, stilo, formo (esperantologiaj studoj) Librejo Pirato, Japanio, 1963, 142 pĝ.
5. Kökeny/Bleier: Enciklopedio de Esperanto, A–J; K–Z, Budapest 1933/1934, 591 pĝ.
6. Neergard, Paul: Fremdvortoj en Esperanto, SAT-Paris 1933, 64 pĝ.
7. Privat, Edmond: Esprimo de sentoj en Esperanto, Genève 1931, 67 pĝ.
8. de Saussure, René: Fundamentoj reguloj de la vort-teorio en Esperanto, Raporto al la Akademio Esperantista, Iltis Saarbrücken 1969, 40 pĝ. (fotorepreso)
9. Stojan, Petro: Deveno kaj vivo de la lingvo Esperanto, Brugge 1953, 110 pĝ.
10. Varankin, V.: Teorio de Esperanto, Moskvo 1929, 67 pĝ.
11. Zamenhof: Fundamento de Esperanto, 9. eld. Marmande 1963, 350 pĝ. red. de A. Abault.

Krome ni atentigas pri la bonega bibliografia gvidilo de Reinhard Haupenthal: Enkonduko en la librosciencon de Esperanto Nürnberg 1968, 44 pĝ.


D. Blanke

**Rudi Graetz, prezidanto de Centra Laborrondo de Esperanto de GDR en la Germana Kulturligo**

# Esperanto-amikoj de GDR por la paco

## Kvin jaroj da sukcesplena laboro

Post kelkmonata preparlaboro kaj ellaboro de direktivoj kunvenis kelkaj iamaj laboristaj esperantistoj kaj du junaj esperantistoj je la 31a de marto 1965 en la „Klubo de la Intelektuloj" en Berlin al konstitua kunsido de Centra Laborrondo (CLR). Post enkonduko, la ĉeestantoj konstituis sin, elektis la prezidanton kaj la du vicprezidantojn kaj akceptis post kelkaj plibonigoj la direktivojn por la estonta agado de la esperantistoj de GDR en la Germana Kulturligo.

Hodiaŭ la CLR konsistas el 29 membroj, inter ili sciencistoj, kuracistoj, instruistoj, membroj de diversaj partioj kaj senpartiuloj, novaj kaj malnovaj esperantistoj, kiuj aktive kunlaboras.

Per la konstituo de la CLR antaŭ kvin jaroj estis metita la fundamento por organizaĵo de GDR-esperantistoj, kiu donis al ili ĉiujn eblecojn de rapida evoluo per helpo de Germana Kulturligo, kies parto ĝi estas.

Post la fondo de Distriktaj Laborrondoj kaj Subdistriktaj Laborgrupoj la organizaĵo rapide kreskis kaj per ĝi ankaŭ la aktiveco de la GDR-esperantistoj. Tamen mankas al ni ankoraŭ fakuloj. Pro tio inter aliaj CLR jam organizis kvar seminariojn kiuj daŭris ĉiuj po unu semajno kun politikaj, kulturpolitikaj kaj fakaj temoj, ekzemple pri jenaj problemoj: La politiko en ambaŭ germanaj ŝtatoj, eksterlandaj politikaj problemoj (Vjetnamio, arabaj landoj, novkoloniismo), pedagogio kaj metodiko de la instruado de Esperanto, historio de la laborista esperanto movado, esperantologiaj kaj interlingvistikaj problemoj ktp. La partopreno estis tute senkosta.

Por la politikaj temoj ni sukcesis gajni ĉiufoje altkvalifikitajn personecojn. Kompreneble ne mankis vesperaj aranĝoj pri Vjetnamio kaj la Arabaj Landoj. Popoloj, kiuj jam depost jaroj heroe batalas kontraŭ imperiismaj agresantoj por sia libereco.

Kiu regule legas nian organon, facile povas konstati, ke ni GDR-esperantistoj identigas nin – tio estas memkomprenebla – kun la celoj de Mondpaca Esperanto Movado. Regule ni eldonas depost 1966 duoblan numeron de „Paco". Niaj grupoj organizas Vjetnamiajn Vesperojn kaj kolektas monon por la viktimoj de lakruelaj imperiismaj atakoj. Niaj esperanto-amikoj korespondas, organizas pacvesperojn, en ekspozicioj ili montras korespondaĵojn, donacojn, kiujn niaj vjetnamiaj amikoj kreis el detruitaj usonaj aeroplanoj, kiuj antaŭe bombadis iliajn pacajn hejmojn. Kompreneblas, ke ni partoprenis lastjare aktive la preparon de la Mondpaca Asembleo en Berlin.

MEM estas parto de la granda movado kontraŭ la milito. 1949 fondiĝis la Mondpaca Movado. Kvankam la imperiismaj fortoj agis per sia politiko pli aŭ malpli ĉe la rando de milito kaj ankoraŭ agas tiel, fakto estas kaj restas, ke la granda milito dum tiuj ĉi jaroj restis for de la homaro.

La Mondpaca Movado kaj speciale la Mondpaca Konsilantaro kun siaj Naciaj Komitatoj dum tiuj ĉi dudek jaroj plenumis ion, kio antaŭe ne ekzistis. Mondvasta movado ekevoluis, kiu ĉion eblan entreprenas por averti kontraŭ milito kaj kontraŭ tiuj, kiuj preparas ĝin. Ĉi montras la metodojn kaj la verajn sekretajn organizantojn de militoj kaj la antaŭkondiĉojn kaj la sekvojn. La Mondpaca Movado mobilizadas la amasojn kontraŭ la milito.

La situacio en la mondo ne estas tia, ke ni metu la manojn sur la genuoj. Vjetnamio ankoraŭ brulas kaj alvenis novaj konfliktkaj krizaj lokoj. En Proksima Oriento la situacio pliakriĝis. La Okcidentgermana Federacia Respubliko malhelpas konstantan sekurecon en Eŭropo, koloniismo kaj novkoloniismo danĝerigas la sendependecon de junaj naciaj ŝtatoj, kaj la problemoj de la malarmado staras kiel antaŭe sur la tagordo. Tial ni ne nur devas paroli pri sed precipe labori por la fortigo de MEM, sed samtempe ankaŭ por ankoraŭ pli larĝa pacmovado.

La germana poeto Bert Brecht trovis sian patrion post la dua mondmilito en la Germana Demokratia Respubliko. Li foje klarigis, ke la tuta potencaparato de la militinteresuloj estus senpova, iliaj planoj de agresado sentaŭgaj, se la popoloj inkluzive la misuzataj soldatoj ekkonsciiĝus pri la veraj situacio kaj faktoj. Helpi, ke la popoloj ekkonu la verajn kaŭzojn de militoj, estas ankaŭ grava tasko por ĉiu konscia esperantisto.

La esperanto-organizaĵo de la GDR-esperantistoj en Germana Kulturligo sekvas en tiu rilato la laboristajn esperantistojn. Kompreneble tial estas, ke ni esploras la historion de la Laborista Esperanto Movado kaj flegas ĝian tradicion. Bona ekzemplo de la esplorado en distrikto Rostock estas la scienca ŝtatekzamena disertacio de instruisto Diethelm Becker, kiun li prezentis al la historia instituto de la Universitato Rostock sub la titolo: „La Laborista Esperanto-Asocio sur la vojo al revolucia organizo de la germana proletaro". Ĝi ricevis la predikaton „bone".

Komencoj de esplorado de la historio de LEA nun ankaŭ ekzistas en la distrikto Karl-Marks-Stadt kaj aliaj distriktoj. Dum la lastaj jaroj okazis en GDR multaj distriktaj renkontiĝoj. Tion ni daŭrigos. La unua centra renkontiĝo de GDR-esperantistoj okazos en aŭtuno 1970. Granda sukceso estis la eldono de la 260 paĝa libro „Germana Demokratia respubliko-bildoj kaj faktoj". Al niaj najbaraj landoj ni havas amikajn rilatojn. Ni partoprenis la Eŭropan Esperanto-Konferencon en Vieno 1965, vizitis UK-ojn. Ni organizis 1967 „Baltmaran Konferencon" en Rostock. Pli kaj pli tagaj gazetoj raportas pri nia laboro. La „Profesora Kolegio" diskutis en radio kaj televido pozitive pri la problemoj de nia laboro. Kio koncernas la kunlaboron kun aliaj landaj organizoj, ni devas konstati, ke ĝi sin nur povas evolui sur la bazo de plena samrajteco, tio estas sur la bazo de la internacijura agnosko de GDR. Sajnas, ke kelkaj alilandaj kaj internacia organizaĵoj tion

ankoraŭ ne komprenis, ĉar ili ĉiam ankoraŭ parolas pri iu tute ne ekzistanta Germanio.

Kia estu nia perspektivo? CLR intencas fondi pluajn komisionojn por pliampleksigi ankaŭ nian fakan laboron. Ekzemple komisionojn por pedagogio, interlingvistiko kaj esperantologio, esploro de la historio de LEA ktpl. Ni pensas pri la eldono de nova moderna lernolibro kaj instrumaterialo. La manuskripto por vortaro germana-esperanto jam estas preta kaj aperos en sama maniero kiel la vortaro esperanto-germana. La enhavo de nia organo „der esperantist" montras la evoluon de nia organizo. Ni konstante klopodas plibonigi ĝin. Ni komencis aperigi en ĝi suplementan vortaron esperanto-germana kaj publikigas germanajn parolturnojn en esperanto.

Ni intencas publici por niaj legantoj vere aktualajn sociajn problemojn kun klara sinteno al paca progresa evoluo de la homaro. Ni daŭrigos publikigi artikolojn kiel ekzemple de prof. Steenbeck pri la socialisma personeco aŭ dokumentojn pri Vjetnamio aŭ pri esperanto-temoj, kiel d-ro Ruff pri la prononco de esperanto, aŭ Rudolf Hahlbohm pri esprimoj, aŭ referajoj de profesoroj d-roj Bokarev, Falkenhahn kaj Podkaminer, ĉar ili trovis la intereson de niaj legantoj same kiel la skizo pri la Laborista Esperanto Movado kaj pri vortteorio de Detlev Blanke ktp. La lastaj kvin jaroj montris al ni, ke ni per nia esperanto-laboro estis sur la ĝusta vojo. Ni daŭrigu ĝin kaj per tio ni ankaŭ trovos pluan agnoskon por nia laboro. La lingvistoj komencas interesiĝi. Ni atingis, ke nia laboro tre kunhelpis altigi la prestiĝon de esperanto en GDR kaj ankaŭ de la esperantistoj mem, kiel valoraj membroj de la socio, kiel aktivaj pacbatalantoj.

# Leganto skribas...

La Ĉeĥoslovaka eldono de PACO n-ro 173 estas tre interesa. Mi havas iujn komentojn. Rilate la artikolon de Vera Oliva „1938–1968" mi ne kredis, ke oni povus prezenti analizon de la munĥenaj okazoj sen eĉ unufoje mencii la vorton „klaso" nek kapitalisto nek laboristo. Tiutempe mi kiel propagandisto faris publikajn prelegojn ne po dekoj, sed po centoj, kaj mi memoras ĉion kiel hieraŭ. La cedoj de siaj pozicioj al Hitler fare de la brita kaj franca burĝaroj, samkiel la cedoj de la britaj imperiistoj al la japanaj imperiistoj en la oriento, estas klarigeblaj nur per iliaj klasinteresoj, kiujn, finanalize, ili taksis sufiĉe gravaj por riski la ŝtatinteresojn. Cetere, se la burĝa Beneŝ estus estinta preta akcepti la proponon de la soveta ambasadoro stari firme kune kontraŭ Hitler malgraŭ la perfido de la tria membro de la alianco – la franca registaro – estas preskaŭ certe, ke la milito neniam estus okazinta. Beneŝ ne kuraĝis riski la atakon, kion oni minacis por tiu eventualaĵo, fare de alianco de Germanio, Italio, Britio kaj Francio sur ideologia bazo de antikomunismo – ĉar li mem estis esence burĝo! Sed la britaj kaj francaj registaroj sukcesis perfidi la ĉeĥoslovakojn nur pro la malavaro de siaj popoloj kontraŭ milito, kaj certe neniam povus mobilizi ilin por milito kontraŭ la ĉeĥoslovakoj kaj flanke de la nazioj! Kaj sen antaŭa ekposedo senkosta de la riĉaĵoj de Ĉeĥoslovakio inkluzive la grandegan armilfabrikon Ŝkoda, por uzado de liaj armeoj anstataŭ kontraŭ li, Hitler estus estinta absolute ne en pozicio riski la sekvajn paŝojn al la mondmilito!

En PACO estas por mi iom strange ankaŭ, ke la tuta „Ĉarto de Homaj Rajtoj" estas presita, sed mankas atentigo, ke tiu sama „samideano" Ralph W. Harry, kiu tradukis ĝin en Esperanton, troviĝas nun en Sajgon kiel ambasadoro de tiu sama aŭstralia registaro, kies armeo batalas flanke de la usona kontraŭ la vjetnamoj! Serĉu en la speciala n-ro de PACO eldonita de la vjetnamiaj MEManoj unu vorton pri la „Ĉarto de Homaj Rajtoj". Sub la bomboj ili ĝis nun ne rimarkis ĝin.

*W. G. Keable (London)* – CR –

## ABONOJ AL „PACO"

Grava atentigo

Abonprezo por unu jaro *garantias 96 paĝojn entute* (principe 12 kajerojn po 8 paĝoj, sed ĝis nun, pro praktikaj motivoj, aperis ioma kvanto da duoblaj kajeroj).

La abonantoj bonvolu pardoni al ni pro iuj gravaj mankoj (notinde malfruaj), kiujn ni esperas grade elimini. Tiuj mankoj estas parte la malagrabla flanko de sistemo, kiu havas la grandan avantaĝon liveri ekde 1953 revuon el diversaj landoj kaj kontinentoj kaj same de fortaj kaj malpli fortaj MEM-sekcioj, kontraŭ relative modera prezo.

Krome, nia revuo fariĝas pli kaj pli luksa kaj ampleksa, kaj ni liveras multe pli ol la 96 paĝojn garantiitajn por ĉiu jaro.

Konklude: ABONU
ABONIGU
REABONU ...... al PACO!

– CR –

# Distra anguleto

**REKOMPENCO BONE MERITITA**

– Onĉjo, mi sonĝis lastan nokton, ke vi donacis al mi unu rublon.
– Bone, Tatjana, ĉar vi estis bona knabino, vi povas konservi ĝin.

**KION FARI?**

Doktoro: – Tiun-ĉi pulvoron vi devas gluti ĉiun duan horon en varmega akvo.
Paciento: – Kiel mi devas fari, Doktoro, mi ne havas banĉambron?

**LA PLEJ AFLIKTA...**

Ĉu esti kalva multe afliktas vin? – Kompreneble iom.
– Mi supozas, ke vi kruele sentas malvarmon en vintro? – Ne, ne temas ĉefe pri tio. Plej aflikte estas, kiam mi lavas min: krom se mi surportas la ĉapelon, mi ne scias kie finiĝas mia vizaĝo.

– CR –

*Vasilij Jakovleviĉ Eroŝenko, aktiva internacia batalanto por humanismo kaj socialismo, naskiĝis antaŭ 80 jaroj, la 13-an de januaro 1890, en la ukraina vilaĝo Obuĥovka, proksime de urbo Starij Oskol. Li mortis 1952. A. Ĥarkovskij publikigis longan biografion de Eroŝenko en la ruslingva libro „Prometoj" 5/1968, aperinta en Moskvo, el kiu ni ĉerpis kelkajn faktojn. Tiu biografio ne jam estas kompleta. Ĝis antaŭ nelonge la verkinto de la biografio i.a. ne sciis, ke Eroŝenko en jaroj 1923 kaj 1924 dum multaj monatoj loĝis en Leipzig ĉe la familio de la blinda violonsolisto kaj Esperantisto Fritz Bunge. Helpu kompletigi la biografion, eble eĉ iuj havis okazon renkonti Eroŝenko dum la UEA-kongresoj 1922 aŭ 1923 en Helsinki respektive en Nürnberg.**



Otto Bäßler

# EROŜENKO

## Memore al la blinda esperantista poeto

Jam en la kvara vivjaro Eroŝenko blindiĝis kaŭze de morbilmalsano. Restis en lia memoro, nur la vizaĝo de la patrino, kolomboj, ĉielo.

Ankoraŭ junaĝa, Eroŝenko veturis al Moskvo. En Moskvo li vizitis la lernejon por blinduloj. Li estis diligenta studanto. Tre baldaŭ la libroj, kiuj estis en la lerneja biblioteko, de li estis legitaj, parte eĉ kelkfoje. Sekve li komencis mem verki siajn unuajn 10 rakontojn.

Post absolvo de la blindula lernejo, Eroŝenko aliĝis orkestron, kiu muzikadis en restoracioj. Sed nokte hejmveninte, li hontis pro la al li „donacitaj" rubloj. Ĉiufoje la alian matenon li donis la rublojn al malsata aktoro, kiu al li legis el Puŝkin kaj Ĉeĥov, Andersen kaj Shakespeare.

Iun tagon virino konsilis, ke li daŭrigu muzik-studadon. Sed tio por blinduloj en la cara Ruslando ne estis ebla. Laŭ rekomendo de la nomita virino li vojaĝis al Anglio, kie laŭ informo de la virino estas kolegoj kiuj instruas muzikon ankaŭ al blinduloj. Kelkajn monatojn antaŭ forveturo el Ruslando Eroŝenko lernis la internacian lingvon Esperanto kaj samtempe studis la anglan lingvon. Responde al liaj leteroj, alilandaj homoj promesis al li helpon dum restado en iliaj landoj.

Nun Eroŝenko entreprenis la unuan vojaĝon alilanden. La vojaĝo por li komencis neesperige. Esperantisto, kiu volis renkonti kun li en stacidomo de Varsovio, malfruiĝis. La alian matenon li alvenis en Berlin. Portante la verdan Esperantostelon li trovis komplezajn amikojn. Malgraŭ malbelega neĝpluva februara vetero en Berlin por li komencis la „verda stafedo".

En London bonaj amikoj same helpis al li, ekzemple por trovi malmultekostan internulejon kaj por pli perfektiĝi ankaŭ en la angla lingvo. Ili ankaŭ helpis trovi muzikinstruiston por blinduloj. Sed baldaŭ la 22-jaraĝa Eroŝenko opiniis, ke li jam estis tro „maljuna" por perfektiĝi pli ol mezkvalita muzikisto. Li rezignis daŭrigi la muzikstudadon.

Eroŝenko havis du hejmlandojn, unu en kiu li naskiĝis kaj alian en kiu vivis ĉiuj liaj blindaj amikoj. En Ruslando memoris la lernejoj por blinduloj al karceroj, la tuta lando estis granda malliberejo. Lin logis la Oriento, la tieaj Esperantistoj. En la maja numero de „Esperantovolo", jaro 1914, aperis jena noto: „La blinda Moskva Esperantisto Eroŝenko, kiu pasintjare restadis en Anglio, entreprenis vojaĝon al Tokio (Japanio)".

La japana profesoro Ĥideo Jagi, kiu bone konis Eroŝenko, respondis al demando, kial Eroŝenko preferis Japanion anstataŭ alian landon de Oriento: „Ĉe ni tiutempe estis pli da Esperantistoj ol en Ĉinio kaj Hindio. Per ilia helpo li rapide lernis la japanan lingvon." La verkisto Akita Udsjaka recen-

zis lian teatraĵon „La odoro de la persikfloroj" kaj skribis al la aŭtoro: „Necesis korekti nur kelkajn vortojn, kiuj estis skribitaj en antikva japana lingvo. Ĉio alia fluis el la plumo kiel el neniam sekiĝanta fonto."
La batalant-humanisma agemo de Eroŝenko, lia strebado al venko de lumo kaj justeco kontraŭ potencoj de mallumo, la delikata poezio de liaj verkoj venkakiris al li solidan pozicion en la japana literaturo. Ankoraŭ en jaro 1958 en Japanio aperis trivoluma verko de Eroŝenko, kun ampleksaj artikoloj pri li de profesoro Takasugi Itiro.
Kiam en jaro 1917 Eroŝenko eksciis pri la februara revolucio, li veturis al Hindio, esperante de tie atingi Ruslandon. En Kalkutta li publike disputis kontraŭ ĉeftezo de Tagore rilate materialismo kaj idealismo en Okcidento respektive Hindio. Parte kaŭze de tiu „impertinenteco" la suspektinda ruso devis forlasi Hindion. La kapitano de angla ŝipo devis peli la „agenton de bolŝevikoj" en Vladivostok de la ŝipo. La renkonto de Eroŝenko kun blankgardistoj, kiuj tiutempe ankoraŭ okupis Vladivostok, ne devis okazi. En Singapur venis gazetraportistoj sur la ŝipon. Unu el ili, kiu parolis lingvon ne konatan al la kapitano, kaŝe transdonis paketon al Eroŝenko. En la paketo estis vestaĵo de kulio, harplektaĵo kaj flava vizaĝkoloro.
En Ŝanghaj la kapitano malpermesis al ĉiuj ŝipanoj, forlasi la ŝipon, laŭdire por ilia sekureco. Tamen la blindulo malaperis. Maristoj de la ŝipo nur vidis, kiam kulio iris sur la pontonponto, metis sakon sur ŝultron kaj rapidkuris for de la ŝipo al bordo.
Dum kelkaj jaroj tiumaniere vagadis Eroŝenko, sen atingi Ruslandon. Nur en julio 1919 li revenis al Tokio, kie li oratoris en kunvenoj de socialistoj. Li kunlaboris en la „Societo de la vekiĝanta popolo" kaj partoprenis ĉe la kongreso de la Socialista Ligo. Ĥideo Jagi memoras, kiam Eroŝenko antaŭ miloj de aŭskultantoj kantis „Stenka Rasin" kaj entuziasme finis la vesperon per kanto „Internacio".
Iun tagon japanaj policistoj arestis kaj turmentadis Eroŝenko kaj ĵetis lin en malsekan malliberejon, kaj dubante lian blindecon oni dum „esplor-intervjuo" disŝiris liajn palpebrojn.
Eroŝenko devis forlasi Japanion, kie li postlasis bonajn amikojn. Japana policisto akompanis lin sur ŝipo al Vladivostok. Sed sur la soveta teritorio oni ne fidis al li, ĉar li venis el Japanio. Pro tio li sekvis inviton de la Ĉina Esperanto-Asocio. En siaj „Rakontoj de la sekiĝantaj folioj" li konfesis, ke en la granda urbo Ŝanghaj li sentis sin solece. Amikoj helpis, ke li povis transloĝi al Peking. Kiel profesoro de la internacia lingvo Esperanto ĉe la universitato en Peking li ankaŭ instruis la rusan lingvon. Tiutempe li verkis „La dia komedio".
En somero 1922 Eroŝenko partoprenis ĉe la Universala Esperanto-kongreso en Helsinki. Veturante tra Sovet-Ruslando li konstatis gravajn ŝanĝojn. Lin impresis speciale la zorgado por blinduloj, kiuj eĉ ricevis regulan monsubvencion de la soveta komunumo. Tamen post la kongreso en Helsinki li reveturis al Peking.
Duan fojon Eroŝenko partoprenis UEA-kongreson 1923 en Nürnberg. Dum tiu kongreso oni honoris lin per internacia premio por lia poemo „La aŭguranta cigano". Depost tiu tempo Eroŝenko fariĝis originale en Esperanto verkanta poeto.
Dum la UEA-kongreso en Nürnberg Eroŝenko i.a. konatiĝis kun la blinda violonsolisto Esperantisto Fritz Bunge. Eroŝenko, kiu en jaroj 1923 kaj 1924 studadis denove en la universitato Göttingen, ofte vizitis sian novan amikon Fritz Bunge en Leipzig. Fritz Bunge jam mortis en jaro 1935. Sed lia edzino, Martha Bunge, bone memoras, ke 1923, kelkajn tagojn antaŭ kristnasko, Eroŝenko unuan fojon venis al Leipzig, kie li restis ĝis komenco de 1924. Martha Bunge humore rakontis i.a., ke Eroŝenko tuj post alveno en la loĝejo de geedzoj Bunge flaris bakaĵon. Palpekontrolante kaj palpenombrante la kristnaskajn kukojn, li ridis kaj diris, ke certe germanoj ŝatas multajn bongustaĵojn. Sed la kristnaskaj kukoj al li speciale bongustis, kaj edzino Bunge tre ĝojis pri tio.
Eroŝenko estis pasia naĝanto. Martha Bunge foje akompanis lin en someran banejon. Tie pro timo ŝi preskaŭ svenis, ĉar Eroŝenko laŭ ŝia opinio tro longe kaj tro ofte subakviĝis.
Walter Kampfrad memoras, ke Eroŝenko kelkfoje paroladis en grupaj kunvenoj de la laboristaj Esperantistoj en Leipzig. Eroŝenko rakontis emocie pri la tiama situacio en Ĉinio. Liaj paroloj estis korplenaj, kio karakterizas lian personon.
Alfred v. d. Heid, kiu depost jaro 1925 loĝas en Okcidentgermanio, plej ofte akompanis Eroŝenko en Leipzig. Li skribis i.a.: Iun tagon mi renkontis kamaradinon Bunge kun al mi fremda homo. Ŝi petis min, transpreni la gvidadon de la fremdulo. Gvidante la tre interesitan k-don Eroŝenko, mi bone povis konstati, kiel blindulo vidas per oreloj kaj fingroj! Ekzemple li aĉetis masaĝilon (germane: Punktroller), kiun li antaŭe palpumadis tre longe per siaj fingroj.
En Esperantista kunveno, aranĝita kiel kutime dum la Foiroj, s-ano d-ro Dieterle de la Leipziga Esperanto-Instituto petis, ke ĉiu Foir-vizitanto diru sian opinion pri la Foiro kaj ĝenerale pri siaj impresoj en Germanio. Je la fino de tiuj raportoj d-ro Dieterle diris laŭvorte: ‚Mi konstatas, ke nia blinda samideano Eroŝenko vidis plimulte ol ĉiuj aliaj raportintoj!'
K-do Eroŝenko preskaŭ ĉiutage vizitis la Esperantan bibliotekon de la Grafika Muzeo. Ankaŭ la Parizan Esperanto-bibliotekon li vizitis.
Ĉar li trolongigis sian forpermeson de la Peking-a Universitato, oni de tie telegrafis, ke oni ne plu sendos la salajron al Eroŝenko, se li ne tuj revenos! Eroŝenko retelegrafis, ke neniam li reirus al Pekingo se la salajron oni ne sendos! La sekvo: la salajro alvenis!"
El Ĉinio Eroŝenko transloĝis por ĉiam al Ruslando. En Moskvo li estis docento ĉe la Universitato por Orientaj Laboruloj, en kiu studadis ankaŭ japanaj komunistoj. Li tradukis verkojn de Lenin en la japanan lingvon. Okaze la 10a jartago de la Oktobrorevolucio Eroŝenko surprize renkontis la japanan amikon kaj kamaradon Akita Udsjaka, kiu al li rakontis, ke en Japanio komencis ŝtormo kontraŭ la „danĝeraj ideoj".
La tagoj pasis per lekcioj. Sed nokte Eroŝenko skribe plenigis paĝojn ĝis frumatene. Post certa tempo li serĉis novan okupon pli kontentigan. Precipe por helpi al blinduloj, li veturis al Ĉkotka kaj daŭrigis de tie la vojaĝon al Mezazio. En Kirŝko oni proponis al li, fondi kaj gvidi instituton por blindaj infanoj.
Dume venis el Japanio kaj Ĉinio multaj leteroj kun demandoj: „kie estas Eroŝenko, kial li silentas?" Sed neniam plu okazis respondo. Lastfoje lin vidis alilandaj amikoj 1932 ĉe la Esperantista Kongreso en Paris.
Por Eroŝenko la Internulejo en la montara Kriŝko estis ĉefenhavo de sia vivo. Li eĉ dormis kun la infanoj en la sama ĉambrego. „Kial la infanoj lacigus min", li diris al edukisto S. J. Ŝamina, „nokte ja ili dormas". Li instruis la blindajn infanojn en gimnastiko, naĝado, „vidanta" paŝado ktp., kaj ankaŭ en turkmena lingvo. Kiam la Internulejo fariĝis hejmo por vidantaj infanoj, Eroŝenko kelkajn jarojn instruis en Moskvo kaj Taŝkent.
Sonĝante pri literaturlaboro, li fine vojaĝis en sian naskiĝlokon Obuĥovka, sed tro malfrue, li jam estis mortmalsana.
„En aŭtuno 1952", sin memoras S. M. Ŝanina, „li sendis sian lastan foton. Vasilij Jakovleviĉ sidas sur malalta plektita seĝo, malantaŭen apogante sur kisenon. La sekiĝintaj nodaj fingroj tenas kajeron, kvazaŭ li timus ĝin perdi. La vizaĝo estas trankvila sed atentema, kvazaŭ li aŭskultus harmonian sonon, kvazaŭ li memorus al la trapasita vojo. Li amis la vivon, sed trankvile atendis la morton."

* Pro la kompletigo de la bibliografio bv. kontakti la aŭtoron de tiu-ĉi studo sub jena adreso: DDR – 7022 Leipzig, Krokerstraße 15

– CR –

# Kie aboni al „Paco"?

*Aŭstrio:*
S-ino A. Sindl, 3100-ST-PÖLTEN Traisengasse 26 — 10 ŝ.

*Belgio:*
Jean Coen, 9, rue Arthur Roland, BRUXELLES-3 — 100 f.

*Britio:*
C. Fielding, I, Church Road, Horfield, BRISTOL-7: — 10 s.

*Bulgario:*
Bulgara MEM-komitato, Bulv. Ĥristo Botev No 97, SOFIA: — 3 l.

*Ĉeĥoslovakio:*
T. Balda, Revnice 416/23, PRAHA-ZAPAD: — 20 k.

*Danlando:*
Egon Starup. Lavendelsvaj 8, Udlerje Pr. ÖLSTYKKE: — 10 k.

*Finnlando:*
Erkki Järvinen, Ukonkivanpolku 2, C. 19, HELSINKI-44: — 5 m.

*Francio:*
Fédération espérantiste du Travail, 4 rue du G-al Malleterre, 75-PARIS (16) (p.c.k. Paris No 902-52): — 15 f.

*Germana Demokratia Respubliko:*
Centra Laborrondo Esperanto de GDR en Germana Kulturligo, 108 BERLIN, Charlottenstr. 60 — 5 M.

*Germana Federacia Respubliko:*
Reinhard Haupenthal, 6602 DUDWEILER, Kantstr. 50 — 8 m.

*Hungario:*
Hungara MEM-komitato, BUDAPEST-VIII, Kenyermezö utca 6: — 36 f.

*Italio:*
Dante Cattaneo, Via Vals di Pedro 23, MILANO: — 850 l.

*Japanio:*
Nanba Syozi, Kodan 21-201, Huruiti-Kita-3, ISAKA-ZYOTO: — 1 000 l.

*Kubo:*
Raul Juarez-Sedeno, Apartado 570, CAMAGÜEY: — –

*Nederlando:*
Cor de Waart, Plancinsstr. 71, AMSTERDAM-C: — 4,5 g.

*Nepalo:*
Keshab Ran Joshi, Esperanto-Socisto, 10/319 Bhosiko Tols, KATHMANDU — –

*Norvegio:*
Nenning Nielsen, TÖRVIKBYGD — 10 k.

*Pollando:*
Pola Esperanto-Asocio, ul. Jasna No 6 WARSZAWA: — 35 z.

*Popola Respubliko de Koreo:*
Korea Esperanto-Asocio (S-ro Sin Hosong). Poŝtkesto 16, PJENJANG: — –

*Rumanio:*
S-ino Fülöp Irme Str. Calan 12 etj. I, SIBJU — –

*Sovetunio:*
Unuiĝo de sovetaj societoj de amikeco kaj kulturaj rilatoj kun aliaj landoj (S-ro A. Makovskij), Kalinin 14, MOSKVO: — 2 r.

*Svedio:*
K. Kvist, Rinmansgatan 13, S-660. 92, DEJE p.ĉ.k. No 442476):

*Venezuelo:*
Ildefons Nunez, Spartado de Correos 250, BARQUISIMOTO — –

*Vjetnama Demokratia Respubliko:*
Vjetnama pacdefenda esperantista asocio, 68 Ly Thuong Kiet HANOJO: — –

*Aliaj landoj:*
A. Balague, Traiseng 26, 3100-ST-PÖLTEN: — 10 irk.
USONO: Jim Deer, 12946 NENANCOCK, Portland Oregon 97230 — 1 d.

---

## M.E.M.-Sekretariaro

*Prezidanto:* Nikola Aleksiev (Bulgario)
*Vicprezidantoj:* Karl Kvist (Svedio), Tinka Lakova (Bulgario)
*Ĝenerala Sekretario:* Gösta Holmkvist (Svedio)
*Sekretario:* Tomáŝ Balda (Ĉekoslovakio)
*Centra Administranto:* Anton Balague (Aŭstrio)
*Centra Redaktoro de „Paco":* William Gilbert (Francio)

*Adresoj:*
*Por ĝeneralaj aferoj:* G. Holmkvist, Rönneholmsvägen 55 tr. 2 S-217.41 MALMÖ – V. (Svedio)
*Por administraj aferoj:* A. Balague, Traiseng 26, 3100-St. Pölten (Aŭstrio)
*Por redakciaj aferoj:* W. Gilbert, 30, Rue Croix-Mont-oire, 37-TOURS-02 (Francio)

**Eldoninto de tiu ĉi numero:**
Germana Kulturligo / asocia sekretariejo (Centra Laborrondo de Esperanto de GDR). Redakcio: 108 Berlin, Charlottenstrato 60, Telefono: 22 59 91. Respondeca redaktoro: Eugen Menger, Redakcia komisiono: Otto Bäßler, Detlev Blanke, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand, Redakcia fino: 20a Februaro 1970. Aperas ĝenerale 12 foje dum jaro, ĉiu- foje kiel eldono de alia MEM-landa sekcio. Presejo: III/9/1 Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.

8557 - 36



**GDR:**

Junularaj adoptaj grupoj en WERDAU kaj RONNEBURG, GDR 22 gejunuloj, inter ili 8 geknaboj, dez. koresp. per bele afrank. bildk., let. el ĉ.l. pri turismo k. pacmovado. Resp. garantiata. Komuna adreso: Esp. grupo „Popolamikeco", mane Kurt Heeg, 962 WERDAU, GDR, Ziegelstr. 20

**Hungario**

Sudhungarlanda Koresponda Servo serĉas precipe komencantajn gekorespondantojn por sia teritoria Esperantistaro, por plifortigi la internacian amikecon. Skribu al la sekretario: D-ro Bálint Szemenyei, Huba-u. 38, Orosháza, Hungarujo.

Senpaga gastigo interŝanĝe, pri kondiĉoj kaj eblecoj skribu al Esperanto-klubo Kiskunhalas.

14jara knabo dez. korespondi en germana lingvo por reciproka vizitado (Rostock k aliaj urboj) interesiĝas pri akvosporto, naŭtiko, bv. skribi al dro Tibor Gyuris, bestkuracisto, Blaha Lujza u. 9, Szeged

Senpage ricevebla „hobio kaj koresponda minimagazino, skribu al Esperanto-fo-ki-ma, Budapest, P.O. 16

Naturscienculoj serĉas kontakton, ankaŭ amatoroj pri entomologio, zoologio, akvariologio, leterojn al s-ro Koloman Gasko,, Esperanto-kulturdomo, „Pataki Istvan", Budapest X, Füzer utka 13

Deziras ricevi esperanto-ekspoziciaĵojn okaze de 25jara datreveno de liberigo de Hungario, Esperanto-grupo/Kulturdomo Sagvari, Szolnok, Sagvari E. ut

Sonbende en esperanto kaj germana lingvo pri dancmuziko. Laszlo B. Toth, Budapest IX, Vaskapu utca 1/B

Radioteknikisto, 30jara fotoamatoro dez. koresp. en germana kaj esperanto Sandor Török, Budapest 5, poŝtfako 291

Scienca esploristo, 36jara (biologiisto) dez. serioze koresp. Janos Toth, Gödöllö, Meheszet

Interesiĝantoj pri „teknika esperanto-ĵurnalo" skribu al Inĝeniero Laszlo Baka, Dunakeszi, Karoly u. 11.13

Virina Esperanto-grupo de Orion dez. koresp. Orion-Television, Budapest X, Jeszberenyi ut. 29

Esperantlingvajn prospektojn oni pov. peti ĉe Budapesta „Zoo", Budapest XIV Varosliget

Korespondpetojn publikigas „Magyar Ifjusag", hungara junulara bildorevuo, Budapest VIII, Somogyi Bela utca 6 II

Dez. interŝanĝi papiliojn Georgo Juhasz, Budapest IV, Ujpest. Kalvin u 17

Senpage riceveblas kol. prospektoj pri Gyula, Varosi Tanacs, Urba Konsilantaro

## Pollando

Studenta Esperanto-Rondo serĉ. koresp. kun junaj esp. stud. el GDR Esperanto-Rondo „Sonero", Poznan, str. Szamarzewskiego 89 WSN

Interŝ. de mapoj, bk, glumarkoj, alumetetik. s-ino Danuta Romanczyk, Warszawa-Bielany, str. Zeromstiego 64, kvart. 9

Lernantino, 17 jara dez. koresp. germane kaj esperante, Maria Szala, Bydgoszcz, str. Libelta 14/2 Instruistino, 20jara, pri div. temoj, Zofia Szadkowska, Lask., ul. Koscielna 4 m. 4, woj. Lodz

Malowski Zbigniew, Zagan, ul. Libelta 6 dez. koresp.

Teknikistino, 19jara pri sporto, filmo turismo, muziko, kol. pm. dez. koresp. angle, ruse, pole, germane, esperante, Teresa Wywiol, Ruda Sl. 9 (Nowy Bytom), ul. Kosciuszki 6/5

Bibliotekisto dez. koresp. Ryszard Zajkowski, Elk, ul. Lakowa 33, woj. Bialist.

Intruisto, 27jara, interesiĝas pri literaturo, geografio, historio, jun. prob. pedag., kol. pm, bk. Stanislaw Miskiewicz, m. Wisniew, p-ta Wisniew pow. Minsk-Mazowiecki, woj. Warszaw.

Studentino 22jara, pri muziko, sporto, ĉiutaga vivo, kol. bk, Teresa Dlugosz Slubice n/Odra, ul. Jagielly 8/1

Esperantajoj por ekspozicio estas petate sendi al Szostak Mieczyslaw, Gwoznica Gorna, pow. Strzyzow

Teknikisto 29jara, dez. kontakton kun GDR-esperantistoj por reciproka vizito, Piotrowski Tadeusz, Gliwice, ul. Marzanki 15/9

Filio de PEA, Gorzow Wlkp., ul. Armii Polskiej nr. 22 m 13 serĉas kontakton kun GDR-grupo

Instruisto de germana lingvo, dez. interŝanĝi germ. librojn kontraŭ dezirotaj, Edward Dembski, Stargard Szczecinski, skr. p. 47

Filatelisto dez. koresp. k interŝanĝi pri objekto „Vivo kaj Verko de Lenin", Mieczyslaw Prugoniker, Polanice – FWP

## Rumanio

Lernantoj de la Esperanto-grupo en Covasna

1. Cărsteanu Zizi, *Covasna*, Str. Salcîmului, 3. (17 j. lernantino) Dez. Kor. pri muziko, literaturo, kolektas b.k.
2. Csutak Etelka, *Covasna*, str. Timár, 11. (21 j. asistantino) Dez. Interŝ. muziko, diskoj b.k.
3. Egyed Mária, *Covasna*, Str. Petöfi, 33. (17 j. lernantino) Dez. Interŝ. Literaturo, muziko b.k.
4. Eröss Péter, *Covasna*, Str. Stefan cel Mare, 47. (36 j. instruisto) Dez. Kor. Literaturo, turismo.
5. Gazda István, *Covasna*, Str. Dózsa György, 7. (18 j. lernanto) Dez. Kor. pri muziko, kolektas b.k.
6. Kotroczó Ernö, *Covasna*, Str. Gării, 44. (18 j. lernanto) Dez. Interŝ. Muziko, diskoj.
7. Luka Ildikó, *Covasna*, Str. Spicului, 1. (17 j. lernantino) Dez. Kor. pri literaturo, muziko, b.k.
8. Nagy György, *Covasna*, Str. Gării, 17. (18 j. lernanto) Dez. Kor. pri muziko, kolektas b.k.
9. Sigmond Mária, *Zăbala*, Nr. 806 (oficistino) Dez. Interŝ. p.m. + b.k.
10. Sipos Éva, *Covasna*, Str. Borvizului, 6 (17 j. lernantino) Dez. Kor. pri muziko, p.m. + b.k.
11. Szabó Rózália, *Covasna*, Str. Stefan Cel Mare, 14. (27 j. instruistino) Dez. Kor. pri div. temoj.
12. Szász Tünde, *Covasna*, Stefan cel Mare, 81 (14 j. lernantino) Kolektas pentroart. repr. b.k. ktp.
13. Tankó Enikö, *Covasna*, Str. Stefan Cel Mare, 46. (14 j. lernantino) Kolektas b.k. pri div. temoj.
14. Torró Vilmos, *Covasna*, Str. Stefan Cel Mare 33 (35 j. dekoranto) Dez. Kor. pri pentroarto. Kolektas b.k. pri arto.
15. Vajna Ibolya, *Covasna*, Str. Brazilor 31. (21 j. asistantino) Dez. Kor. muziko, literaturo, kol. artistportretoj.
16. Zágoni Jenö, *Covasna*, Str. Gábor Áron, 30. (32 j. oficisto) Kontraŭ *esperantaĵojn* sendos: b.k. rumanajn p.m. seriojn, foto-diskojn, ktp. Kolektas b.k. pri preĝejoj.

– CR –

80 gelernantoj (12–16 j) interŝ. il.p.k. adreso: Rumanio, Casa Pionerilor, urbo Suĉeava I, Esperanto Rondo.

32 ĝelernantoj (13–15 j) interŝ. il.p.k. adreso: Scoala Generala Nr. 1, Cercul Esperanto, Suĉeava I, Rumanio.

Nariana Baciu, Oltea Herlea. Elena Voicu, Ileana Popovici, Maria Tarniceriu, Viorica Dumitraŝ, studentinoj (19–21 j) kor. kun

gestudentoj el t.m. adreso: Rumanio, Suĉeava I, Institutul Pedagogic, str. Teilor Nr. 9

Stelian Vacaru, str. Schitului 17, Vatra Dornei, Rumanio. studentino 19 j.

F-ino Ivaŝ Rodica, str. A. Panu Nr. 6, Botoŝani, Rumanio. oficistino 24 j.

F-ino Toma I. Ana, f-ino Georgeta M. Jercan, lernantinoj, 19 j. adreso: Rumanio, Constanta, Liceul Pedagogic.

F-lo Aurelian Ilie – Riku, str. Unirii Nr. 29, Vatra Dornei, Rumanio. fraŭlo, 23 j. teknikisto.

200 geesperantistoj (lernantoj, studentoj, profesoroj, ktp.) Indiku Viajn preferojn, aĝojn, ktp. adreso: Mihail Petre Dunĝeanu P.O. Box 41, Suĉeava I, Rumanio.

– CR –

## Soveta Unio

Virga Btapulionyte, Pioniro dez. korespondi, Litovio, Pasvalys, Torybu 11–8

Junulo, 24jara dez. koresp., kol. gazetojn, pk, pm, A. B. Kajnarskij, Doneck–52 Bilvardo Ŝaĥtostroitelej 33–5

Dez. korespondi Aleksander Ekkel, Vjatskaja 21, Harkovi 13

Pri lit., memkonstruo de radioaparatoj, Nikolao Gibaluk, Riga 24 str. Pales 14, kort. 17 dez–79, Latva SSR

Muzikisto el cirko dez. koresp. ruse kaj esperante kun ĉiuj landoj pri klasika kaj ĵaza muziko, esp. lit., bk, insignoj, gramofondisk. Mikaelo Lineckij, Kievo–30, poŝtkesto, 644

Inĝeniero, 30jara, dez. koresp. kun ĉiuj landoj, kol. bk, pm, serĉas „der esperantist" nroj 1–10, 13–17, 22, 23, 30, polan libron „Esperanto-poŝtstampoj", Gennadij Agafonov, Penza, Poĉtamt glaw. postrestante.

Kun amikoj el GDR, kol. pm, bk, Bolotskij Sergej, Donesk 7, Kalinina 67

## Svedio

Laboristo, 51jara, dez. korespondi pri div. temoj, s-ro Arne Bengtsson, Abybergsgatan 32, Mölndal

## VAR

Dankas pro la multaj leteroj kaj petas pardonon se ne eblas respondi al la pli ol cent skribintoj. Mohamed Abu Zeid Soliman, Masakin Hadaik El-Amiria, Block 87–2 app. 5 Kairo

**Al ĉiuj skribintoj, kiuj esprimis al ni interesajn opiniojn pri la GDR-libro, ni diras ĉivoje nian tre koran dankon petante komprenon pro tio, ke ni ne povas respondi al ĉiuj.**

**Centra Laborrondo Esperanto de GDR en Germana Kulturligo**

# RIPOZOJ

La konata luksa riĉe ilustrita esperantlingva revuo eldonata de Komitato pri turismo ĉe la Ministra Konsilantaro en Bulgario *renovigis sian aperadon de la komenco de 1970.*
*GRAVE:* La Redakcio malfermis Esperanto-fakon en ĉiu N° kun novaĵoj k.a. materialoj el la vivo de la tutmonda Esperanto-movado.
Anoncoj pri korespondado estos publikigitaj *senpage!*
La abonprezo restas la sama: 3 usonaj dolaroj aŭ egala valoro. Ĉiuj pagintoj por 1969 konservas siajn rajtojn por 1970.

– CR –




*Helena Scigala (nask. 1921)*
*„Legohoro", lignogravuro*